Dua periodo
SEPA JARO
N-ro 5. 1937.

# LITERATURA MONDO

## El la enhavo:



Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Soroksári-str. 38

## APERAS SESFOJE DUM LA JARO

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# *Novaj prezoj!*

## *Aliaj prezoj en la katalogo estas malvalidaj!*

| | bind. | broŝ. |
|---|---|---|
| **Julio Baghy:** Dancu Marionetoj — — — — | 0.56 | 0.40 |
| **Julio Baghy:** Viktimoj — — — — — — | 1.04 | 0.84 |
| **Julio Baghy:** Hura! tolbind. 2.40 — — — | Elcerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Preter la Vivo — — — — | Elcerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Pilgrimo — — — — — — | Elcerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Sur Sanga Tero — — — — | 1.70 | 1.32 |
| **Julio Baghy:** Verdaj Donkiĥotoj — — — | 1.— | 0.70 |
| **K. Kalocsay:** Lingvo, Stilo, Formo — — — | 0.70 | 0.34 |
| **K. Kalocsay:** Streĉita Kordo — — — — | 1.06 | 0.80 |
| **K. Kalocsay:** Rimportretoj — — — — — | 0.44 | 0.27 |
| **K. Kalocsay:** Eterna Bukedo, duontole 2.30 | 2.— | 1.65 |
| **K. Kalocsay—Madách:** Tragedio de l' Homo simpla | 1.— | 0.66 |
| luksa | 1.20 | 0.84 |
| **K. Kalocsay—Goethe:** Romaj Elegioj kaj La Taglibro — — — — — — — — — | 0.70 | 0.50 |
| **K. Kalocsay—Dante:** Infero — — — — — | 1.90 | 1.60 |
| **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio I. — — — | 2.25 | 2.— |
| **K. Kalocsay—Mussolini:** Vivo de Arnaldo, luksa | 0.84 | 0.50 |
| simpla | 0.66 | 0.40 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Parnasa Gvidlibro | 0.90 | 0.66 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Plena Gramatiko de Esperanto II-a eldono— — — — simpla | Sub | |
| luksa | preso | |
| **K. Kalocsay:** Hungara Antologio — — — | 2.60 | 2.30 |
| **Bleier—Kökény—Sirjaev:** Enciklopedio de Esperanto, vol. I—II., ilustrita — — — — | 6.80 | 6.— |
| Enciklopedio de Esperanto, en unu volumo, neilustrita — — — — — — — — — | 4.— | |
| **Asch—Lejzerowicz:** La Sorĉistino el Kastilio — | 0.90 | 0.66 |
| **Grenkamp—Brzekowski:** Pri l' Moderna Arto | 0.66 | |
| **J. Forge:** Mr. Tot aĉetas mil okulojn — — | 1.06 | 0.84 |
| **F. Szilágyi:** Trans la Fabeloceano — — — | 0.90 | 0.66 |
| **F. Szilágyi:** Poemaro el Hungarlando — — | | 0.34 |
| **F. Szilágyi:** La Simpla Esperanto — — — | | 0.34 |
| **F. Szilágyi—Genthon:** La centroarto en la malnova Hungarujo — — — — — — — | 3.— | 2.— |
| **Totsche:** De Paĝo al Paĝo — — — — — | 0.80 | 0.60 |
| **Kalocsay:** Dekdu poetoj — — — — simpla | 0.84 | 0.50 |
| luksa | 1.— | 0.60 |
| **Totsche—Karinthy:** Vojaĝo en Faremidon — | | 0.24 |
| **St. Engholm:** Homoj sur la Tero — — — | 1.— | 0.72 |
| **St. Engholm:** Infanoj en Torento — — — | 0.60 | 0.40 |
| **Hans Weinhengst:** Tur Strato 4 — — — — | 1.— | 0.72 |
| **E. Aisberg:** Fine mi komprenas la radion — | 1.20 | 0.92 |
| **K. R. C. Sturmer:** El la Notlibro de Praktika Esperantisto — — — — — — — — — | 0.70 | 0.50 |
| **Kikuĉi—Simomura:** Amo de Toojuuroo — — | | 0.24 |
| **T. Herzl—B. Selzer:** La Juda Ŝtato — — — | 0.84 | 0.60 |
| **Slonimsky—Grenkamp:** Mia vojaĝo en Sovetio | 0.72 | 0.50 |
| **Jelušić—Rotkvić:** Cezaro — — — — — | 2.05 | 1.80 |
| **Adamson:** Auli — — — — — — — — — | 0.56 | 0.34 |
| **Kamaryt—Ginz:** Ĉeĥoslovaka Antologio — — | 2.60 | 2.30 |
| **E. Privat:** Interpopola Konduto — — simpla | 0.86 | 0.60 |
| luksa | 1.20 | |
| **Jerome—Badash:** Tri Homoj en Boato, simpla | 1.20 | 0.92 |
| luksa | 1.50 | |
| **Munthe—Weleminsky:** Romano de San Michele | 2.12 | 1.80 |
| luksa | 2.40 | |
| **I. Lejzerowicz:** El la Verda Biblio — — — | 0.50 | 0.30 |
| **E. Wiesenfeld:** Verkaro de FeZ (Dr. Felikso Zamenhof) — — — — — — simpla | 1.60 | 1.32 |
| luksa | 2.15 | |
| **Biernaczki—Medrkiewicz:** La Verko de Chopin | | 0.20 |
| **L. E. Thomson:** Multe pli la Amo — — — | | 0.18 |
| **EMBA:** Maria kaj la Grupo — — simpla | 0.95 | 0.72 |
| luksa | 1.30 | |
| **E. Wüster:** Konturoj de la lingvonormigo en la tekniko — — — — — — — — | 0.85 | 0.60 |
| **Arĝenta Duopo.** Jubilea Libro pri Baghy—Kalocsay I. — — — — — — — | | 0·90 |
| **Ora Libro de Esperanto.** Redaktis: V. Bleier—E. Cense — — — — — — — — — | | 0.72 |
| **Van Loon—Saville:** Rigardu la Teron — — | 2·95 | 2.60 |
| sen la koloraj tabuloj — — — — — — | | 1.80 |

La prezoj estas montrataj en usonaj dolaroj. Aldonu 10% de sendkostoj.

**RABATO DE 20% AL LA MEMBROJ DE AELA EL LA SUPRAJ PREZOJ!**

**Pagojn ni akceptas**

per monbiletoj, bankĉekoj, respondkuponoj, »money order« al Budapest aŭ al niaj reprezentantoj.

**Poŝtmandatojn sendatajn al Budapest ni rifuzas.**

### ABONPREZO DE LINGVO-LIBRO

por unu ekzemplero dum la jaro:

0.80 aŭstrajn ŝilingojn; 4.— belgajn frankojn; 8 penny; 9.— ĉeĥajn kronojn; 0.60 danan kronon; 0.60 estonan markon; 4.— francajn frankojn; 0.60 markon; 0.80 pengö; 4.— lirojn; 8.— dinarojn; 0.80 laton; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 0.40 guldenon; 0.60 norvegan kronon, 1.20 zloton; 4.— eskudojn; 25.— leojn; 0.60 svedan kronon; 0.20 USA-dolaron; 0.80 svisan frankon.

En nemenciitaj landoj 0.20 USA-dolaron aŭ egalvaloron.

**Tri ekzemplerojn ni sendas por la duoblo de la supraj sumoj.**

### ABONPREZO DE LITERATURA MONDO

por tuta jaro, la unua ekzemplero al la sama adreso:

12.50 aŭstrajn ŝilingojn; 65.— belgajn frankojn; 7.— anglajn ŝilingojn; 60.— ĉeĥajn kronojn; 7.— danajn kronojn; 7.— estonajn kronojn; 45.— francajn frankojn; 7.50 germanajn markojn; 10.— pengöjn; 40.— lirojn; 100.— dinarojn; 9.— latojn; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 4.50 guldenojn; 7.— kronojn norvegajn; 15.50 polajn zlotojn; 30.— eskudojn; 300.— leojn; 7.— svedajn kronojn; 9.— svisajn frankojn; 1.80 USA-dolarojn

**ĉiun egalvaloron.**

Ĉiu plua ekzemplero al la sama adreso sendata kostas dolarojn 1.40 kaj borsan egalvaloron, sen ia plua favorprezo.

**Unu dolaro usona egalvaloras la 15-an de novembro 1936.**

5.30 aŭstrajn ŝilingojn; 29.40 belgajn frankojn; 4.— anglajn ŝilingojn; 29.— ĉeĥoslovakajn kronojn; 4.50 danajn kronojn; 3.80 estonajn kronojn, 21.50 francajn frankojn; 3.80 germanajn markojn; 5.— pengöjn; 20.— italajn lirojn; 47.— jugoslavajn dinarojn; 5.20 latojn; —.— yenojn (pro monopolo specialajn pagokondiĉojn donas Japana Esperanto Instituto); 7.60 lidojn litovajn; 1.90 nederlandan guldenon, (pagu nur al nia monopola deponejo en Nederlando: Nederlanda Esperanto Centro, Rotterdam, W. Schiedamscheweg 209 b.); 4.— norvegajn kronojn; 5.30 polajn zlotojn; 22.50 portugalajn eskudojn; 140.— rumanajn leojn; 4.— svedajn kronojn; 4.35 svisajn frankojn aŭ borsan egalvaloron en aliaj valutoj.

**Ŝanĝoj de la transkalkulo okazas samtempe kun la borsaj kurzoŝanĝoj.**

# LA ŜAKPARTIO

– Janis Ezerins –

Mian haroblankon kaŝas ĉapelo, kaj miras la homoj, ke tiel lerte levadas bastonon la maljunaj manoj. La okuloj subĉapele estas ŝirmitaj, sed per la bastono eblas forpuŝi ŝtonetojn desur vojo aŭ kirladi sablon, meditante. Oni miras ankaŭ, kiel mi ankoraŭ tiom gajas kaj viglas. Nu, tie ne estas multo por miri. Ĉar mia dorso, dankon al Dio, ne apartenas al la plej malfortaj, kaj ĉi-somere, krom tio, ekzistas ankaŭ aliaj kialoj, por ĵeti ĉapon aeren.

La ĉirkaŭaĵo estas al mi preskaŭ fremda, kaj mi vagadas, kie la tago min kondukas. Matene mi estadas ĝardene, helpetas en la hejmaj laboroj, posttagmeze mi iras al la vendejo, ĉe panjo Baumgarten; restadas mi tie horon kaj, flankumante, revenas hejmen. Mi estas luinta unu ĉambron ĉe patro Vicups, li havas propran domon. Ambaŭ ni maljunas, ambaŭ ni finis nian servadon, kaj harmonias ni kune. Pro tio ŝajnas al mi iufoje, ke mi restos ĉe li ĝis la vivofino. Tiel estos, se nur ĉio aranĝiĝos, kiel decas, kaj se al la najbaroj ne ekplaĉos provi mian molecon en monpruntado. »Al tiu maljuna estas da ĝi, kvazaŭ da cindro«, — mi estas jam aŭdinta, sed nur mi mem scias, ke ne pli, ol necesas, por ke oni ĉe la enterigo ne insultadu.

Patro Vicups plaĉas al mi. Senĝena estas la vivado ĉe li, kaj skribotablo preskaŭ sama, kia antaŭ kelkaj jaroj forbrulis kun ĉiuj miaj paperoj. Tie pereis ankaŭ rakonto, kiun mi verkis dum miaj unuaj jaroj de komunuma sekretario. Tiutempe oni presadis en kalendaroj nur aĵojn, kiujn eblis ornami per multe da belaj bildoj. Sed ĉar por mia rakonto oni povis neniajn bildojn elpensi, ĝi restis nepresita, kaj dank' al Dio. Tamen plurfoje mi poste pensis, ĉu estas multaj homoj, kiuj vivas ankoraŭ, sed kies rakontoj delonge jam pereis. Ho, kiel malsereniĝas la frunto, pensante tiajn sensencaĵojn! Sed ĉi-vespere mi bedaŭras plu nek la incendion, nek mian skribotablon. Ĉar ĝuste mi havas esperon al iom pli luma suno, eĉ se nur por fino de l' rakonto. Nur tempon mi ne havas nun, por eksidi ĉe la tablo de patro Vicups, ĉar preskaŭ ĉiutage mi devas iri al la bosko, al la vendejo, kaj ankaŭ patron Vicups mem necesas konsoli en lia malgaja maljunaĝo. Vere, li estas preskaŭ same malgaja kaj laca, kiel mi antaŭ jaro aŭ du. Jen, ĝuste mi trarigardas gazetojn kaj vidas, ke tie oni nomadas lin Cimze-ano,*) sed malicaj langoj simple diras, ke li estas maljuna. Guste same, kiel pri Jakobo Sakne, ke li estas ŝtelisto. Kaj pravas la homoj — Jakobo Sakne estas ŝtelisto, kaj patro Vicups — maljuna. Li aŭdas ĉion ĉi — matene, tagmeze, posttagmeze — atendas vesperon, por ĝemspiri pri ĉio kune.

— Jes, — li diras tiam, — granda eraro estas allasita. Tri generaciojn mi finedukis, kvankam nur unu eduki rajtas la homo. Ĉu ne vere? Nur en la unua generacio mi havas amikojn, la dua plu ne ŝatas min, la lasta eĉ malbenas min, kaj mian maljunecon rigardas preskaŭ krimo. Kial? Mi plu ne scipovis ilin bone eduki. Jes, jes, amiko mia. Tial, ke la memoro pri mi restis memoro pri senforta, maljuna kaj nekapabla laboranto. Kaj nur nun mi scias, kio estas la ofte ludata malbeno de l' laboro: tio, ke unuj tute ne komencas laboron, sed kiuj komencas, ne scias ĝustatempe fini. Ni estis kiuj ne sciis fini ĝustatempe...

Tiuj »ni« estas ĉiuj liaj laborkamaradoj kaj samtempuloj, kiuj, kiel li, laboradis la tutan vivon kaj sidas fine solece ie en malluma angulo. Kaj ankaŭ patro Vicups dronas pli profunden en la duonlumon de sia ĉambro. En la aceroj postfenestre ekkuŝas la lasta vento, kaj enĉambre fariĝas pli mallume, pli silente, solece. Apogiĝinte sur la malgranda harmoniumo, patro Vicups kurbiĝas ankoraŭ pli.

— Sed, kiel strange, — li rekomencas, denove levante la kapon. — Vi estas juna, vi paŝas kvazaŭ cervo, branĉoj rompiĝadas. Ripozo ŝajnas maldiligento, kaj eĉ pro laciĝo falante martelas la mano najlokapon. Kaj senmise martelas! Sed tiam alpaŝas subite iu deposte kaj diras: paĉjo, ĉesu! ja kion vi fingrumadas. Guste tiel li diras: patro Vicups, ja kion vi fingrumadas! Kaj vi kvazaŭ konsternita flankeniras, ankoraŭ rigardas momenton, kion do nun faros la fortoplena viro? Kaj vi vidas, ke nemalgrandan parton de via laboro li malkonstruas kaj refaras dekomence... Ho vi, maljuna ridindulo! Kun klinita kapo vi foriras, kaj neniu eĉ alrigardas vin. Vi necesis — vi estis, vi ne necesas — vi ne devas esti. Nenie, eĉ en tiu ĉi ĉambro ne! Tiom simplas la leĝo, sed ni estas al ĝi malbonaj subuloj, kaj ne kapablas obei, amiko, kaj ankaŭ ne scias, kion fari...

Lia voĉo ektremetas; li interrompas, kaj en la ĉambro restariĝas silento. Post momento mi aŭdas, ke liaj fingroj ion palpserĉas, kaj subite eksonas la malgranda harmoniumo... Apenaŭ mi vidas lian silueton: patro Vicups sidas rekte, kun malproksime etenditaj brakoj kaj iom reklinita kapo: li aŭskultas. Ni ambaŭ aŭskultas, kaj ŝajnas, ke ekzistas en la mondo nenio, tiel ame karesanta unu la alian, kiel la malgaja vespera krepusko kaj ĉi tiu muziko.

Fine eksilentas la harmoniumo, kaj mi aŭdas mallaŭtajn plorĝemojn de l' maljuna viro: kliniĝinte super la multaĝa klavaro, patro Vicups ploras. Post tempeto li diras:

— Nun fariĝis al mi ree pli facile.

Sed al mi estas tiel, ke nenion mi povas respondi. De nokto kaj de la spirado de du maljunaj homoj pleniĝas la ĉambro.

— Patro Vicups, — mi fine ekparolas; tro frue vi priploras vian vivon. Ĉu do ni ĉiuj tiel faru? Ĉar ia hazardo ja al ĉiu fuŝas la vivon. Vi scias ja, ke al iu eĉ stulta briko falas sur la kapon; tiuokaze, kompreneble, plu nenio rebonigeblas. Eble tia homo estas plej feliĉa, ĉar li eĉ ne ekscias pri sia malfeliĉo, sed ja ne ĉiu povas aparteni tiujn feliĉulojn, kvankam vundata estas ĉiu.

— Vere, — aldonas patro Vicups, — vundataj estas ĉiuj; sed tio estas eĉ pli sensava fino. Tio estas fino de ni ĉiuj.

— Kial do fino, patro Vicups?

— Mi ne kredas resaniĝon, kaj mi ne kredas ankaŭ la kuracistojn. Ili ĉiuj estas kiel la ciganoj en Karzdaba-bazaro, kiuj puŝas najlon ankaŭ en la sanan piedon de lama ĉevalo, por ke ĝi ne lamu.

— Nu, kio do pro tio? — mi diras: ĉar la sento pri plenumiĝo de l' vivo dependas nek de ĝojo, nek de doloro, eĉ ne de tio, kiom da sano aŭ mizero en ĝi aperas (ho, kiom ofte ĝuste mizero necesas, por senti la vivon plena!), sed de tio, kiom da in-

*) Cimze — la fondinto de la unua, plej malnova latva instruist-lernejo

# Afrika nokto

— C. N. Newell —

Kiom vaste falas la lunlum' afrika
Sur la ĝardenon, kie floroj pallavitaj
Staras, kaj per parfumo pika
De dianto, petuni' kaj mento,
Kaj la dolĉo de rozoj kaj jasmeno, formas
Flarkolorojn sur aeroj preterglitaj.

Longospire kuŝas kontinento,
Kaj tuta tiu lakta mondo dormas.

Dormas. Sed ĉu tiel pulsas sango en la kapo,
Aŭ ĉu venas, sur aero, ripetata frapo?
Pulso-frapo-pulsofrapo- bat' bat' bat';
La tamburoj tra mallumo, nun sen sat',
Sekvas kun muslima pio
Kriojn de la nom' de Dio;
Nun sin ŝanĝas pulso ruĝa
Al tono, nov-ritma, muĝa:
Tondr' el
latuno,
Ond' al
ĉielo,
Tondr, al
la luno,
Ond' el
mallumo:
Danc' — turn' — balanc'
En frenez' de tranc' —

Allah Akbar! Allah Akbar!
Allah! Allah! Allah!
Allah Akbar! Allah Akbar!
Allah! Allah! Allah!
Mezur' — tortur' — plezur'
Al ritmo de tambur':
Allah Akbar! Allah Akbar!
Allah! Allah! Allah!

Surda vibro senkompata,
Ond' post ondo sangobata,
Tra aero skue venas;

Sed silentas kiam vento svenas,
Aŭ tambur' pro laco.

Kaj denove regnas luna paco...
El najbara dom', kun perla delikato,
Radias dolĉe la muziko de sonato,
Kiun karese oni tiras el piano;
Supren saltas sparkaj tono-lancoj —
Penseroj de l' plej granda eŭropano.
La notoj kvazaŭ diamantoj fosforeskas,
En ŝvebanta lumo fluas, arabeskas,
Aranean reton teksas el subtilaj son-nuancoj.

Sed vibras sub konsci' angoro;
Sub la tonoj, sub la ritmo, fora frapo ekpulsetas —
Ĉu memoro?

Sovaĝa hurlo el obskuro
Tajde batas kun tamburo;

Sango, doloro,
El fundo de l' koro:
Allah Akbar! Allah Akbar!
Allah! Allah! Allah!
Dezir' erupta,
Kri' abrupta:
Murd'! Murd'! Murd'!
Allah Akbar! Allah Akbar!
Allah! Allah! Allah!

La sonato ne plu diras ion, la pianon jen malagordis
La varma vibro, kaj la belon tordis
En bruon agacan. Nun sola regas la tamburo.

Praritmo piedpeza teren ĵetis
Kaj dispistis la muzikpetalojn, kiel tretis
Vandala hord' ĵarmilon da kulturo.

---

terna logiko kaj ligiteco en ĝi estas, por ke la morto de l' homo efektive elsonoru kiel solena amen. La vivo povas esti kunmetita el fragmentoj, ĝi nur mem ne estu io fragmenteca,aŭ kiel vi mem hieraŭ diris — folio el la disŝirita libro de l' Di-anĝeloj. Necesas scipovi kunmeti la rompaĵojn, kaj tio estas ĝuste laboro por la maljunaĝo. Tiel ĉiu, eĉ la plej sensenca vivoiro povas fine ekposedi sencon. Por ke vidu infano, unuafoje ĉeestanta noktan ĉevalpaŝtadon, ke ne estas senprudento, kio pelas la paŝtiston dum horoj rompadi branĉojn, gratvundadi la manojn, serĉi ŝimajn ŝtipojn, radikosplitojn, kenojn, kaj kolekti ĉion je granda amaso; ĉar fine li prenas alumeton kaj bruligas ĉion ĉi, kaj ĉio brulas, lumigas kaj varmigas kaj ardas. Ĉu samon ne faras ĉiu ajn el ni? Nur ili restas tiel, niaj tagoj, senkomprene, senbezone amasigitaj, kunĵetitaj, ĉar nur maloftaj ilin ankaŭ flamigas kaj montras, ke ili ĉiuj estis necesaj, ke nun ili ĉiuj elpafiĝas kiel fajrokolono. Jes, efektive, patro Vicups, necesas nur tiu, tiu ...

— Nu jes, tiu alumeto, — jam ekridas patro Vicups. — Vera bagatelo!

— Eble! Kvankam tro multe ni kroĉas nin ĝuste al bagateloj, al apartaj sekundoj, semajnoj, jaroj, sed tro malmulte pensas, ke gravas nur ĉio ĉi kune. Tiun rigardon super la vivo ni ankoraŭ ne konas, kvankam ĝi devas fariĝi la sola kaj la vera. Estos tempo, kiam oni ne demandos al arkitekto, kiel li konstruis domon, kaj ankaŭ al vi, maljuna instrumajstro, kiel vi transdonis la instruojn, sed — kiel vi konstruis kaj transdonis vian vivon. Ĉar la vivo kun siaj kontrastoj kaj elkonstruo devas fariĝi la ĉefa laboro de l' homo. Tiam oni ankaŭ komprenos, ke tiuj, kiujn oni kutimas kompati, ofte estas la plej feliĉaj, kaj la solaj, ĝis nun indaj envion — la reĝoj, metintaj siajn kapojn sur eŝafodon. Ilia vivamplitudo estas ankoraŭ nesuperita, kaj ne eblas ludi per via orgeneto la gamon de ilia vivo.

— Tiuj ekzemploj, amiko, ŝajnas al mi tute malsaĝaj, — senpacience intermetas patro Vicups.

— Ekzemploj ankoraŭ neniun konvinkis. Ĉar ni ĉiuj vidas, ke mortas la homoj, sed en la profundoj de l' koro ni ne kredas, ke foje ni mem mortos.

— Ho, kion!

— Ne, ne, patro Vicups. Kiu ekkredas sian mor-

lon, tiu ankaŭ tuj mortas, — kaj tio estas la sola klarigo de l' sinmortigoj. Sed eĉ sen tio ne estas multe da tiaj ekzemploj, ĉar kie oni trovu ilin, se ankoraŭ neniu institucio registras la vivoirojn de l' homoj, kvankam eĉ pri la plej sensignifaj romanoj tio estas farata. Vere, iam-tiam aparta homo eksplikas apartan homon, verkas biografion — sed pri kiu? Pri Pitagoras! Kaj sole pro tio, ke dum iu duonhoro li hazarde sukcesis solvi problemon, dum tuta lia cetera vivo en sia formiĝo ne samvaloras la vivon de ia paŝtisto!

— Jes, jes, jes, tiel vi parolas, — interrompas min patro Vicups, — sed kion do fari, kion fari?

— Al infano — kio plaĉas, al viro — kion li intencas, al maljunulo — kio necesas. Kaj necesas, kio ligas ĉion en komunan sistemon.

— Sed se tio ne eblas?

— Ne ekzistas vivo, ne ekzistas okazserio, al kiu io nova, konscie aligita, ne donus la celatan simetrion. Se almozulo, kiu dum la tuta vivo mizere vegetadis, iras fine al palaco de ministro, elektante por tio ĝuste festennokton, kuŝiĝas tie sur ŝtuparon kaj mortas, sed la ebriaj gastoj, kun rido forirante, puŝfalas — tiu almozulo estas doninta al sia vivo unu el tiuj finaloj, pri kiuj mi parolis. Pri li oni povas verki biografion kun sama rajto, kiel pri diplomato, kiu trans lin falante mortbatiĝis. Per unu momento li donis al tuta sia antaŭa vivo sencon, kiu faras lian vivadon pli valora, ol la poemoj, kiujn skribas niaj poetoj pri mizero kaj malriĉeco.

— Bone, bone, — mi aŭdas patron Vicups jam ridi, — sed kiel do vi mem ĉion ĉi pravigas?

Tiam ankaŭ mi ekridas kaj diras:

— Jes, malfacile estas trovi homon, kiu vivas laŭ sia parolo.

— Jen, ĝuste tion mi deziris aŭdi.

— Kion?

— Kion mi aŭdis..

Mi ekbedaŭras, ke mi lasis neuzita la demandon de patro Vicups, ĉar ja — tiel aŭ alie — baldaŭ mi devos ĝeni lin per kelkaj malkaŝoj, por ke miaj postaj faroj lin ne surprizu. Jam antaŭhieraŭ mi ĝuis pri la eblo ricevi ĉi tie duan ĉambron, sed li nenion certan respondis.

Mi diras do:

— Vidu, mi tamen devos al vi ion-tion klarigi...

Patro Vicups facile surpaŝas pedalon kaj sonigas mallaŭtan akordon.

— Pri kio do? — li demandas.

— Pri ĉio parolita kaj priparolita, sed ĉefe pri la pligrandigo de mia loĝejo. Envere, se mi ion devas rakonti, do nur, por ke vi komprenu, ke mi efektive bezonas la duan ĉambron. Tion vi, kara amiko, finfine devas scii. Kaj vi devas scii ankaŭ, ke ne estas finfine nura hazardo, ke mi vivadas ĉe vi, kiel vi, eble, supozas. Hazardo nur fuŝas la vivon, sed vivi ĝi ordonas nek tie, nek aliloke. Ĝi kripligis ankaŭ mian vivon — fakte, ĝi estis iu ŝakpartio — kaj mi venis ĉi tien, por ankoraŭ pli-malpli fliki mian fuŝitan vivon.

— Ĉu vere? — miras mia amiko, kaj mi sentas ke li fariĝas tre atenta.

— Tiel estas. Sed mi ekos dekomence. Tio estis antaŭ jaroj tridek. Jam tiutempe mi okupis oficon de sekretario en iu komunumo apud Riga. Estis ĝuste la jaro de la dua kantofesto. La komunuma instruisto ĉiudimanĉe ŝvitadis kun sia horo kaj rompadis taktilojn sur la fruntoj de siaj kantistoj. Tiutempe, kiel vi ja mem scias, iuj horestroj bonege scipovis tion. Por iom purigi la pulmon de kancelaria polvo, ankaŭ mi staris inter la tenoroj kaj tute lamente tiris: »Ĉielo diras la gloron de Dio«. Lamente tio sonis tial, ke mi ne tiom pensis pri la gloro de Dio, kiom pri la beleco de knabinoj, kolektiĝintaj el la tuta komunumo. Inter ili estis ankaŭ filino de riĉa komercisto, fraŭlino Baumgarten...

— He! — subite ekkrias patro Vicups duongaje, duonserioze, — nun mi jam konjektas, nun mi jam konjektas!

— Nu jes, tiel statas la afero, kaj mi ne havos plu multe por paroli...

— Ne, nun mi deziras aŭdi, amiko.

Kaj mi daŭrigas:

— Jen, tiu fraŭlino estis preskaŭ la plej ŝatinda el ĉiuj, almenaŭ al mi tiel ŝajnis. Ŝi kantis bele, kaj ĉiam akurate venis al la ekzercadoj. Kiam proksimiĝis Janotago, ni estis atingintaj ion pli, ol la kantojn: ni estis enamiĝintaj. Sed tio estas unu el la sekretoj, kiuj aromas kvazaŭ floro, kaj neniu vi povas ĝin kaŝi. Aliaj parolis pri ni jam pli, ol ni mem inter ni.

Dum la festotagoj ni kantante marŝadis tra la stratoj de Riga — ni estis ja duoblaj jubilantoj! Foje ni dum pli libera momento eniris vendejon, por trinki tason da kafo. Tie surtable kuŝis ŝakkesteto. Per kelkaj vortoj ni sciiĝis, ke tiun ludon iom scias ni ambaŭ. Atendante la kafon, ni decidis ludi partion, kaj ridante ni faris tion. Mi devas konfesi, ke mia fraŭlino ludis tre malforte, kvankam fervore: mi devis tre atenti, por trakti mian fraŭlinon kun konvena respekto kaj ne tro ofte endanĝerigi ŝian reĝon. Ĉi tiu respektemo kaj ĝentileco al fianĉino, kiel mi ĝin tiam imagis, rezultigis,



D. Bartoŝik *Grafikaĵo*

ke mi íntence faris mispaŝojn, por ke ŝi venku. Kaj tiel do ankaŭ okazis.

»Jes, jes, mi eĉ ne imagis, ke mi tiom bone ludas,« leviĝante ŝi diris.

Ni trinkis nian kafon kaj daŭrigis la promenadon. Vi ja komprenas la maljunan Rigan, dum vi mem estas juna kaj enamiĝinta. Neniu turo tro altas, por ĝin surgrimpi, kaj neniu kelo tro profundas, por ĝin enrampi. En la ĉerkokelo de Petra preĝejo mi demandis ŝin:

»Ĉu vi ne timas?«

»Kion?«

»Ja la mortintojn.«

»Kiom da ili do estas ĉi tie?«

»Unu, du, tri, kvar,« mi nombris, montrante la duondisiĝintajn metalĉerkojn.

»Mi vidas nur unu, kaj eĉ tiu estas ankoraŭ duone viva.«

»Jes?« mi ekridis: »tiajn mortintojn oni devas timi pleje.«

»Povas esti,« ŝi petole aliĝis mian ridon.

Tiumomente mi ankoraŭ ne komprenis ŝian ironion, sed jam en Riga mi devis eksenti, ke ŝi fariĝas al mi pli senatenta, ofte ne aŭdas miajn demandojn, eĉ pli ofte — komencas ŝerci, tre malice ŝerci. Nu, Dio, — mi miris, — de kiu tempo do la aminda knabino fariĝis tiel kaprica, kaj kion ĝi signifas? Sed ĝi signifis nur tion, ke ŝia koro iĝis por mi fora. Dum la hejmenveturo ŝi preskaŭ plu ne parolis kun mi. Mi cerbumadis, kiu povis ŝin al mi forrabi. En nia horo tiaj ne troviĝis. Mi divenprovis ĉiudirekte, sed la sola kredeblo restis, ke la infano de l' kamparo falis en la manojn de iu urba lertulo. Se tiel, ĉio pasos kvazaŭ inkuba sonĝo. Oni eĉ ne povas ŝin pro tio riproĉi: nur tra tentoj atingas la homo veron. Sed pasis semajno, du, tri, — ŝi eĉ ne konis min plu. La paroloj pri nia antaŭa proksimeco tamen vastiĝis ĉiam pli. Bonaj homoj jam estis eĉ fiksintaj la tagon de nia geedziĝo.

»Kiam do ĝi fakte estos?« demandis la instruisto kaj certigis, ke mi ricevas la plej bonan knabinon de l' komunumo. »Jes, kiam do?«

»Nu, mi ne scias,« mi respondis, ĉar alie respondi mi pro sinestimo hontis.

Oni gratuladis min, kaj nur pene mi alkutimiĝis tion malakcepti. Efektive, malgraŭ ŝia facilanimeco, mi estis enamiĝinta freneze.

Sed jam ekruliĝis la paroloj la malan direkton, kaj mi devis aŭdi, kion mi ankoraŭ al neniu estis dirinta: fraŭlino Baumgarten forlasis la junan sekretarion kaj al ili la afero disfalas.

Ĉu do mi mem ne sciis tion pli bone? Sed kiam tion ekparolis aliaj, ĝi estis io tute alia, io nova, pike dolora kaj neeltenebla. Efektive, nur tio mankis: ŝi forlasis; kvazaŭ ne sufiĉus: disfalas al ili. Sed mi devis aŭdadi tion tagon post tago. Kia torturo!

Foje ruliĝis en la kancelarion nia avizisto, ebria, kaj petis elpagi salajron. Mi respondis, ke mi ne havas. Do tiel, duonjaron li atendis, kaj tamen — nenio!

»Ne kriaĉu,« mi diris: »prefere venu la edzino.«

»Sinjoreto!« ekblekis subite la bona viro: »Edzino! Ĉu vi entute scias, kio estas edzino? Prefere ne prenu tiun vorton en vian buŝon, ĉar edzinon vi ne vidos, kiel viajn orelojn. He, vi ja ne havas eĉ tiom da kompreno, por knabinon en bagatela ludo venki, kaj, ĝenerale, nia sinjoro sekretario estas ega malsaĝulo!«

Jen, kion mi devis aŭdi de nia avizisto.

Mi ne scias, kion ankoraŭ parolaĉus la maljunulo, se mi en furiozo ne elpuŝus lin tra la pordon. Sed sufiĉis tio, kion mi aŭdis, kaj mi aŭdis ion, de kio la buŝo tuj ekseksis: mi ne havas eĉ tiom da kompreno, por venki knabinon en ŝakpartio; ĉar tuj mi komprenis, ke tiu ludo estas nenio alia, ol nia ŝakpartio. Jen, tion ŝi jam disvastigis! Kaj en kia abomena formo! Ĉu do efektive pro tio ŝi min degradis? — teruriĝis mi, — ĉu do efektive ŝi kredas, ke mi pro nekapablo malvenkis? Ne, neeble, mi diris al mi, sed kiam mi komencis rememori, evidentiĝis tamen, ke ĉiuj signoj de l' malvarmiĝo aperis depost tiu malbeninda kafejo. Ĉiun detalon en la memoro ekzamenante, mi ekmemoris, ke ankoraŭ antaŭ nia partio ŝi parolis — oni devus rigardi la kastelon, sed post tio ŝi jam nenien plu volis iri. Ni tamen ankoraŭ promenadis, sed tiam komenciĝis jam tiu... nu, kiel diri, patro Vicups, tiu... mortintodoro. Jes, la ebria avizisto pravis.

Mi tuj skribis, ke ŝi sincere konfesu. Sed ŝi ne respondis. Mi skribis ankoraŭ. Kaj ankoraŭ. Al la tria letero mi ricevis respondon, kiu komenciĝis mallonge kaj decide: ne ĝenu min. Tamen tie estis ankaŭ frazo, kiu tekstis, vorto post vorto: »mi ne scias, kion parolas ebriaj maljunulaĉoj, sed ke vi, viva homo, ne scipovas renversi mian *lignan reĝon*, mi scias. Do kiel vi imagas okupi ĝian lokon?«

Vidu, patro Vicups, nun la afero estis klara. Ĉu ŝi vidis en tiu okazo decidon de l' sorto, aŭ simple opiniis min malkapabla, limita estaĵo (mi plene kredas la duan eblon); sed per mia partio mi estis malgajninta la plej bonan virinon, mian amatan, sen kiu mi ne povis vivi. Krome, en la tuta komunumo mi komencis akiri famon de facilkapulo, kiu multon parolas, sed fari scipovas nenion. Amiko, kion mi lernas el tio? Nur tion, ke homo povas ludi je nenio kaj tamen malgajni tre multe. Jen, tiel la tuberaĵo de l' malnova marĉo ĉiam ankoraŭ tenis sian miraklan forton*), kaj renversadis ne nur veturilojn, sed eĉ tutan vivon.

Mia vivo estis renversita tute kap-al-tere. Furiozo kaj amaro, ke pro bagatelaĵo mi perdis, kio apartenis al mi por la tuta vivo; parolaĉoj de l' homoj, en kiuj mi okupis de tag' al tago pli lokon, netolereblan por la sinamo de junulo — ĉio ĉi min tiel nervemigis, ke jam baldaŭ mi kunpakis mian havaĵon kaj forveturis trans la limon de l' komunumo. Mi akceptis similan oficon trans Daugava kaj kredis poiome ĉion forgesi. Sed tion mi nur kredis, ĉar finfine forgesebla estis nenio. Plurajn jarojn mi alrigardis nenium virinon, ĉar mi koleris je ili ĉiuj. Kaj kiel mi ne faru tion, se la plej bona el ili evidentiĝis tiel venteca kaj facilanima. Tiu sinturmento ekdaŭris, kuŝiĝis en mian mondon, kvazaŭ neniam foriĝanta kotakvaĵo meze de plugitaĵo. Mi doloris tuta, kvazaŭ unu sola granda vundo, kaj tiam, jen, unuafoje ekĝermis en mi penso pri venĝo. Mi komencis verki taglibron, ion similan al rakonto, kiu tamen poste pereis.

Sed tio ne estis ĉefaĵo.

Mi aĉetis ŝaktabulon kaj lernis ludi; mi ekzercadis tagon post tago. Mi havigis la respektivan literaturon, iajn ses manlibrojn, kaj studis la historion kaj la teorion de tiu ludo. Dum kelka tempo mi salajris por mi ludkunulon, sed kiam li foriris, mi mem devis fariĝi mia amiko kaj malamiko. Komence tio ne prosperis, ĉar, efektive, grandan instruon oni devas trairi kiel en vivo — kaj politiko — tiel en la ŝakludo, por lerni estimi sian kontraŭulon. Poste mi ludis sola sukcese, kaj al la malamiko en mi dediĉis ne malpli da atento, ol al la amiko. Tiam hazarde venis en mian

*) latva proverbo diras: eta tertubero grandan ŝarĝon renversas.

# Poemoj de M. Strümpfel

## Arbarlaboristo

Ankoraŭ dom' ĉe domo dormas,
Krepuskas pala mateno;
Palpebre jen! en domokulo
Moviĝas supren kurteno.

Virin' aŭskultas laŭkutime
La barilopordan knaron:
Fortika laboristo iras
Laŭtpaŝe en la arbaron.

Segilo pendas ĉirkaŭ l' kolo,
Hakilo akra en brako;
Kaj blanka kafokruĉ-kovrilo
Elstaras el dorsosako.

Per longaj, malrapidaj paŝoj
Li iras, manon en poŝo:
Malpeza estas la irado
Sen zorg', doloro kaj groŝo.

Lin akompanas de tabako
Malkara la fiodoro,
Sed ankaŭ la arbar-aromoj
Kaj ritmoj de la laboro:

El abibranĉaj, etaj fajroj
Postrestis iom da fumo;
De arboŝelo kaj rezino
Kuniras spica parfumo,

Miksita kun aromo dolĉa
De mucidantaj folioj.
Fajfado lia memorigas
Pri birdaj kantoj kaj krioj.

Tra ĉiuj ritmoj eĉ laŭtiĝas
Frapado pega ekzakte;
Kaj branĉrompiĝoj kaj hakiloj
Aŭdigas sin ĉiutakte.

Fortika laboristo iras
Al la ŝvitiga laboro:
Li fajfas; dum mi nostalgias
Al tag' sen pen' kaj doloro.

## Grumblulo j

Matene ili malkontentas
Kaj multe multaj tuj konsentas:
»Jam fiodoras nia ŝvito,
Dum la aliaj nur sin turnas
En lito.«

Tagmeze manĝon ili salas
Per grumbloj, ĝis la manĝo galas:
»Ni havas nur malgrasan supon,
Frandadon ili kiel solan
Okupon.«

Vespere ili malplezuras
Kaj pro envio ekmurmuras:
»Ni estas post laboro lacaj,
Sed ili dancas en salonoj
Palacaj.«

Jes, certe ili tute pravas,
Sed nur sukceson fian havas:
Detruas ili ĉiun forton,
Por ŝanĝi iam kun impeto
La sorton.

## Telefondrato

De mast' al mast' girlandas
Dek paralelaj dratoj.
En vento ili kantas
Pri homoj, ĉambroj, stratoj.

Jen ili eksusuras
Al du feliĉaj koroj,
Jen ili plendmurmuras
Pri larmoj pro doloroj;

Jen ili fanfaronas
Mongajnojn lastelastajn,
Frivole jen ĵargonas
Ŝercajojn tre malĉastajn.

Jen Pan sur la flutaro
Laŭŝajne ŝalme blovas;
Junulo kun gitaro
Jen gajan kanton provas.

Birdet' sur drato mute
Aŭskultas melodiojn,
Kaj trovas: ili tute
Similas birdariojn.

Mi vidas min infano: —
Ĉe mast' unu orelo;
(La dua sub la mano) —
Ho, revi pri fabelo!

Maljuste miaj fratoj
Malbenas la teknikon.
Kordiĝis ĉiuj dratoj
Kaj sonas ja muzikon.

---

manon ŝakproblemo, pro kiu estis promesita granda premio. Mi solvis ĝin dum unu vespero, sed, kiel ordinare faras nobla malsaĝulo, rifuzis akcepti la premion. Ĉar el mia malfeliĉo mi ne volis fari profiton. Anstataŭe mi ricevis alian valoran akiron — la konscion, ke fine mi tamen ion kapablas. Kaj jen, post jaro mi jam veturis al unua konkuro en Riga, kie mi akiris du valorajn venkojn. Mi venkis iun poŝtoficiston kaj germanan baronon. Mia nomo aperis en la gazetaro. Kaj tie estis dirite, ke admirindan kapablon vidigis iu *ĝis* nun nekonita kaj juna komunumsekretario, sinjoro Silis. Mirinde, kiel povis estiĝi sur la kamparo tia majstro! Jen! tio estis akiro, kaj mian venĝon mi atingis plenmezure. Oni legu nun! Oni legu tion trans Daugava kaj pripensu, kion kapablas facilkapuloj! Efektive, ĝi estis venko. Mi jubilis. Mi ne penis distingi, kiom da gloro kaj forto, kiom da venĝo-dolĉo estis en tiu ĝojo, sed ili ambaŭ, sendube, freŝigis miajn soifajn lipojn. Poste mian nomon, en rilato kun la venko super la barono, uzis eĉ ĉefartikolisto, notante la triumfon de latva intelekto super la kapo de germano. Do, idsence, mi, he, he, estas unu el la unuaj batalintoj kontraŭ nia grandbienularo, kiu lastatempe devas elteni multe pli seriozajn atakojn . . .

— Mirinde, mirinde, — ekridis patro Vicups en sia mallumo, — mi tute ne sciis, ke ankaŭ vi apartenas ĝiajn malamikojn. Sed . . . sed ĉu fraŭlino Baumgarten eksciis tiam pri viaj venkoj?

— Jes . . . al mi ŝajnas, jes. Kelkaj sciigoj, kiujn mi pri ŝi ricevis, tion konfirmas, aliokaze mi mem zorgus pri tio. Mallonge post miaj sukcesoj ŝi devis edziniĝi al iu . . . iu . . . . ankaŭ, ŝajnas, poŝtoficisto, kio disfalis same neatendite, kiel la unuan fojon. La instruisto skribis al mi pri tio longe kaj tre pike: se duono el tio veras, de tiu neokazinta geedziĝo ŝi havis filon, kiun ŝi nomis Karlo. Tiel efektive estis. En la komunumo tuj ĉiuj iel ekmemoris, ke ankaŭ ilia sekretario foje nomiĝis Karlo.

Sed la venĝo tamen komencis plenumi la esperojn, je ĝi havatajn, kaj mi iom-post-iom ekforgesis mian bonan homon. Kiam poste mi havis okazon pri ŝi informiĝi, mi eksciis, ke ŝi plu ne loĝas ĉe la patro, kaj tiel mi perdis eĉ ŝian loĝlokon. Tamen la netoleremon kontraŭ la virino mi jen ne povis perdi, kaj iafoje, vidante belan knabinon, mi timas, ke ŝi tromplogos min. Kun tia sento mi komencis mian mezepokon, kiu estas en la homa vivo tempo de laboro kaj sukceso sed por mi estis nur soleca kaj enua ponto al maljunaĝo. Nenio estas atingita tiutempe, escepte kelkajn novajn venkojn en turniroj, kiuj tamen plu ne ĝojigis min, sed havigis nur vojaĝmonon al blankaj haroj. La ĉiutagan panon mi ankoraŭ ĉiam perlaboris en kancelario, skribis, transskribis, elskribis, ĝis la dorso kurbiĝis je arko. Ŝanĝiĝis la homoj, kvazaŭ inundo preterondis mian pordon, nur mi restis surloke — kiel ĉiam sola, kaj pli maljuna. Kaj tiam, jen, jam

enkuris la manojn la unua tremo, mi flankenmetis la plumon kaj ekhejmis ĉe mia najbaro. Ĉiumonate li prunteprenis de mi monon, necesis do iri pli malproksimen, por trovi pli da trankvilo.

Sed, kara amiko, kia elreviĝo!

Trankvilo kaj ripozo estis nur en la laboro — tie, post malbela, malvasta kancelario, post tumulto, bruo kaj bagatelaj, kelkfoje eĉ senbezonaj zorgoj. Kaj ĉi tie, en ĝardeno, kie la ĉielo ĉiuflanke — dekstre, maldekstre, supre kaj eĉ en la akvoj — ĉi tie ĝi ne estis. Ĉi tie krom la ĉielo estis nur mi, kaduka, senforta maljunulo, kun mia eteco, kun miaj finvivitaj, de neniu bezonataj tagoj. Ĉi tie mi sentas tion klare kaj hele. Kaj se vi, patro Vicups, iam perkrete desegnis antaŭ viaj lernantoj sur la nigra tabulo diversajn homvivojn, *grafikajn vivoirojn* (mi ne scias, ĉu oni faras tion, kvankam eblas tio tre), min vi devus desegni malnova brandbotelo, kie la tuta vivo jam iris en la mallarĝan faŭkon, pli ĝuste kiel altan triangulon, kie ĉebaze Riga, kantoj, ŝako kaj mia junaĝo, sed la flanklinioj proksimiĝas ĉiam, ĉiam pli, tiel, ke ili ŝajnas jam kunfluintaj, antaŭ ol ili atingis pinton — la morton. Tiu, jen, estas la sento, ke vi komencas malaperi disnebuliĝi jam antaŭ via morto. Ĝi envolvis min, kvazaŭ nebulo, kaŝante la serenon de mia sunsubiro. Nur antaŭ unu jaro ankoraŭ tio estis. Sed tiam mi surmetis miajn malnovajn okulvitrojn kaj ekrigardis returne per vera okulo de esploristo — tien, kie mi supozis trovi nur dezerton. Kaj kion mi tie ekvidis, patro Vicups! Estis tie rozoj kaj jubilado kaj amo kaj entuziasmo kaj ĝojo. Vere, ĉio ĉi estis abrupta kaj nefinita. La disaj kolormakuloj kuŝis ĥaose senorde. Mi rigardis ilin tra jaroj, kaj tiam mi komencis ilin ordigi antaŭ la okuloj kun tiu rutina volo, kiu ordigis la figurojn de mia kontraŭulo, dum mi sola ludis. Kaj mirinde! ĉio kuŝiĝis laŭ mia deziro, makulo al makulo, kunteksiĝante je ia nedeĉifrebla skribo. Sed mi deĉifris ĝin. Kaj kion mi tie legis, amiko mia? Levu vin kaj iru! — estis tie, kvazaŭ en la sankta skribo, kaj levis min, mi vestis la piedojn kaj ekiris mian vojon.

Unue mi iris trans Daugava al mia malnova komunumo, por ekscii, kie loĝas mia bona homo. Tion ekscii plu ne estis facile. Mi ne renkontis eĉ unu el ŝiaj proksimuloj. Ŝia patro estis mortinta antaŭ jaroj dek, la ceteraj disvagis ĉiudirekte. Sed Minna Baumgarten? — mi demandis. Oni ne sciis precize, eble ankaŭ ŝi mortis. Tamen ilia antaŭa servistino, kiun mi trovis, sciis tiom, ke Minna jam delonge vivadas en komunumo N.; tie ŝi per la resto de l' patra havaĵo starigis malgrandan butikon kaj vivadas laŭ sia eblo, sed ŝia filo estas mortinta.

— Jes, ŝi loĝas ĉi tie jam jarojn dekkvin... Sed plue, plue...

— Kion ja plue... Ĉio estas finita. Ĉi tiun printempon mi iumatene iris al ŝi, en la vendejon. Post la vendotablo sidis grizhara sinjorino kaj literumis kalendaron. Ĉu ŝi? Jes, verŝajne. Do tamen. Ektremis la maljunaj ostoj.

»Bonan matenon«, mi diris.

Ŝi levis la kapon.

»Bonan matenon, kion deziras la paĉjo?«

Ne konis ŝi min. Sed aŭskultis la voĉon kaj ekatentis.

»Patro Silis!« ŝi ekkriis duondemande kaj kunfrapis la manojn. Kaj fariĝis tuj tiel ĝoja.

»Jes, mi venis pro ia malnova afero.«

»Tio estas bona, tio estas bona.«

Ŝi kondukis min plue, en la ĉambrojn, demandadis, ĉu suno ne bruligas? ĉu mi ne estas laca? ĉu mi ne soifas?

Kvazaŭ jam hieraŭ ni estus renkontiĝintaj.

»Ne, dankon. Bona irado estis ĉimatene.«

Ŝi sidigis min sur divanon. Iam mi estis sur ĝi jam sidinta. La maljunulino, nenion alian trovante, komencis semadi ĉe la malfermita fenestro panerojn al al kokinoj:

»Al mi du kaproj, kvar paroj da kokinoj ...«

»Bonete.«

»Bonete. Iom mi sarkadas la bedojn, iom vendadas kovertojn, tago finita.«

Kiom longe tiel paroli? Mi apogis la manojn sur genuoj, tute aferece, kaj mia seriozo liberigis ŝin de intence serĉitaj zorgetoj. Tuta ŝia estaĵo transformiĝis en demandon.

»Mi venis, por repreni mian partion.«

Ekestis solena silento. Sed mi ne povas diri, ke mia deklaro ŝin surprizis. Ŝi komprenis tuj. Kvazaŭ ĉio devus tiel esti.

»Bone,« ŝi diris post momento. Kaj tiu respondo sonis same aferece. Tiam ŝi eliris en la vendejon.

Kio? Ĉu do ŝi efektive intencas ludi? Jes, ŝi revenis kun la solaj ŝakfiguroj, kiuj estis en la vendejo, kaj la ludo komenciĝis.

— Tio ja estas tro! — ekkriis patro Vicups.

— Ne, tiam ankaŭ mi komprenis, ke tiel devas esti. Kaj se estis io malbona, pri kio vi parolas, do nur tio, ke ankaŭ ĉi tiun partion mi apenaŭ ne malvenkis. Ĉu mia ekscito, aŭ simple ŝia bona ludado — eĉ nun ankoraŭ mi dubas, ĉu ŝi ne ekzercadis sin dum la tuta vivo apud mi por ia decida turniro — sed mi devis multe peni, por savi la ludon. Kiam mi fine diris »mat«, miaj fingroj tremis.

»Mi estas venkinta.«

Humile ŝi klinis la kapon — —

— — — — — — — — — — — —

— Jes, — longe elspiras patro Vicups, kaj tiu estas la sola vorto, kiun li ĉi-vespere eligas trans la lipon.

Mi ripetas, ke nun li neniakaze povas rifuzi al mi la duan ĉambron, ĉar »enedziĝi« en ŝian hejmon ne estus al mi agrable; sed la maljuna mastro ne res-

## La kameno

— M. Strümpfel —

La plug' printempa haltas ĉe l' kamp-lino.
Nun la okuloj serĉas la bienon
Kaj vidas, kn la fumo la kamenon
Forlasas ekflugante por pilgrimo.

Vintre, ĉe l' forno, sidis en intimo
La familio kaj la tag-ĉagrenon
Forigis, kvietigis la mienon
La praa, pia famili-kutimo.

La hejma grilo ĉirpis, la lamplumo
Briletis kun afabla palpebrumo,
La vent' nur lule zumis tra l' tegmento,

Krakete brulis ligno, siblis karbo,
De l' domo altenkreskis nigra arbo,
Etendis branĉojn al la firmamento.

# Raja—Mano

— H. D. Nomberg —

La lando de la kvin riveroj, kie la suno tiel arde brulas super la kapoj kaj la lotus-floro ĝermas, estis benita per profetoj, kiujn oni donacis al la popolo por ĝin instrui kaj esti ĝiaj helpantoj kaj gvidantoj sur la dornaj vojoj de la vivo kaj tra la mallumaj pordegoj de la morto. Kun konfido la koroj de la popolo rilatis al la diroj de la profetoj; 'iliaj nomoj estis konataj en la lando, kaj unu bondeziro estis ĉe ĉiu patrino: »Dio donu profeton el via ventro«.

Ĉar la popolo de tiu ĉi lando kaj tute aparte la tribo, kiu loĝis ĉe la bordoj de la sankta Gango, en la tumulto de la vivo ne forgesis sian praan devenon ĉar tion oni transdonis de patroj al idoj, de generacio al generacio. La malnova tradicio rakontis pri nobla ideala raso, kiu originas de la dioj mem kaj estas sendita sur la tristan teron por pentsuferi pro siaj pekoj. Tial tono de funebro ĉiam sonis en ilia animo, kaj ilia koro estis malfermita kaj atentoplena por spiritaĵo kaj aferoj spiritaĵaj. La laboron ili'ne amis kaj ilia vivo ne povis esti plenigita de tio, kion homo faras por sin vivteni; ili amis la mallaboron, la nenio-faradon, la pensadon kaj revadon, la longan kuŝadon sur la herbo, sopire gapi en la'profundon de la ĉielo kaj en la abismon de la propra animo. Oni tiam an-koraŭ ne sciis pri opio, kio narkotas kaj teksas sorĉajn voluptemajn fantaziojn, tial la homoj sin turnis al la vivanta vorto, kio estis en la buŝo de la profetoj, kio ilin vekis kaj entuziasmigis.

Du specoj de profetoj estis: profetoj de mal-ĝojo kaj profetoj de rido kaj ambaŭ anoncis unu instruon.

Brulfajro estas la mondo, ĉiu deziro de via koro estas kiel pajlo sur fajro kaj ĉiu volo — nova flamo konsumanta. Ĉar deziro naskas deziron kaj volo volon. Kaj la brulego estas granda senfino. Kial la homo turmentas sin por kontentigi sian koron kaj la koro neniam kontentiĝas kaj la spirito neniam iĝas sata. Malgranda fajrero en via koro estas la volo al la vivo kaj vi ĝin disblovis, kaj nun vidu, ĝi 'flagras kaj vi staras meze de la flamoj kaj vi ne alportis akvon por estingi, sed lignon kaj pajlon vi almetis.

Tiele la profetoj instruis kaj la popolo aŭskultis kaj prenis la dirojn al la koro.

Kiam profeto de malĝojo parolis, lia voĉo estis mola kaj trema kaj fluis kun multe da kompato kaj simile al la tonoj de harpo tranaĝantaj la malluman nokton de ie malproksime; tiel la diroj de la profeto ensorbiĝis en la korojn, karesis kaj kuracis. Homoj aŭdis kaj ilia koro konsciiĝis pri ilia sorto, pri ilia turmento, kiu neniam ĉesas. Kaj kiam la profeto de rido parolis, lia voĉo estis klara, pura kaj disfana; tiel pura, kiel la voĉo de arĝenta sonorilego. Ne insultis li, sed primokis la pekajn stultaĵojn de la mondo; fadeno post fadeno li dismetis la reton, kiun la fantazio elteksis ĉirkaŭ la homa spirito, por lin impliki kaj kapti en diversaj manieroj per peno kaj klopodo. Homoj aŭskultis kaj la vortoj ilin vigligis kaj freŝigis.

Ĉiu profeto, jam en la interno de sia patrino, estis destinita por sankta misio. Oni heroldis tion al la patrino, kiam ŝi apenaŭ gravediĝis, kaj kiam la infano eliris el la patrina interno, ĝi tuj ekstaris sur la piedojn, faris sep paŝojn antaŭen, returniĝis kaj faris ankoraŭ tri paŝojn, kliniĝante antaŭ la kunven-intoj. Kaj oni atentis: se montriĝis sulko sur ĝia frunto, li elkreskos profeto de malĝojo; se montriĝis rideto sur ĝiaj lipoj, oni sciis, ke profeto de rido li estas.

Sur la bordo de la sankta Gango tiutempe staris malnova domego: la temploj de la Dio de malĝojo kaj de la Dio de rido. En la templon de malĝojo oni eniris per la kontinento. Kiu sanktigis sian animon kaj korpon laŭleĝe, tiun la pastroj enkondukis, demetis la vualon de la sankta vizaĝo, kaj la homo vidis malĝojan vizaĝon, okulojn plenajn de aflikto, kaj frunton sur kiu ripozis peza nubo de purgatoria peneco.

Sed al la Dio de rido oni alvenis per la akvo. Unue, la homo devis mem alveni per ŝipeto tra la ondoj, kiuj en tiu loko forte plaŭdis. Li devis el-montri malŝaton al la morto, kaj kiam li pace trais la vojon, li indis vidi la sanktan figuron de Dio de rido kun liaj profundaj bonaj okuloj, kun la du faltoj ĉe ambaŭ flankoj de la buŝo, kun la multaj sulkoj de frunto, kiuj rakontis pri malĝojo pasinta, pri vivo kaj peneco, kiu estas venkita, pri montoj ebenigitaj kaj pri abismoj plenplenigitaj per cindro de koro, kiu sin mem konsumas.

Kiam la profeto de malĝojo elkreskis, lia vojo kondukis lin al Dio lia; kaj profeto de rido devis venki la grandan tenton, ĝis li sanktiĝis por la Dio de rido.

Sed ve al la profeto de rido, kiu iam dum la vivo vidis la Dion de malĝojo, kiam la vizaĝo de la fremda Dio malkaŝiĝis al li. Granda estis lia peko rilate sian spiriton, tiu peko neniam povis esti forlavita.

Vagulo li devis esti sur la tero kaj insultita kaj izolita de ĉiuj mondoj.

Ĉiuj tion sciis.

II.

Kiam la patrino de Raja-Mano, pia virino kaj riĉa je bonaj ecoj, gravediĝis je li, venis al ŝi dia homo por heroldi al ŝi, ke profeto estas en ŝia ventro.

Kaj la dia homo diris: malgrandan nubeton mi vidas suriri sur vian klaran ĉielon, kaj nigran makulon mi vidas sur via feliĉo ripozi, vi pia virino kaj riĉa je bonaj ecoj; sed ĝian signifon mi ne scias. Kaj ŝi naskis filon, kaj la infano faris sep paŝojn antaŭen kaj tri reen, klinis sin kaj sulko montriĝis sur lia frunto. Ĉiuj tiam sciis, ke profeto de malĝojo naskiĝis.

Sed ĉiuj miris. Sur la lipoj de la naskito samtempe montriĝis malgranda rideto apenaŭ rimarkebla.

---

pondas eĉ vorton. Mi sentas, ke li havas ion por riproĉi, sed ke li tion ne deziras, kaj tial silentas. Al mi fariĝas peze, kaj mi diras:

— Amiko, ne pensu, ke mi faras tion pro ia granda amo — kion do ni maljunaj homoj, plu povas amadi! — sed ja necesas doni sencon al la vivo. Komprenu, sencon al la vivo necesas doni.

Li ĝemspiras, leviĝas de la seĝo, adiaŭante li tamen premas mian manon pli forte, ol aliajn vesperojn.

Sed matene li iras tra sia mastrumo kaj vokadas ĉiujn estaĵojn laŭnome. Kondukas min al barajo kaj montras flavgrizan beston:

— Tiun porkon mi donos por la geedziĝo.

El la latva: *N. Kurzens.*

Kiam la infano ĉesigis la suĉadon, la patrino lin alportis al la Dio de malĝojo, donis oferojn laŭ la leĝoj, kaj la knabo Raja-Mano edukiĝis per la profetoj kaj pastroj por esti profeto de malĝojo. Kun la tempo oni ekrimarkis ĉe la infano strangaĵojn, okazis, ke genuante antaŭ la sankta vizaĝo de sia Dio, kiam liaj okuloj estis malfermitaj por ensorbi en sin la triston, kiu verŝiĝis el la diaj okuloj, kaj kiam sankto ripozis sur la vizaĝo de la infano, subite liaj lipoj ektremis kaj kvazaŭ subtila rideto sur ili trakuris.

Tio neniam ankoraŭ okazis kaj en la sanktaj libroj io simila ne estis menciita.

Oni do sendis voki lian patrinon kaj ŝin demandis: Vi, pia virino, riĉa je bonaj ecoj, patrino de la profeto! diru! ĉu vi ne estis en la templo de Dio de rido, troviĝanta sur tiu ĉi flanko de la rivero?

Car ni ne scias, kio okazis al via filo; li alportos por la idoj de la tero aŭ grandan feliĉon, aŭ grandan malfeliĉon.

Kaj ŝi je tio respondis: Ne. En la templo de Dio de rido mi ne estis, sed dia homo heroldis al mi, ke mi naskos profeton, kaj aldonis: »mi vidas nigran makulon sur via feliĉo«.

La pastroj aŭdis, balancis la kapojn kaj kun ega klopodo rigardis la elkreskantan profeton.

Ili ne permesis al li eliri eksteren kaj ordonis al ĉiu kunparolanto de la infano, ne mencii antaŭ ĝi la nomon de la Dio de rido, ke ĝi ne sciu pri la dia figuro staranta vizaĝe al la bruantaj ondoj.

Tiel la infano edukiĝis izola kaj kaŝita de la mondo, sola kun la sanktaj libroj, kaj li edukis sian koron per la doloro de ĉiuj mondoj, per la granda malĝojo, kiu estas en ĉio viva kaj en ĉio morta kaj lia voĉo iĝis de tago al tago pli diafana, kaj ĝi verŝis sin treme kiel la tonoj de harpo, kiuj naĝas tra la malluma nokto de ie malproksime.

Sed ripozon li ne trovis, la juna profeto. Okazis, ke li enprofundiĝis en pensojn kaj lin regis la granda tristo de la mondo kaj lia animo fandiĝis en molaj blankaj tonoj kaj la Dispirito de malĝojo komencis sur li ripozi kaj lumis de lia sufera vizaĝo; subite ektremis en lia koro ia fremda kordo, ŝajnis al li, ke ie li rimarkis ridantajn okulojn, mokantan vizaĝon kaj ian fremdan mondon. Kie li vidis la okulojn? Kiam li vivis en tiu mondo? Kaj kion signifas la antaŭsento de lia koro? Kaj de kie li venis? Kion li ĉi tie faras kaj serĉas?

Mallongan tempon li tiel pensis, sed la trankvilo el lia koro malaperis por tutaj tagoj kaj semajnoj.

Kaj kelkfoje granda subita ektimo interrompis lian dormon nokte; lia koro forte batis. La Dion de rido li vidis sonĝe, kaj li ektimis antaŭ lia vizaĝo. Lia koro tamen tiriĝis al Li, kaj lia animo je Li sopiris.

Unufoje, dum nokto, kiam li vekiĝis, estis tiel granda lia timo, ke li vekis la estron de la pastroj konfidante al li ĉion el sia koro:

— Enprofundiĝinta en pensoj de granda malĝojo, mi endormiĝis — li rakontis — sed sonĝe mi vidis grizulon, tiel trankvila li estis, mokema kaj ridoplena... kaj rigardis min per siaj okuloj...

— Kiaj okuloj estis tiuj — demandis la maljuna diservanto.

— Bonaj, profundaj, pacoplenaj kaj trankvilaj... kaj ironio, tiel granda ironio kuŝis en ili... kaj sur la lipoj rido... tia rido, kiu emocias la homon... Mi timas, sanktulo! Malbona spirito turmentas min, helpu al mi, dia viro.

## *Kampara nokto*

*— Hendrik Adamson —*

Pasas la nokto per kata pied'
Kaj per flugil' de vesperto,
Frotas la fingrojn, ŝutas ĝis ted'
Sablon al ĉiu fenestro.

Tempon tiktake pecigas horloĝ',
Tinte, martele frapetas,
Lulas, dormigas, kaj vekas per voĉ'
Ĉiam ripetas, ripetas.

Cirkaŭvagadas la sonĝo-vulpar',
Hundoj ripozon nun ĝuas,
Movas piedojn en sonĝa ekflar',
Dorm' la palpebrojn kungluas.

Ĉirpas trilante la grilo en trist',
Blatoj susuras dum kuro,
Kapon grizharan la forno-hejtist'
Dorme apogis al muro.

Ronkas. Subite moviĝas la gren',
Stangoj grincadas, knaraĉas;
Vekas l' oldulon; jen kia ĉagren':
Ruĝa porkido ĝin maĉas.

Bone li celas, ĝin trafas per bat'
Guste en mezo de l' verto.
Pasas la nokt' per piedo de kat'
Kaj per flugil' de vesperto.

---

La maljunulo leviĝis el sia kuŝejo meznokte, alkondukis la knabon al la fajro, kiun li bruligis kaj longe esploris lian vizaĝon, ĝis li rimarkis du etajn maldikajn ridofaltojn ĉe ambaŭ flankoj de lia buŝo.

»Terure«!, li pensis en si, sed al la knabo li nenion diris; nek lin konsolis, nek eĉ provis kvietigi lian timegon.

III.

Foje, troviĝis Raja-Mano sola dum tago inter la nudaj kvar muroj de la templo kaj klinis la orelon por aŭdi, kiel la ondoj muĝas ekstere. Ŝajnis, ke ekstere okazas grava afero; boatoj venas kaj foriras; li ŝajne aŭdis remadon de mutaj ŝipetoj kaj paŝojn de homoj elsaltantaj el la akvo sur malmolan marmoran muron. Lia maljuna instruisto tiun tagon estis ĉagrena, kaj kun granda klopodo li rigardis la knabon.

»Hodiaŭ io okazos« li pensis, sed al la maljunulo li nenion diris kaj pri nenio demandis.

De tiu nokto iliaj koroj fremdiĝis al si. La juna profeto plu nenion eldiris pri tio, kio kuŝas sur lia animo, kaj ankaŭ la maljunulo neniam plu interparolis tiel konfide kun li, kiel antaŭe; nek kisis lin kiel iam, nek karesis liajn buklojn per sia trema olda mano, kaj hodiaŭ ili staris pli fremdaj, ankoraŭ pli malproksimaj unu de alia.

Kaj nokte la dormo de Raja-Mano estis ĝenata, li streĉis sian aŭdpovon por aŭskulti atente ĉiun sonon, ĉiun plej malgrandan moveton de ekstere. Dum la tempo, dum kiu li ĉi tie edukiĝis kaj estis sola inter la kvar muroj kun sia propra spirito kaj kun la sanktaj libroj — liaj oreloj delikatiĝis ĝis percepto de la plej eta eho de malproksime, malgraŭ la dikeco de la muroj. Kaj li havis la impreson, ke la popolo ekstere preĝas ekstaze al Dio, kiun li nek scias nek konas. Kaj

ĉirkaŭ noktmezo silentiĝis la bruo kaj al Raja-Mano ŝajnis, ke li vidas, kiel granda amaso genuas preĝante mallaŭte. Kaj, post la silento, tonoj de sankta kanto vibris en la aero. Unufoje en la jaro tia diservo estis celebrata ĉi tie al la Dio de malĝojo, kaj ankaŭ tiam oni genuis ĝis noktmezo kaj poste kantoj interrompis la silenton. Sed tute aliaj estis la kantadoj, kiujn li nun aŭdis. De aliaj maroj ili venis kaj al aliaj maroj ili fluis. Tio ne estis tiuj kantadoj kun la longaj tonoj, la rektaj kaj malelastaj, kiuj kvazaŭ rigidiĝis en siaj limoj.

Nun ili amuzis, kuris kaj pelis unu l' alian, implikiĝis kaj disvolviĝis en dancon de petola bonhumoro, stelo al stelo okulumis kaj la suno al la luno; ridis en la novaj melodioj.

Kaj la juna profeto almetis sian orelon al la muro, kaj lia spirito soife trinkis la novajn kantojn. Ebriigon ili posedis, kio distris kaj forpelis la egan triston, penetrante en la spiriton, en ĉiun apartan poron de la animo, ĝin dismembrigante kaj malbonigante. Sed dolĉa estis la veneno! Ĥon de novaj mondoj tio kunportis kun si, konsolon kaj bonan promeson por la detruado, kiun ĝi faras. Tiel Raja-Mano staris dum la tuta nokto, aŭskultante senĉese.

Ĉirkaŭ frumateno, kiam la ĉielo komencis oriente blankiĝi, la kantadoj ĉesis, kaj peza silento kuŝiĝis sur ĉion ĉirkaŭe. Tiam granda timego atakis la infanon. Sola li restis kun sia detruita animo, li eksplodis per plorego, kaj la belajn buklojn de sia kapo li ŝiris per siaj manoj pro la granda doloro.

— Kio estas al vi? la maljunulo demandis ektimigita.

— Mi aŭdis, mi aŭskultis — li balbutis — dum la tuta nokto. Festo estis ekstere, festo de Dio, kiun mi ne konas... Mia koro sentas angoron, mia animo — detruita; diru, maljunulo, diru al mi, kion tio signifas, kion mi aŭdis, ĉar mia timo estas ega kaj mi mortos de teruro.

— Kion vi aŭdis? demandis ankoraŭfoje la maljunulo.

— Kantadojn mi aŭdis, sanktajn kantojn al fremda Dio...

— Kiajn kantadojn?

— Ili ridis, mokis, ŝercis kaj implikiĝis en sovaĝan dancon, kaj profunde en la animon ili penetris, por ĝin detrui kaj denove rekonstrui kaj mi aŭskultis, la tutan nokton aŭskultis kaj ilia sorĉo min logis. Kaj ŝajnis al mi, ke tuta svarmo da blankaj kolomboj kaj tutaj amasoj da nigraj kornikoj flugas, turniĝas super mia kapo dum la tuta nokto ĝis frumatene... Nun mi restis mizera, izola, sola, ne forlasu min, patro mia!

Sed la maljunulo per nenio respondis, ne konsolis lin, kaj ne parolis al lia koro por kvietigi lian timon. Li silentis balancante la grizan kapon.

Kaj Raja-Mano falis al liaj piedoj, kisis la polvon de la maljunulo plorante kaj petante:

— Ne forlasu min, maljunulo. Vidu: mia juna koro ne povas elteni la egan pezon de sopiro. Vidu: mia timo konsumas min de tago al tago, kaj vi forigis de mi vian konsolon, kaj de semajnoj viaj sekaj lipoj min ne plu kisis, kaj viaj malgrandaj fingroj delonge jam ne karesis la harojn de mia kapo. Granda estas mia doloro kaj mi ne vidas eliron. Kaj ekstere tie estas alia mondo, aliaj kantadoj. Kial vi kaŝas antaŭ mi la novan mondon? Kian sekreton vi kaŝas, maljunulo, en via koro antaŭ mi? Helpu al mi, sankta patro; helpu! diru!

La maljunulo silente lin aŭskultis, surmetis siajn manojn sur la bruston kaj respondis: Mi al vi nenion povas diri, mia infano. Granda danĝero ŝvebas super via juna kapo kaj mi ne povas helpi.

## IV.

Kaj alvenis la tempo kiam Raja-Mano plu ne povis superregi sian sopirantan koron. Nokte li silente forlasis la kvar murojn kaj forŝteliĝis eksteren, kaŝante sin kvazaŭ krimulo.

Per plena brusto li enspiris la freŝan aeron, kaj siajn okulojn li levis al la profunda lazuro de la ĉielo, al la amaso de grandaj kaj malgrandaj steloj, kaj al la nebulaj makuloj de la laktvojo en la ĉielo. Li ilin vidis, sed lia spirito ilin ne perceptis kaj ne enteksis ilin en la internon de sia animo.

Fremda, izola kaj ne ligita nun fariĝis al li ĉio en la mondo, de kiam la vermo de dubo komencis boreti lian koron. Dum la tuta nokto li iris tien kaj reen laŭlonge de la bordo de la sankta rivero Gango kaj tiuj fremdaj kantadoj sonoris en lia animo. Kaj ĉe la unua eklumo de la aŭroro, li ekvidis la templon, kies malfermita pordo estis direktata al la akvo, kaj li komprenis, ke tie estas la loĝejo de la fremda Dio.

Kaj la sekvantan nokton li sin lasis kun ŝipeto sur la muĝantajn ondojn kaj pace revenis al la pordo. Kun tremanta mano li deprenis la vualon de la sankta vizaĝo, kaj antaŭ liaj okuloj malkaŝiĝis la Dio de rido, staranta trankvile kaj rigardante la infanon per siaj ridantaj okuloj. Grandan ravon la juna profeto ĝuis kaj li falis sur la genuojn ĉirkaŭprenante per siaj manoj la piedojn de la sankta Dio. Guste tion li ja serĉis tiel longe, tiu vizaĝo vidiĝis al li en songo! Kaj kiel homo, al kiu oni deprenis la haŭtkovron de liaj okuloj, por ke li povu vidi la helan mondon, tiel al Raja-Mano nun suriris nova lumo kaj nova mondo. En la sankta vizaĝo, en la sulkoj de ties frunto estis koncentrita la tuta doloro de la mondo, la granda tristego, sed ili aliiĝis en ridon. La sufero de la mondo




D. Bartoŝik *Ekslibriso*

# Poemoj de Betti Alver

El la estona: *Hilda Dresen*

## Malvirtoj

Ĉu nin, sun' maljuna, duonbrula
ne embuskas saecula obscura?
Viajn idojn gajajn oni punas,
vinon teren verŝas, ne konsumas,
or-brodaĵojn templajn disŝiradas,
mensojn brokantistajn laŭde flatas,
odojn brul-ekstermas pro herezo,
rompas art-trezorojn kun frenezo, —
sciu: ĉio granda kaj matura
mok-nomiĝas nun: malvirt' terura.

En ĉi mond' komplika ĉu do strangas,
ke neniam la mallaŭdoj mankas.
Peka ŝajnas danc', se boto premas,
spicojn pro katar' ni abomenas,
aĉas violon' pro fingroj kalaj,
kaj pentraĵ' pro okulvitroj palaj,
glavon tondilaĉ' rikane mokas,
juno la megeron aĝan ŝokas,
se al ni miel' kaj pipro samas,
guston artan ni malvirt' proklamas.

Bone! Restu de la art' ruinoj,
iru en bordelojn vestalinoj,
rube en la fajro brul-pereu
temploj, belo, — ilin nun ekneu,
alispecajn rozojn, palmojn semu,
kantoj novaj pri alio temu —
sed ja sciu: penso senkapabla
eĉ la paradizon trovas sabla,
dum spirit' libera kaj kuraĝa
perlojn trovas en malvirt' plej aĉa.

## Fera ĉielo

Jen mi ekvidis lokon, ĝin mortema hom'
neniam vidis: ĉiel' de l' kondamnitoj.
Ho, sciu, malbenito, tiu region'
ne povos doni savon al spiritoj.
Ja regas tie ripetiĝ'. Pro suna brul'
ne velkas tie foliar' rigida,
kaj iĝas perfektega ĉio — ho, terur'!
pri kio revis penso preterglita.

Ja tiujn marojn vitrajn ne ondigas ŝtorm',
la vinberujoj ŝtonaj ĉiam sanas,
nur la eterna kaj neŝanĝiĝema form',
ĝi ĉiam por rigardo via samas.
Animo via fera, plore plendas pri
ĉi prema riĉ', fariĝas pli humila
kaj revas, ke ĝi ree tremu de pasi'
kaj sentu vibron de l' malfort' flugila.

## Solvo

Mi sur alta rok' granita
en aŭtuna vento staris,
nigris kor' pro malesper'.
Kio estis do gajnita?
Ĉu kapabla vi aŭ male,
ĉion vi ja vane faris —
mondon regas efemer'!

Sed respondis rok' deklare:
Se bruliĝas vin la suno
kaj heligas troa lumo,
sed malvarma restas koro, —
se vin ondoj daŭre batas
kaj vi ŝtone silentadas:
eternecon gajnis vi!

Jen leporo kun graci'
antaŭ mi sin salte movas.
Sed jam aglo ĝin ekvidis,
kaj disŝiri ekrapidis.
Mi ekvokis: Ĉu ne trovas
ni plu juston sur la ter'?

Sed la aglo de l' aer'
kriis: Alta ŝajnas monto,
rigardate de la val'.
Sed ĝi estas nur splitar'
por spirit' de l' vasta mondo,
kiu ĝin de l' alt' rigardas.
Nur al hom' rampanta verme
la malbon' kaj bon' apartas —
portas en la kor' interne
proprajn leĝojn la fortul'.

Pligrandiĝis la terur'
en la kor': en vento kruda
rozarbusto staris nuda.
Ankaŭ mi en flor-ornam'
iam kun ebri' burĝonis
plene en la floroj dronis.
Sed nun ĉio pasis jam,
kaj mi scias, ke ĉisire
ni ne plu retrovos nin.

Rozarbust' alflustris min:
Tio estas sen signif':
plenas fontoj de la viv'.
Se vi kiel mi trankvile
de l' velkaj' vin liberigos,
firme al la ter' vin ligos —
tiam, malgraŭ apati',
ree verdi devos vi!

---

elridis el la okuloj, la granda doloro kaj la granda malĝojo. La tuta terglobo kun sia reto de diverseco transformiĝis en ridon. Tiel Raja-Mano staris la tutan nokton kaj soife trinkis la ridon, kiu fluis el la diaj okuloj ŝanĝante lian koron.

Ĉiun nokton li venis por sole servi al sia nova Dio, por trinki el lia profunda fonto kaj lia spirito ne saturiĝis trinkante.

En unu nokto okazis stranga afero: Raja-Mano genuis antaŭ sia Dio kun laŭdo kaj kanto, kaj per sia korpo kaj animo li aliĝis al Li, sentis sin tirlogata al Li simile kiel fero altirata de magneto. Li kisis la sanktan bildon kaj ĉirkaŭvolvis la manojn ĉirkaŭ li, kaj liaj manoj sentis, ke sur la kontraŭa flanko la bildo estas la sama. Malrapide li ĉirkaŭiris haltante ĉe la alia flanko kaj ekvidis — la konatan vizaĝon de Dio de malĝojo. Terure estis vidi: unu korpo estis kun du vizaĝoj kaj ambaŭ vizaĝoj estis egalaj: unu aspekto, unu elrigardo, sed tie ĉi la vizaĝo ridis kaj tie malĝojis.

Kaj Raja-Mano vidis, kion neniu profeto kaj neniu sanktulo vidis ĝis nun: li vidis la duoblan spiriton, la duobligitan formon: la ridadon kaj la funebradon, kiuj fluas el la fonto de unu unika Dio.

Sed de tiam Raja-Mano ekvaguliĝis en la mondo kaj lia spirito ne sciis plu pri ripozo.

Profeto li estis kaj por profeto li sanktuliĝis ankoraŭ de la tempo antaŭnaska, sed la popolo lin ne

# Knabeto kaj liaj gepatroj

— *André Birabeau* —

Tiun etulon mi ekkonis iun matenon, en la ĝardeno.

Li estis iom malpli alta ol la evonim-heĝo, iom pli alta ol la hortensi-poto: do juna sinjoro ĉirkaŭ sesjara. Li estis vestita kvazaŭ maljuna anglo, t. e. li havis »golf«-kostumon. Sed tiu vesto — kiu eĉ al viroj faras anatomion tiom strangan, donante al ili neverŝajnajn ŝultrojn kaj fiksante iliajn genuojn proksimume ĉe la tibikarno — ĝuste tre malbone taŭgis por la aspekto de la etulo. El la mezo de tiu sporta aranĝo, sub larĝega kaskedo ĉion kovranta ĝis la orelloboj, elaperis malgrasa vizaĝeto kun du belegaj kaj malgajaj nigraj okuloj — okuloj emaj atenti pri libro aŭ restadi senmovaj por fiksi en la malpleno oni ne scias kian sonĝatan spektaklon.

Li promenis en la ĝardeno, malrapide, kun la manoj en la poŝoj de sia pufa pantalono, kun la viziero de la kaskedo direktita al la tero, malvigle piedpuŝante la gruzerojn de la aleo. Trovante min subite antaŭ si, li estis surprizita. Mi estis tie, en la ombro de la piosporo[1]) inter la oranĝarbo kaj la rozujoj — kio estus la centro de la parfumoj, se neoportuna najbaro ne estus bruliganta ĝuste en la sama momento malbonajn herbojn (Ve! la plej puraj vesperoj estas difektitaj de gramofonoj, kaj la plej belaj ĝardenoj — de ĝardenistoj). Vidante min, li haltis.

— Bonan tagon, mi diris kun rideto.

Li respondis per »bonan tagon«, tiom apenaŭ murmurata, ke mi ĝin ne aŭdis, kaj tuj li foriris ĝis la alia flanko de la ĝardeno, rigardante min nur duonobserve.

La sekvintajn tagojn li ne moviĝis de tiu loko, ne plu venis en mia direkto. Mi ekvidis lin, kiam mi venis al mia preferata loko. Li sidis ĉe la piedo de la eŭkalipto, en la polvo, kaj ludis. Ludis? Ekzistas infanoj, kiuj nur afektas ludi.

Luante al mi tiun domon, la posedantino diris

[1]) *Piosporo* = planto.

(eble pro resto de burĝa fiero, kompatindaj burĝoj!):

— La domo estas tro granda por mi... Miaj infanoj ĉi tien venas nur tre malofte... Ĉiuokaze, neniam en ĉi sezono... tiel ke mi fine enuas.

Ŝi do decidis lui. Ŝi loĝos la pavilonon en la fundo de la ĝardeno.

— Sed mi neniel ĝenos vin... Vi eĉ ne konscios mian ĉeeston... La tutan ĝardenon vi ĝuos.

Fakte, ŝi estis ekstreme diskreta, kaj ne multe moviĝis de tiu loko, kie la ĝardeno iĝis porlegoma. Ŝi estis virino eta, iom diketa, kun malviglaj kruroj. Ŝi metis sian fotelon — unu el tiuj salikaj foteloj, kiajn vendas la nomadaj ciganoj — sur la terason antaŭ la pavilono, apud la puto; kaj tie restadis movante la manojn: kiam ŝi ne trikis, ŝi erumis rozarion, kio igis ŝin kvazaŭ ankoraŭ trikanta. Ŝia vizaĝo estis plena de sulkoj, de la frunto ĝis la mentono, kaj vidinte ĝin mi pensis al unu el tiaj paperpecoj — ekz. koverto hazarde trovita — sur kies ĉiuj partoj oni trastreke skribaĉas notojn. Jes, tiuj sulkoj estis krajonaĵoj de memornoto. Nedetalaj sed legeblaj. Tie oni deĉifris: »filo militviktimo, edzo mortinta, filino forgesema«, apud aliaj notoj, malpli klaraj por fremda observanto.

Tiu knabeto estis ŝia nepo. Kaj ankaŭ li estis unu el ŝiaj sulkoj.

Kial li estis alveninta al sia avino, subite, tute sola, sen siaj gepatroj, tion mi baldaŭ sciis, malgraŭvole, mi povas aserti. En la sudo, la paroloj estas kiel muŝoj: oni ne scias, de kie ili venas; ili ŝajnas kvazaŭ spontane naskiĝi, ĉirkaŭas vin, kaj zumas, zumas, ĉien penetras, metas sin sur vin kaj vin pikas. Kiam la virino, kiu min servis, malfermis la pordon de la manĝoĉambro, kun ŝi ĉiam eniris kelkaj; kaj kiam mi haltis apud la ĝardenisto, tuj aro nin ĉirkaŭis.

Tiel mi eksciis, kiel ĉi tie estas la eta Kristian: liaj gepatroj estas en malliberejo.

Jes, ambaŭ, lia patro kaj lia patrino. Unue la patro. Li estis aferagento. Kutime li foriris al sia

---

konis, ne honoris, kaj ne ĉerpis el lia spirito.

Okazas, ke Raja-Mano, predikante al la popolo, per la vizaĝo ridas kaj per la lerta lango mokindigas la tutan penon kaj klopodon de la homoj kaj Dioj de ĉiuj tempoj. Lia voĉo sonas kiel la tono de arĝenta sonorileto kaj la doloro ridas kaj la sufero ironias.

Sed interdume aŭdiĝas eho de granda tristo kaj lia animo subite verŝiĝas en molajn sopirajn vortojn... aŭdas la popolo kaj ne scias, kion tio signifas.

Li moraledifas kaj vekas la korojn, plendante pri la turmentiĝo de la homo kaj de ĉio vivanta; kiel la tonoj de harpo, kiuj naĝas tra la nokto de ie malproksimege, tiel tremas lia voĉo kaj la granda malĝojo verŝiĝas el lia spirito. Subite lia spirito transformiĝas, ŝanĝiĝas la aspekto de lia vizaĝo, kaj muĝo de rido kovras la triston ...

La popolo aŭdas kaj koleras pro la interrompo de la bela melodio, pro la profeto, kiu nur scipovas duobligi la spiritojn.

— Tio ne estas profeto sed frenezulo — diris la popolo.

Kaj kiam li levis sian voĉon por parolo, la infanoj mokridis pri li surjetante lin per malpuraĵo.

La profeto do forkuris de la homoj en la dezerton, kaj loĝante tie kun la asketoj, simile al ili li turmentis kaj purigis sin, kaj tutajn tagojn li rigardadis senĉese la brulantan sunon por dolorigi al si la okulojn, por ke li kutimiĝu elteni ĉiujn suferojn mute kaj pacience, tute kiel la asketoj instruas, sed sanktulo li ne fariĝis. Dum lia asketeco atakis lin la spirito de rido, kaj rigardante al la suno, liaj doloraj okuloj ridis pri la sufero de la mondo, pri asketeco.

Li iradis al la profetoj de rido kaj nenio helpis al li, ĉar lin dum la rido atakis la spirito de malĝojo, kaj lia voĉo komencis tremi kaj sopiri.

Tiel Raja-Mano elvivis siajn jarojn, al neniu aliĝante, sen amikoj kaj amatoj... mizera, forlasita, pelata kaj kalumniata de la buboj en la strato.

Li vidis la duoblan vizaĝon kaj dum sia tuta vivo devis suferi pro tiu peko.

Kaj kiam li mortis, neniu funebris, kaj oni lin ne enterigis inter la profetoj, kaj ne menciis lian nomon je bono.

Sed unu saĝa homo tiam vivis en la regno; tiu saĝulo travojaĝis multajn landojn kaj vidis multajn popolojn, akumulante de ĉie sciencojn; li diris:

— Honoru la nomon de Raja-Mano. Li portis la plej grandan doloron de spirito.

El la juda: *S. Guterman.*

banko je la oka akurate; iam li ne estis foririnta; male tri sinjoroj venis lin viziti; ili parolis kun li iom longete; poste ili promenis en la tuta loĝejo; ĉiu el ili havis sub la brako aktujon; post vizito en unu ĉambro, ĉiuj tirkestoj estis malfermataj kaj iliaj aktujoj iĝis pli dikaj. Ili iris ĝis la ĉambro de panjo, kie ŝi estis ankoraŭ kuŝanta. Panjo multe kriis — okazis ne malofte, ke ŝi krias, precipe kontraŭ paĉjo. Kristian aŭdis ŝin bleki:

— Sed kio iĝos el mi?

Kaj li aŭdis, ke paĉjo krias ankoraŭ pli forte:

— Ha! lasu min, ĉu vi volas?

Poste paĉjo foriris kun la tri sinjoroj. Kristian estis kaŝiĝinta en la koridoro (li ne scius diri, kial li kaŝiĝis). Li vidis paĉjon kaj la tri sinjorojn, kiuj ĝentilis sur la sojlo de la malfermata pordo:

— Bonvolu!

— Post vi!

— Mi petas!

Panjo sekvis ilin ĝis tie. Ŝi havis negliĝrobon. Ŝia ŝminkaĵo estis malaranĝita. Ŝia »nedefrizebla« estis malfrizita. Unu el ŝiaj ruĝaj harfasketoj sur ŝia frunto pendis, kaj ĝin ŝi reĵetis malpacience. Kiam paĉjo estis foriranta, ŝi diris:

— Ĉu vi ne kisas Kristian?

Li haltis, hezitis, kaj diris:

— Ne... ne nun... ne...

Kaj li tiris la pordon. Tio okazis antaŭ unu jaro. Li estis en malliberejo de unu jaro. Nekredeble: tamen, li konis multajn politikulojn. Verŝajne ne la influhavajn li konis.

Koncerne panjon, la afero estis pli freŝdata. Antaŭ apenaŭ kelkaj tagoj. Iun posttagmezon, ĉirkaŭ la kvina, Kristian estis sola en sia ĉambro — kiel ĉiutage cetere, ĉar panjo eliris ĉiuposttagmeze — kaj ludis rigardante luman terglobon, kiam li aŭdis, ke la enirpordo malmilde malfermiĝas. Estis strange, ĉar kutime panjo revenis nur ĉirkaŭ la sepa aŭ oka. Tamen ja estis ŝi. Ŝi venis rekte en la ĉambron de Kristian. Sed li havis la impreson, ke ŝi ne scias, kial ŝi tien envenis: ŝi rigardis lin fikse, per strangaj okuloj larĝe malfermitaj, kvazaŭ ŝi ne vidus lin. Per abrupta gesto ŝi formetis la ĉapelon. Ruĝa hartufeto falis sur la frunton. Ŝi senpripense kaj nervoze tratiris la manon sur siaj vangoj, sur siaj okuloj; tio estis gesto, kiun ŝi kredeble ĵus multe faris, ĉar ŝia tuta ŝminkaĵo estis malordita. Kristian subite ektrovis, ke ŝi similas al tiu panjo, kiam paĉjo foriris kun la tri sinjoroj, kaj sen ke li sciis kial, lia koro angoriĝis. Ŝi tiel restis momenton, fiksrigardante lin sen ion diri, kaj eliris tiel abrupte, kiel ŝi estis enirinta. Kristian ne moviĝis. Li aŭskultis. Li aŭdis unue ŝian voĉon konfuzan, kiu poste altiĝis. Verŝajne ŝi estis en la salono. Ŝi telefonis. Li duonmalfermis la pordon. Vortoj flugis ĝis li:

— Jes, Sinjoro Policestro... ĵus, en lia hejmo, 65 strato X... Li volis edziĝi... Mi petegis lin... tiom mi lin amis... terura disputo... Li estis senkompata... mi freneziĝis... mi ne scias, kiel okazis...

Ŝi aldonis ankoraŭ kelkajn pli mallaŭtajn vortojn, kiujn Kristian jam ne aŭdis, vortojn kvazaŭ sufokitajn de larmoj. Tamen li ankoraŭ perceptis:

— Nu, mi venas... mi venas...

Poste nenio plu. Li komprenis, ke ŝi revenas. Rapide li repuŝis la pordon. Efektive ŝi eniris. Por preni sian ĉapelon. Ŝiaj okuloj estis ankoraŭ frenezaj. Sed subite ili rekonsciiĝis: ŝi ekvidis, ŝi rekonis sian infanon. Lin ŝi prenis kaj premis al si, kisante liajn harojn:

## Soneto

*— Gaspara Stampa —*

(1523—1554)

Scivole, damoj, pri mia sinjoro,
Rigardu, jen li estas, mild-aspekta,
Juna laŭ aĝ', sed maljun-intelekta,
La vera bildo de la virt' kaj gloro.

Blondhara kaj de sana viv-koloro,
Staturo alta, brusto belefekta,
Fine, en ĉiu agoj tre perfekta,
Krom iometa tim' en am-fervoro.

Kaj vidu, se vi koni min deziras,
Virinon, kiu, ŝajn' kaj fakt' malhela,
Estas martira bild', mortante spiras;

Konstanta firma hejm' de am' fidela,
Kiun, ĉar arde, plende ŝi suspiras,
Ne ekkompatas la amat' kruela.

## Soneto

*— Vittoria Colonna —*

(1492—1544)

Kiel birdet' malsata, kiu vidas
Kaj aŭdas flugilfrapojn de l' patrino
Portanta manĝon, dum en ĝia sino
Plezuro vibras, ĉar ĝi manĝ-avidas,

Kaj ĝi en nesto sin apenaŭ bridas,
Sin streĉas, tremas de la flug-inklino,
Kaj tiel kantas ĝi por dank-esprimo,
Ke super sia pov' la lang' rapidas,

Tiel mi, kiam brila varm' viv-dona
De l' sankta suno, nutr' al mia koro,
Pli ol kutime flamas, helradia,

Mi movas plumon, kiun la adoro
Pelas, kaj jen, mi skribas, ne-konscia
Pri l' propraj vortoj, laŭdojn al vi, bona.

El la itala: *Juliette Vatré-Baudin.*

---

— Filo mia, filo mia, ŝi balbutis.

Kaj ŝi ekparolis sensencajn vortojn. Sed jam oni sonorigis ĉe la pordo. Ŝi stariĝis, kisis Kristian lastfoje kaj eliris. Preskaŭ tuj li aŭdis la pordon fermiĝi.

La paroloj, mi diris, estas kvazaŭ muŝoj. Ankaŭ en Parizo estas muŝoj. Sed ĉi tie, ja. Certe pli ol unu flugis sur la kapon de la knabeto. Verŝajne li ne sciis, ke lia patro kuŝas en malliberejo pro friponaĵoj, kaj lia patrino pro murdo de sia amanto, sed li sciis nedubeble, ke ambaŭ estas en malliberejo.

— La knabeto nenion suspektas, asertis Anĝelina, la servistino.

Sed ĉar ŝi tion asertis en la ĝardeno, kaj tie ĵus tiun temon priparolis kun la ĝardenisto — ambaŭ havis klarajn sudajn voĉojn, kiuj forte sonas kaj malproksime aŭdiĝas — mi ne povis ne pensi, ke se la etulo nenion suspektis minuton antaŭe, nun sen ia dubo li konjektas ion. Li sidadis tie for, sub la eŭkalipto, en la polvo, kaj la kapon tenis klinita.

Multe vekis mian simpation tiu etulo. La morgaŭan tagon, ŝajnigante min, dum marŝado, absorbita de mia legaĵo, mi transpasis mian kutiman lokon, pluiris la aleon kaj troviĝis subite antaŭ la pavilono. La etulo ludis, la avino trikis. Mi salutis kaj min ekskuzis...

sufiĉe longe por ke oni proponu al mi seĝon. Mi parolis pli al la knabeto ol al la avino (kaj ŝi tute ne malkontentis pro tio). Li estis ne retiriĝema, sed timema. Li min ankoraŭ ne alridetis, sed jam volonte aŭskultis. Mi havis la impreson, plaĉan, ke ĉi tiu birdeto baldaŭ venos manĝi el mia mano. Ne estas tre malfacile naski amon ĉe infanoj: nur necesas esti samnivela kiel ili, kaj por tio oni devas ne malaltiĝi ĝis ili, male altigi ilin ĝis si; la etuloj ne volas, ke oni rigardu ilin etaj.

Tie mi pasigis grandan parton de la posttagmezo. La avino ridetis al mi, kune honte kaj danke. Ŝia rideto diris:

— Ho! vi scias? Kompreneble! Kaj vi kompatas... Dankon...

Mi revenis la morgaŭan tagon. La postmorgaŭan tagon Kristian mem venis al mi. Ŝajnis al mi, ke ni iĝos amikoj. Kiam infano respondas al viaj demandoj, via amiko li ankoraŭ ne estas; ankoraŭ ne, se li vin demandas; via amiko li estas nur, se vi vere ambaŭ konversacias, kiel du samranguloj. Mankis al li fervoro — eble al li *kutime* mankis fervoro — sed li min akceptis kun plezuro. Mi sidis apud la avino; miahonore ŝi forlasis la rozarion kaj ekprenis la trikilojn; la etulo ludis ĉe niaj piedoj kun la uzitaj iloj de l' ĝardenisto. Nur simplajn vortojn la maljuna sinjorino kaj mi diris, sed sekretan konversacion ni daŭrigis. Rigardo, suspiro, jen ŝiaj konfidencoj. Ilin mi divenis. Certe ŝi diris, ke ŝia bofilo malhonesta homo ne estas, sed li lasis sin delogi, — ke certe ŝia filino iĝis subite freneza por fari tian krimon post tia kulpo, — kaj ke tiu malfeliĉa etulo, malfeliĉa...

Iam, ŝi laŭte suspiris, forgesante ke li staras nur tri paŝojn de ni:

Malfeliĉuleto... Rimorson mi havas, sciu... Dum la lastaj libertempoj mi punis lin por tuta tago je seka pano, en la ilar-ŝirmejo, ĉar li senfoliigis la hortensiojn. Nu, necesus, ke li kulpu ion gravegan, por ke mi nun kuraĝu lin puni!

Guste la morgaŭan tagon, ni sidis triope je la samaj lokoj kaj mi babilis kun la maljuna sinjorino, kiam mi sentis ion tuŝeti mian kruron. Mi rigardis, kaj ekkriis:

— Ho!

Kristian prenis la tondilon el la avina kudrokorbo kaj sin amuzis tranĉante mian pantolonon en regulforman franĝon.

La kompatinda sinjorino indignis kaj bedaŭregis.

— Ho! ŝi diris. Kaj mem hieraŭ mi... Sed vi estas freneza, aĉuleto!... Mi ne komprenas. Ion tian li neniam faris. Tratranĉi vian pantalonon!... Li meritus... Kristian, surgenuiĝu kaj pardonon petu de la sinjoro!

Li jetis la tondilon sur la teron kaj plektis la brakojn.

— Ne! li diris firme.

— Kiel »ne«? ŝi ekkriis. Tuj surgenuiĝu kaj diru al la sinjoro, ke vi bedaŭras...

— Ne, mi ne surgenuiĝos! Ne, mi ne bedaŭras!...

— Ne? Ne? Nu, tiel!...

Subita kolero inundis la maljunan sinjorinon, tia suda kolero, kiu subite naskiĝas, tondras, kaj ĉion kurbigas, kiel la mistralo.[1])

— Ne? Kaj jus mi bedaŭris, ke mi punis vin je seka pano, en la ilŝirmejo, dum la lasta libertempo. Nu, tuj vi tien iros, mia knabo, tuj! En la nigran angulon! Kaj de tie vi eliros nur por pardonpeti la sinjoron. Jes, knabo, jes, knabo, zu!...

Ŝi lin ekkaptis per kolerega mano kaj kondukis en la remizon. Li lasis sin forkonduki senproteste.

... Post kvaronhoro mi estis ĉe la pordo de la remizo. Al mi doloris, mi tion konfesas. Ne pro la ŝirita pantalono. Sed nenion pli dolorigan mi konas ol senti la malamon de infano.

La il-remizo estis malluma ĉambraĉo apud la karbkelo. Lumo tien penetris sur la fendoj de la pordo. Apenaŭ mi distingis Kristian. Li sidis sur la tero inter verŝilo kaj malnova kribrilo.

— Kristian... mi vokis milde.

Li ne respondis.

— Ĉu amuzis vin ŝiri mian pantalonbaskon?

— N... ne, li diris kun speco de bonhumoro.

— Ĉu vi do tiom malamas min?

Ĉifoje el la mallumo lia respondo venis impete.

— Ho! ne!... ne.

— Nu, kial?

Li ne plu respondis.

— Aŭskultu, mi diris. Ni pri tio ne plu pensos. Kompreneble, mi nenion postulas. Sed mi diros al via avino, ke vi pardonpetis, kaj ŝi liberigos vin...

Li salte leviĝis, kuregis al mi, febre ekkaptis mian manon en la mallumo...

— Ho, ne! Sinjoro! li petis kun ardo. Ne! Mi ne volas! Mi petas vin! Nenion diru al avinjo! Mi ne volas! Mi ne volas, ke ŝi liberigu min!

— Ho? Kial?

Mi aŭdis lian anhelan spiron en la mallumo, kaj fine lia obtuza voĉo murmuris:

— Mi volas resti tie... ankaŭ mi... ankaŭ mi...

Li ankoraŭ du, tri fojojn ripetis, sovaĝe,: »Ankaŭ mi«. Mi komprenis. Oni, kiel eblas, atestas, ke oni amas. Ankaŭ li volis sidi en malliberejo, la etulo, kiel paĉjo kaj panjo.

El la franca: *Roger Bernard.*




D. Bartoŝik *Grafikaĵo*

[1]) *Mistralo* = Sudfranca fortega vento.

# Blankaj ciklamenoj

– Pierre Wieninger –

La tri amikoj iris malrapide tra la Luksemburg-parko. En la malproksimo, super la tegmentoj, staris la malpintaj turoj de Notre-Dame. Maldensa nebulo kovris la urbon — tra la nebulo la arboj kaj domoj ricevis malklarajn konturojn —, ĉio aspektis nereala, preskaŭ fabela. Sed la aero estis milda, kaj tute mallaŭta, spireca vento blovis tra super la altaj arboj de la parko, kiuj ŝajnis murmuri kaj flustri.

La tri viroj silentis kaj tute sin donis al la sorĉo de la milda kaj nedireble bela Pariza antaŭprintempo.

Du el la viroj estis grandaj kaj fortaj. Unu el ili, Pierre Naval, similis boksiston kaj ne raportiston, kia li fakte estis. La dua estis malgrasa kaj iris iom antaŭenkliniĝinte, sed liaj okuloj sub la densaj, blankaj brovoj, estis strange klaraj. Gaston Thierry — li estis juĝisto ĉe la Seine-tribunalo — havis la kutimon, kelkfoje fikse alrigardi la homojn, kaj la plej multaj poste havis la malagrablan senton, ke ĉi tiu iom maljuna kaj dormeme aspektanta viro rigardas al ili sur la fundon de la animo. La tria el la tri viroj estis malgranda. Li iris inter la du tiel malsamaj amikoj, enigints la manojn profunde en la poŝojn de sia mantelo, ŝovinte la ĉapelon sur la nukon. De tempo al tempo li fajfis kelkajn taktojn de malnova kanto. Sed la vizaĝo montris strangan esprimon. Ĝi kvazaŭ kuŝis malantaŭ vualo, kaj dolora trajto ĉe la buŝo donis al la cetere bone aspektanta, ankoraŭ juna viro iomete torturitan kaj malgajan nuancon. Camille Detry — li ne estis purrasa franco — estis verkisto. Viro, kiu havis grandan sukceson, kvankam oni akceptis liajn laboraĵojn ne tute sen kontraŭdiro ĉar ĉio, kion li skribis — jes, eĉ ĉio, kion li pensis kaj parolis — havis la saman malĝojan tonon, kiu ŝajnis eliri de lia personeco. Oni rakontis, ke li travivis ion teruran antaŭ kelkaj jaroj kaj ke li ĉiam ankoraŭ suferas pro la sekvoj de tiu travivaĵo.

La tri viroj — malrapide paŝante — venis ĝis malgranda lageto kaj ĝuste volis turni sin al Montparnasse, kiam venis renkonte juna kaj ŝajne beleta sinjorino. Oni povis vidi, ke ŝi apartenas al la plej bonaj sociklasoj, ĉar ŝia printempkostumo devenis de bonega tajloro. La malgranda kaj diafana duonvualo pli reliefis ol kaŝis ŝian regulan kaj belan vizaĝon, sur la jako estis fiksita granda bukedo da blankaj ciklamenoj.

Pierre Naval, granda adoranto de belaj virinoj, ekrigardis la virinon kaj ĝuste volis fari plaĉan rimarkigon, kiam ektima elvoko de Camille Dertys lin haltigis. Li turnis sin flanken kaj vidis, ke Derty iĝis mortpala. Li tenis ambaŭ manojn antaŭ si kvazaŭ por defendo. Fine li ekĝemis: »Blankaj ciklamenoj — mia dio — blankaj ciklamenoj. Kaj ĝuste hodiaŭ — pardonu — sed mi ne povas...« Li turnis sin kaj forkuris kiel pelata.

Naval dum kelka tempo kapskuante lin postrigardis, poste diris: »Li devus ripozi, la bona Camille. Tro li laboris — aŭ io alia. Mi ne volas kredi, ke li havas malemon kontraŭ blankaj ciklamenoj? Tio ja estus freneza.«

La du restintaj viroj haltis antaŭ benko kaj Thierry malrapide sidiĝis. Li metis la kubutojn sur siajn genuojn kaj komencis desegni per la bastono figurojn en la sablo.

»Se ĉi tiu travivaĵo okazus al iu alia,« fine mallaŭte diris la juĝisto, »Camille ĝin verŝajne surpaperigus — sed li mem travivis ĝin kaj tio estas la plej amara. Mi pensis, ke la jaroj forviŝis la rememoron, sed certajn aferojn la animo de la homo ŝajnas gardi klara kaj videbla kiel en la tago de la okazo.«

Dum la mallaŭta vento ludis kun la vekiĝantaj branĉoj kaj la stratobruo de la urbo nur malklare penetris en la parkon, Gaston Thierry — la juĝisto — rakontis la historion de sia amiko Camille Derty.

»Ĉu vi ne aŭdis pri la proceso de la bela Ninon Favre?« li demandis. »La afero okazis antaŭ proksimume ses jaroj; vi estis, mi supozas, tiam en Sudameriko; sed mi, kiu partoprenis ĉiujn ĉi ekscitaĵojn, rememoras pri preskaŭ ĉiu vorto.

La bela Ninon Favre tiam estis mondfama virino. Mi kredas, ke ŝi estis pli konata ol la Garbo aŭ iu alia el la grandaj hodiaŭaj stelulinoj — ĉe tio ŝi estis brilega aperaĵo. De kie ŝi devenis, mi ne scias, sed kiam ŝi venis al Parizo, ŝi jam estis fama kaj akceptis ĉiujn adorojn kiel reĝino. Certe ne bezonas diri al vi, ke ĉiuj viroj kuŝis ĉe ŝiaj piedoj, ke ŝi ĉiutage ricevis florojn kaj invitojn kaj ke la gazetoj tago post tago aperigis bildojn de ŝi. Oni devas diri pri la bona Ninon, ke ŝi dankis por ĉiuj donacoj kaj invitoj per sia ĉarma rideto, ŝi havis por ĉiu afablan vorton, sed — ŝi interrilatis kun neniu. Se esti pli preciza, ŝi ja vizitis ĉiujn festenojn, ŝi kolektis donacojn ĉe la Midinette-balo de la urbo Parizo kaj eĉ iam vendis kison, kiam oni faris kolektadon por la viktimoj de la veterkatastrofo en Normandio. La duko de Monteron tiam aĉetis la kison por centmil frankoj kaj proponis al ŝi la koron kaj la manon — sed Favre afable kaj danke rifuzis.

En tiu tempo ankaŭ Camille Derty venis el Lyon al Paris. Li bonege aspektis kaj brilis de sprito, liaj spritaĵoj rondiris en ĉiuj Parizaj salonoj kaj liaj unuaj verkoj estis avide legataj. Do ne estis mirinde, ke li — kiam li estis prezentita al la bela Ninon en la domo de ambasadoro, tute enamiĝis al la virino.

Baldaŭ tuta Parizo sciis, ke la juna Camille freneze amas la belan Favre — kompreneble ankaŭ ŝi sciis tion. Ja ne ekzistas virino en la mondo, kiu tion ne rimarkus. Sed — ŝi ĉiam estis al li same afabla kaj — same neatingebla. Ŝi ne toleris amindumon — kelkfoje ŝi ankaŭ alrigardis lin per siaj neesploreblaj okuloj

## La pano

– Francesco Pastonchi –

Pan', vin humilaj rompas ĉiutage
jam gajaj, se al ili vi ne mankas.
Ho, kia rekompenc' ol vi pli sanktas,
se varme venas vi el forn' postbake.

Vi same blondas sur tabul' modesta,
kaj ĉe orvazoj, ĉar en vi kuniĝas
ja ĉia riĉ'; eĉ se plej pompe riĉas
la tablo, ĝi ne hontas vin, krudvesta.

Filo de l' sun', radion vi donacas
al ĉiu dom'; sur frunt' de laboristo,
gajninta vin honeste, vi rebrilas.

Sed plej vi lumas, kiam voje lacas
la almozulo kaj el la tornistro
ĉe rando de fonteto vin eltiras.

El la itala: *K. Kalocsay.*

— sed pli li ne sukcesis atingi sur ĉi tiu amovojo.

Iutage — estis ĉe la balo de la amerika ambasadoro — Camille Derty vidis, ke Ninon jam duafoje dancas kun iom fremdlande aspektanta sinjoro kaj dum la danco babilas tre vive. Kiom li singarde pridemandis, li eksciis, ke la viro estas ambasadoro de granda regno.

Pli poste — estis en la dancpaŭzo — la hazardo volis, ke Derty venis sidi apud Favre.

»Vi hodiaŭ estas pli bela ol iam«, li diris, kaj stranga subtono estis en lia voĉo. »Se vi dancas, oni havas la senton, ke moviĝas ia lumo tra la ĉambrego.« Tio komprenebIe estis romantike troigita, sed al kelkaj homoj ja plaĉas tia lingvo. La bela Ninon reĵetis la kapon sur la nukon kaj ridis arĝenthele. Poste ŝi metis unu manon al la malgranda Derty sur la brakon kaj diris mallaŭte: »Vi estas stranga homo.« Subite malaperis la rido el ŝia vizaĝo — ŝiaj okuloj rigidiĝis kaj — kvazaŭ al si mem ŝi daŭrigis: »Estus pli bone, se vi forirus kaj ne plu interesiĝus pri mi.«

»Ninon«, diris Camille Derty ekscitite kaj premis la manon de la virino, »pro Dio — ne parolu tiel. Mi amas vin, Ninon — mi.«

»Mi petas, ne daŭrigu«, mallaŭte respondis la bela virino kaj Camille Derty rimarkis je sia teruro, ke ŝiaj okuloj estas malsekaj kaj vualitaj. Sed ŝi ŝajnis tuj denove rehavi super si la regon, ĉar fiere ŝi aldonis: »Mi petas, ne nomu min Ninon. Mi ne permesis al vi tion fari.«

La bedaŭrinda Camille Derty malbenis tiun horon. Li estis kolera, ke li konfesis sian amon meze en la hellumita salono inter mil homoj, ĉar — li iel konjektis, ke li ne estas tutegala al la virino — sed li konjektis ankaŭ, ke ŝi iel agas sub devigo. Li precize sciis — tiom da homkono li havis — ke, en iu alia loko, Ninonon, kiam ŝi havis larmojn en la okuloj, li estus povinta preni en la brakojn kaj ke ili estus flankenŝovintaj ĉiun devigon kaj ĉiujn malhelpojn. Sed la granda momento estis pasinta kaj Ninon nun estis avertita. Preskaŭ ŝajnis, ke ŝi evitas la societon de Derty, almenaŭ ŝi sciis aranĝi ĉiam tiel, ke ŝi neniam estis kun li sola.

Sed Derty estis freneza. Kaj poste li faris ion, kion li neniam devus fari, li komencis spioni pri la bela Ninon. Li supozis, ke ie en la malantaŭo staras viro, kiu tenas ŝin sub sia povo, kaj tiun viron li volis — eventuale per forto — flankenŝovi; li volis — ha — li volis fari ĉion eblan, por valori en la okuloj de Ninon kiel plenvalora viro.

Ĉiutage li postsekvis Ninon, se ŝi eliris — dum horoj li staris antaŭ la ejo, en kiu ŝi laboris — li observis sian hotelon, sed li vidis nenion, kio ŝajnis suspektinda.

De tempo al tempo li vidis ŝin ankaŭ ĉe grandaj akceptofestoj — ankaŭ ŝi ĉiam salutis lin, se ŝi lin ekvidis, sed ŝi ne venis en lian proksimon. Sed ĉiufoje ŝi parolis kun la fremdlande aspektanta viro, kiun Derty konis kiel ambasadoron de granda regno.

Ĉe iu tia akceptofesto Camille Derty sidis malantaŭ densa floraranĝo kaj aŭskultis la muzikon, kiu laŭtis el la apuda ĉambro. Poste li aŭdis veni du homojn kaj kiam li singarde spionrigardis tra la plantoj, li ekkonis — Ninon Favre kaj la fremdan ambasadoron. En la unua momento ekkaptis lin furioza ĵaluzo — plej volonte li sin ĵetus el la kaŝloko por gorĝpreni la viron — sed iom post iom li retrankviliĝis, ĉar el la gestoj de la viro li kredis kompreni, ke tiu ne parolas pri amo.

Ne, estis certe ne amo, sed pli verŝajne negoca afero kaj Derty nun memoris, ke amiko, redaktoro, rakontis, ke Favre intertraktas kun fremdulo pri granda kontrakto ie en la oriento. Certe la ambasadoro entreprenis varbi la sinjorinon — certe li ankaŭ mone estis interesata ĉe tio, ĝajni ĉi tiun sinjorinon por sia lando. Kaj sub la influo de tiaj pensoj Derty iĝis gaja kaj esperplena.

Li renkontis Favre-on je la sama vespero ankoraŭ duan fojon. Guste kiam ŝi estis en la vestejo. Kaj Derty aŭskultis jenan interparoladon:

»Ni ja veturos en la saman direkton, Mademoiselle. Ĉu mi povas kunpreni vin en mia veturilo?«

»Ne, mi dankas«, respondis Favre sen ia ekscitero kaj ĵetis esploran rigardon en la spegulon.

»Kiel vi volas.« La viro ŝajnis ofendita. Li lasis sin helpi per la servisto en sian mantelon kaj poste riverencis antaŭ la Favre.

»Do, ni restas ĉe tio«, li fine diris. »Se vi ricevos tion, poste vi tuj.«

»Ne ripetu ĉiam la samajn aferojn«, ĉagrenite respondis Favre kaj ŝovis sian pelto-kapuĉon tra super ŝiaj haroj. »Mi jam ĉion faros. Bonan nokton.«

Ŝi iris, sen rigardi ankoraŭ la viron, kaj la bona Camille Derty plej volonte estus kantinta. Ne — ĉi tie temis pri simpla negoco kaj ne pri koraferо. Tamen Derty poste ankoraŭ faris demandojn pri la ambasadoro, kaj eksciis, ke tiu ĝuste en virinaferoj estas tre reteniĝema — ke li havas belan, ankoraŭ junan edzinon kaj infanon, kaj ke li treege amas ilin.

»Tute ne danĝera«, diris Derty al amiko, al kiu li estis konfidenca. »Kaj alian viron mi neniam vidis en ŝia proksimo. Do devus esti jam tre aĉa malbonŝanco, se ĉi tiun fortikaĵon mi ne venkus iutage per atako.«

»Oni ne devas rezigni«, respondis la amiko, kiu, laŭ la famo, estis la plej granda korrompanto de Parizo. »La virinoj volas esti konkeritaj. Jen mi rememoras pri la malgranda —. — mi ne volas diri la nomon —« kaj li komencis rakonti longan historion pri ia amafero, sed Derty ne aŭskultis. Li pensis pri Favre, kiu okupis lian tutan pensadon kaj sentadon.




D. Bartoŝik *Karikaturo*

De tempo al tempo Camille Derty venis ankaŭ en la hotelon, en kiu la bela Favre loĝis, kaj li sidis en la hotelhalo — kun la kaŝa espero, ke la feliĉo eble tamen ankoraŭ venos al li. Kiam li iam tiel sidis en la halo kaj rigardis la preterpasantajn homojn, li vidis eniri simple vestitan viron. La viro kunportis bukedon da blankaj ciklamenoj kaj transdonis ilin al la pordisto. Ĉi tiu kapjesis kaj flankenmetis la ciklamenojn kaj Derty, scivola kiel ĉiuj verkistoj, iris al la skribostablo de la pordisto kaj petis lin, montri al li la blankajn ciklamenojn.

Ĉi tiuj floroj estis de stranga formo. Pro siaj pendantaj kapoj ili similis homojn, kiuj havas gravan ĉagrenon. Ĉe tio ili tamen estas iel fabelecaj, kaj Derty rigardis ilin scivole kaj en mallaŭta melankolio.

La pordisto, kiu posedis en Meudon malgrandan dometon kaj ĝardenon, rapidis, atentigi Camille Derty, ke blankaj ciklamenoj en ĉi tiu jarsezono propre estas tre maloftaj. Li ankaŭ kromrimarkis, ke li jam plurfoje provis kulturi blankajn ciklamenojn, sed ĉiam malsukcesis en tio. Tamen tio nun ne interesis Derty-on, sed despli tio, al kiu estis senditaj la floroj.

»Mi poste sendos ilin al la numero 74«, diris la pordisto, »la sinjorino momente ne estas en la domo.«

»Stranga amosigno«, diris Derty penseme. »Mi pensis, ke oni sendas al sinjorino rozojn aŭ orĥideojn sed blankajn ciklamenojn? Ĉu vi ne trovas tion iom stranga?«

La pordisto ridis. Li jam tridek jarojn pasigis en grandaj hoteloj kaj estis pli bona homkonanto ol la plej multaj psikistoj, ĉar li rekte kontaktis kun la vivo. »Kelkaj sinjorinoj amas ciklamenojn«, li diris, »kaj precipe blankajn ciklamenojn. La sinjoro verŝajne ne scias, ke blankaj ciklamenoj estas maloftaĵo en ĉi tiu jarsezono? Ili vere estas tre maloftaj. Kaj se la sinjorino preferas blankajn ciklamenojn, oni povas sendi al ŝi nur tiajn.«

»Vi estas filozofo«, ridis Derty kaj premis al la viro ne malgrandan banknoton en la manon. »Sed nun vi ankaŭ devas diri al mi, por kiu estas destinitaj ĉi tiuj blankaj ciklamenoj.«

Kaj kiam la pordisto mallaŭte kaj estimplene elparolis la nomon Ninon Favre, li ektimiĝis. »Ne ofte estas donataj ciklamenoj por la sinjorino«, diris la pordisto. »De tempo al tempo bukedo. Kaj se vi permesas mian ne gravan opinion — la sinjorino ŝajne tre amas ĉi tiujn florojn. Ĉiufoje, kiam la servisto portas al ŝi bukedon, ŝi akceptas ĝin per tremantaj manoj — kvankam neniam estas almetita karteto aŭ alia sciigo. Poste ŝi premas sian vizaĝon en la bukedon kaj mansignas al la servisto foriri.«

»Tio komprenebla estis nur kombinaĵo de la pordisto«, daŭrigis la juĝisto, »sed la tuto tre taŭgis, por frenezigi nian bonan Camille Derty. Tutan nokton li cerbumis; poste, je la mateno, li havis, laŭ sia opinio, bonegan ideon. Se ne ĉio eraris, Ninon Favre ofte ricevis de nekonato blankajn ciklamenojn kaj — tre ĝojis pri tio. Certe, tiel konkludis Derty, ŝi amis ĉi tiujn florojn tiel maloftajn en Parizo, certe ŝi estis dankema al la nekonata donacanto pro la maloftaj pravoj de retenigema admiro, certe, tiel pensis Derty, ŝi estas preta, kiam, se ŝi trovos la donacanton, rekompenci al li sian amon kaj simpation. Estas nekomprenebIe, kial Derty venis je la penso, ke Ninon ne konas la flordonacanton, sed enamiĝintaj homoj neniam pensas logike. Derty nun pensis tiel kaj ne deiris de ĉi tiu supozo. Ankaŭ lia plano jam estis preta.

## Sigelo de Salomono

— Gustav Fröding —

Al mi, vi diras, mankas karakter',
logika rezonpov', bonordaj vivprincipoj,
neŝancelebla kred' kaj la ceter' —
por tiel diri: spino por la agoripoj.

Rakontos mi sekreton de mag',
misteron pri sigel' de Salomono.
Legion da spiritoj kaptis li —
okazis en Damaska regiono
(Ĉu en Jerusalem'?) — aŭskultu la fabelon.
kaj ĉiun metis li atente en botelon.
La truojn ŝtopi tuj ordonis li,
sigelis mem kun zorga energi'.
Ne venkos brak', atak' al tiu ĉel' spirita —
jes, ĉel' el bona spec', fortika, altkvalita.

Nun, gesinjoroj, konfidenca dir':
*Vi* estas la spiritoj tie en karcero,
malhelpas korkoj vin ĉe la elir',
se foje volas vi eksteren — al libero.

En cindron bruli mi preferus mem
ol ke botelen oni min enfermus,
Se Salomono de Jerusalem'
de sep provincoj la impostojn sternus
je sia dekstra flank' por tiuj, kiuj kline
kaj sklave donos sin al malliber' anime,
— maldekstre la baston' de ĉifonul',
kaj dirus: »Nun elektu! Jen postul'!« —
bastonon sen hezit' mi prenus kaj post danko
mi irus kun fier' al la maldekstra flanko.

*El Gitaro* kaj *Tirharmoniko*, 1891.

El la sveda: *Magda Carlsson.*

---

Dum kvar tagoj Derty en tuta Parizo serĉis blankajn ciklamenojn. Fine li trovis — alte sur Montmartre — flormagazenon, en kiu li ricevis tiujn florojn kaj feliĉega, ke li ilin trovis, li donis ordonon, sendi bukedon al la bela Ninon Favre en la hotelon.

»La servisto donu ilin al la pordisto«, li diris, li parolu kun neniu. Se la hazardo volas, ke la sinjorino mem akceptas lin, li simple diru, ke li ne scias, kiu estas la donacinto.«

Kiam Derty forlasis la flormagazenon, li estis feliĉa kaj kontenta. Mi penos, kiel ebla plej ofte sendi al ŝi tiajn florojn, li pensis, kaj se ŝi poste iutage kunvenas kun mi, mi ŝin demandos, ĉu mi trovis ŝian guston. Ĉu virino povas resti netuŝita, se ŝi vidas, ke viro estas preta p'enumi ĉiun ŝian deziron, ankaŭ la plej malgrandan? Li faris ankoraŭ pli, li sidiĝis en la halo kaj atendis ĝis la servisto alvenis kaj tiam la hazardo ĝuste volis, ke Favre estis en ŝia ĉambro kaj la pordisto sen malhelpo sendis la serviston rekte al ŝi. Kaj Derty iris mallaŭte kantante, en la nokton eksteren.

La sekvinta tago komenciĝis malhela kaj pluva. Kiam Derty forlasis sian loĝejon, iom pluvis kaj la malseka stratpavimo respegulis ĉiujn aĵojn. Kelkfoje ŝajnis, ke li paŝadas sur spegulo — sed estis bele, kaj li sentis sin kiel viro, kiu hazarde venis en fabellandon. Ankaŭ lia animo estis en fabela stato kaj liaj pensoj restadis ĉe la virino de lia koro.

El ĉi tiuj malordaj kaj belaj fabelpensoj, li estis ekŝirita per akraj vokoj de gazetbubo. La junulo kuris tra la pluvomalseka strato, svingis gazetfoliojn en la

mano kaj kriis al tio »Aresto de konata sinjorino. Lasta novaĵo. Ninon Favre antaŭ la polico...«

Derty dum momento havis la senton fali en abismon. Li devis teni sin ĉe la muro kaj ne kapablis havi klaran penson. Poste li kuris al la gazetbubo kaj ŝiris folion el ties mano.

*

La juĝisto Gaston Thierry interrompis sian okupadon — li ĉiam ĝis nun desegnadis cirklojn en la sablo. Li rektiĝis kaj rigardis al la apude sidanta Pierre Naval.

»Mi devis — bedaŭrinde — gvidi la tutan proceson kontraŭ sinjorino Ninon«, li diris, »pro tio mi estas precize informita pri ĉio. La militestraro elliveris sinjorinon Favre al la polico kaj ĉi tiu verkis la raporton al la prokuratoro kaj tiu raporto tekstis jene: »La 12-an de marto de ĉi tiu jaro, vespere ĉirkaŭ la deka horo, la maristosoldato Jean Fayette kiel kutime faris la rondiron en la armilfabrikejo Des Moulins, kaj nome en tiu parto de la fabrikejo, en kiu laboras nur soldatpersonoj. En tiu parto kuŝas en malnova trezorejo tre gravaj planoj. Kiam la soldato Jean Fayette ĝuste preterpasis la komandejon, li vidis lumon en la konstruĉambro. Tio ŝajnis al li stranga kaj li tuj sciigis la suboficiron de la gvardio. Ĉi tiu rapidis kun du soldatoj en la konstru-ĉambron. Kiam ili malfermis la pordon, malhele vestita virino ĝuste staris antaŭ la trezorejo kaj provis ĝin malfermi. La suboficiro arestis la sinjorinon kaj transdonis ŝin al la polico, kie oni eltrovis ŝian nomon — estis la konata filmaktorino Ninon Favre.«

»Vidu«, daŭrigis la juĝisto Thierry, »la tuto ja en la fundo estis treege simpla. Favre eĉ momenton ne neis, ke ŝi havis la intencon, havigi al si la planojn de nova portilo de kanono. Do temis pri grava kazo despionado. Sed kio plej mirigis min, estis la senzorgeco, kun kiu ĉi virino faris tion. Ĉar, ŝi devis ja kalkuli pri la centobla certeco, esti arestita, ĉar la gardistoj ja seninterrompe faris la rondon, kaj la suboficiro, en la daŭro de la nokto, dudekfoje kontrolis la konstruĉambron. Krom tio, la virino — kiam ŝi provis malfermi la trezoron — faris lumon, la plej malsaĝa, kion ŝi povis fari, ĉar ĉiu preterpasanto ja devis rimarki la lumon kaj sciigi la gvardion. Ĉio entute estis strange malsaĝa kaj mallerta, ja, ĝi estis eĉ infaneca.

Kiam la esplorado estis finita, Camille Derty — sen la konsento de Favre — prenis la plej bonan advokaton de Parizo, estis tiam Maître Jean Lavelle, kaj poste li venis al mi kaj petis min elkore, ebligi al li interparoladon kun la bela Ninon. Tio nature ne estis ebla, sed mi promesis al la duonfreneza viro, ke mi iros al Favre kaj parolos kun ŝi. Mi promesis al li ankaŭ, sciigi al li tiom el la interparolado, kiom permesas al mi la leĝo. Tiel mi poste iris kun Maître Lavelle en la esplor-malliberejon kaj tie mi unuafoje konatiĝis kun la bela, juna virino. Ŝi estis mirinda ankaŭ en la obtuza kaj duonmalhela, sobra ĉelo.

Mi riproĉis ŝin pro ŝia malsaĝeco, sed ŝi nur ridis.

»Estas vere tre afable de vi, ke vi venis al mi« ŝi diris preskaŭ gaje, »sed kredu al mi, ĉio kune estas miskompreno. Ne, ne, mi ne povas klarigi al vi tion — mi malutilus per tio al mi mem, kaj mi ja volas kiel eble plej baldaŭ liberiĝi — sed ĉio devas esti kaj estos baldaŭ klarigita.«

»Mademoiselle«, mi diris serioze, »se estas tiel, kiel vi diras, mi petas vin, parolu kun via advokato. Li povas al mi proponi sen malfacilaĵoj ĉiujn eblajn proponojn. Sed ne hezitu, pro Dio — se vi jam staros antaŭ la juĝistoj, ĉio estos jam tro malfrua.«

Ŝi premis mian manon kaj ridis, kaj mi mem ree estis gaja sub la sorĉo de tiuj okuloj — estis tute vane, admoni ŝin. Ŝi ŝajnis firme konvinkita, ke en la lasta momento ŝi estos savita per la interveno de ia al mi nekonata homo, kaj mi mem preskaŭ jam havis la saman esperon. Ĉe la adiaŭo ŝi ankoraŭ flustris al mi: »Kaj salutu la malgrandan Camille Derty.«

Kaj poste fine venis la tago de la juĝado. Mi parolis antaŭe kun Maître Lavelle kaj petis lin, fari sian plejeblon, por malhelpi la ĉeeston de Camille Derty ĉe la juĝado. Mi havis la malagrablan senton, ke la viro eble faros ion malsaĝan — sed li ne lasis deteni sin. Kiam mi paŝis al la juĝa tablo kaj ĵetis rigardon en la aŭskultejon, mi vidis sidi Derty tute antaŭe. Poste mi donis al la servisto signon kaj tuj post tio Favre estis kondukita antaŭ min.

Ŝi estis, kiam la juĝado komenciĝis, nek grandioza, nek premata — ŝi estis tiel, kiel kutime. Mi faris al ŝi la demandojn, kiujn ni jam antaŭe pripensis, kaj ŝi donis per klara voĉo la respondojn.«

La juĝisto faris iom senhelpan movon. »Vi ja mem scias«, li diris, »kiel estas ĉe tiaj juĝadoj. La asesoroj estas — ankaŭ nur homoj, kaj ni ĉiuj staris, mi tute sincere konfesas tion, sub la sorĉo de tiu bela virino. Ni — kiuj havis ion por diri, eble iamaniere estus sukcesintaj ŝin liberigi, sed la prokuroro, kaj antaŭ ĉio la milita fakisto, donis sian juĝon kun akreco malofta eĉ antaŭ la juĝejo. Kaj ju pli longe daŭris la juĝado, des pli mi sentis, ke la virino estas perdita — ĉar ŝia kulpo estas grandega. En malgranda paŭzo, pro tio mi venigis Maître Lavelle kaj demandis lin — iom malesperante — ĉu lia klientino ĉiam ankoraŭ havas, kiel mi diris, frenezan esperon.

»Ŝi havas tiun esperon«, respondis la advokato mem malespere, »kaj mi fakte ne scias, je kio ŝi esperas. Ŝi ĵus diris al mi, kiam mi admonis ŝin, helpi al mi, ke mi vidos, ke ĉio ankoraŭ turniĝos — kaj ke oni ne povos lasi ŝin sen helpo, kaj similajn eldirojn. Mi ne povas fari ion per tio.«

Sufiĉe premata mi do reiris en la juĝejon kaj nun la juĝado baldaŭ finiĝis. La prokuroro priskribis la




D. Bartoŝik *Karikaturo pri Cseh-instruistino M. Saxl*

# OKAZINTAĴO

## Rakonto el la vivo de bagnuloj

— *A. Arosev* —

En vagono veturanta el Moskvo Siberion estis multe da arestitoj. Unuj estis ekzilitaj hejmlanden kiel senpasportuloj, aliaj iris punlaborejon kiel malamikoj de l' cara reĝimo, triaj, eble la plimulto, estis tiel nomataj »vagabondoj«, tio estas homoj, kiuj konscie aŭ senkonscie memoris nek sian nomon, nek socidevenon, nek parencaron. Inter la arestitoj estis tri virinoj. En la dokumentpaperoj unu estis notita: »pro prostituo«, alia: »pro senpasporteco«, tria: kiel »memvole forkurinta el gepatra hejmo«. La lasta fraŭlino estis malaltkreska, simple vestita, kun densaj fajrokoloraj haroj. Ŝi estis veturonta etape malpli ol la ceteraj, ĉar ŝia hejmurbo estis Jaroslavl.

La eskortsoldato, kun duonmanĝita peco da kolbaso en la manoj, aliris al la virinoj kaj sidiĝis apude. Tuj post li, la saman angulon de l' vagono, ŝancelpaŝe, kiel ansero, alvenis »rangulo« de l' eskorto. Li tujmomente komencis konduti pli senĝene ol la soldato. Sed li ne estis tiom lerta: lin malhelpis la sabro — emblemo de lia potenco, kiu de tempo al tempo frapadis jen benkojn, jen malproprajn krurojn. La »rangulo« komencis iom post iom senbridigi siajn manojn. La fraŭlinoj timeme premis sin unu al alia foren de li, neadis, devige ridis kaj montris nenian inklinon al la amindumo. Intertempe alpaŝis ankoraŭ du soldatoj. Ili pridemandis la fraŭlinojn: kiuj ili estas, kie estas ilia hejmlando kaj kial ili vivis ne en siaj hejmoj, sed en Moskvo.

Sed la »rangulo« ne kvietiĝis. Profitinte la interparolon de l' soldatoj, li prenis brako ĉe brako la fajroharulinon kaj sidigis ŝin kun si pli malproksimen — en pli malluman angulon. La alia fraŭlino, altkreska, malgrasa, brunhaŭta, kun vizaĝo de Gokonda, kun sulketoj ĉe la lipoj, ĉu malĝojaj, ĉu ridetaj, por esti pli malproksime de l' peko, forlasis la kompanion kaj foriĝis sur la plej altan kuŝbenkon. Ŝi kuŝiĝis tie kaj envolvis sin per nigra ŝalo.

En la rondo de l' tri eskortanoj restis nur unu malaltkreska, malgraseta fraŭlino kun suprenlevitaj lipetoj kaj iom larmemaj okuloj.

Inter la arestitoj estis bagnuloj eskortataj el Butyrki[1]) en Siberiajn malliberejojn. Inter ili rimarkiĝis unu pro sia granda staturo. Iam li estis dungita laboristo ĉe muelejo kaj ricevis bagnon pro partopreno je armita rabo (»eksproprigo super eksproprigantoj!«). Tiu ĉi fakto okazis antaŭ ses jaroj. De tiu tempo katenite li troviĝis en la malliberejo de Butyrki.

Sed nun li estis ekzilata Siberion, en la centran malliberejon de Aleksandrovskij. Li estis dudekkvinjarulo, tre altkreska, kun malgranda kapo sur longa

[1]) Malliberejo en Moskvo. — Rim. de l' trad.

akuza inon kiel danĝeran spioninon, kiu minacas la sekurecon de la ŝtato kaj kaŝas sin sub la masko de artistino, por tiamaniere fari sian aĉan metion. La militista fakisto parolis ion pri neniam plibonigebla malutilo kaj ni retiris nin por la juĝokonferenco. Vane mi provis — pro kompato al Derty — ricevi malseveran juĝon — mi estis supervoĉdonita, kaj kiam mi poste — en spirretena silento prenis de la kapo la bireton, mi devis diri per tremanta voĉo mian juĝon« — pro perfido al la regno kondamnita je dudek jaroj da punlaboro.«

Regis morta silento en la ĉambrego. Derty duone stariĝis kaj ankaŭ la kompatinda Favre iĝis mortpala. Ŝi ŝanceliĝis kaj serĉis tenon per unu mano kontraŭ mia tablo. Kiam mi demandis ŝin, ĉu ŝi komprenis la juĝon, ŝi kapjesis. Ŝi ne kapablis diri eĉ unu vorton.

La ĉambrego jam duonmalpleniĝis. — ankaŭ la prokuroro kaj la asesoroj jam retiriĝis — kiam Maître Lavelle paŝis al Favre — li ŝajne volis ŝin konsoli — sed ŝi nur fiksrigardis lin sovaĝe.

»Mi — ne povas kompreni tion«, ŝi diris raŭke kaj ŝajnis fari al si penon paroli. »Estas — ne eble — ne, doktoro, diru do, ke li estas ĉi tie, kaj ke ĉio klariĝos.«

»Mi fakte ne scias, kiun vi aludas?« demandis Lavelle konfuzite. »Pri kiu vi propre parolas?«

Kaj nur nun la unuan fojon ni aŭdis de la lipoj de la kompatinda Favre la nomon de la viro, je kiu ŝi metis ĉiujn esperojn — estis la nomo de tiu fremdlanda ambasadoro, kun kiu oni vidis ŝin kelkfoje kune.

Ŝi staris tute proksime antaŭ mi kaj ŝiaj alie tiel belaj kaj mildaj okuloj trembrilis — ŝi estis ekster si. Ŝi tremis ne pro ekscitiĝo, sed pro kolero. Kaj nur nun — kiam ĉio pasis — kiam ŝi estis perdita por la mondo, ŝi ĉion konfesis. Ŝi iam, pro aventuremo, montris sin preta fari al la viro servon — servon, kiun oni nomas en la publika vivo spionado — kaj de tiu tempo li ĉiam kaj ĉiam denove devigis ŝin, labori por li.

». . . sed li ĉiam ŝirmis min«, ŝi senspire flustris, »li ĉiam ebenigis ĉiujn vojojn kaj mi bezonis nur iri tien kaj tien kaj preni ĉi tion kaj tion — neniam mi estis vidita — neniam falis sur min suspekto. Ni estis interkonsentintaj pri signo, kaj se mi ricevis tiun signon, mi sciis, ke mi povas labori sen danĝero, kaj kiam mi ĉi-foje ricevis la signon, mi iris en tiun ĉambron kaj . . .«

Mi bezonis kelkan tempon, por ŝin kompreni.

»Pri kia signo vi interkonsentis?« mi ekscitite demandis.

Favre laŭte ekridis. Ŝi estis ĉe la fino de sia forto. »Ĉi tiu fripono«, ŝi diris, »ĉi tiu monstro — se li — sendis blankajn ciklamenojn, tio estis la signo, ke mi povas trankvile labori — estis —«, kaj en tiu momento Camille Derty akre ekkriis.

»Mi«, li kriis, »mi sendis ĉi-foje la ciklamenojn — ĉar mi pensis — ke ili estas viaj preferataj floroj — mi ja ne povis scii . . .«

Favre staris tute trankvile. Kun konfuzita, amara rideto ŝi deturnis sin. Momenton ŝi alrigardis konsternite la konfuzitan Derty — poste ŝi senvorte iris el la ĉambrego. Mi neniam plu vidis ŝin.

*

»Tio«, daŭrigis la juĝisto post kelka tempo, »estas la historio de nia kompatinda Camille Derty kaj la blankaj ciklamenoj. Tio estas la kaŭzo, kial li ne povas vidi tiujn florojn. Li edziĝis kaj amas sian edzinon — sed la rememoro pri la bela kaj malfeliĉa Ninon Favre kelkfoje leviĝas kaj poste kuŝas kiel ombro sur lia vivovojo.«

El la germana: *F. W. V.*

kolo. Lia vizaĝo ŝajnis knaba, ĉar liaj okuloj bluaj kaj profundaj estis naivaj kaj veramaj, sed la malgranda nazeto estis iom pintigita kaj suprenlevita. Se rigardi la vizaĝon, oni povas konsideri lin knabo. Se vidi lin de l' kapo ĝis la piedoj, oni povas pensi: versto de Kolomna[2]). Precipe longaj estis liaj gamboj. Ili estis sekigitaj per la katenoj. Li ŝajnis esti sur stilzoj.

Li interparolis kun neniu kaj kviete interne ĝojis, ke li forlasis la ŝtonan sakon, kie la tuta vivo estis plena de seninterrompa, tranĉanta tintado de l' katenoj kaj de tiuj de liaj tiom proksimaj kaj tiom strange-malproksimaj najbaroj. Fine li ellernis fantazii kaj la tintadon de l' katenoj li aŭdis mara bruego.

Li ne deturnis sian rigardon de l' vagonfenestro, akompanante per bluaj okuloj la preternaĝantajn nubojn, malproksimajn montetojn, herbejojn, arbarojn, arbaretojn, vojojn, ravinojn, riveretojn, loĝlokojn, vilaĝojn, gardobudojn, substaciojn, kaj li aŭdis katentintadon nek de siaj, nek de aliaj gamboj.

Kvazaŭ malforta densa pluvo malleviĝis el la ĉielo la krepusko. Per griza ŝalo estis ĉirkaŭataj, vualataj la herbejoj, montetoj, arbaroj naĝantaj preter la fenestro. Tiam la bagnulo rigardis la serenajn okcidentajn randojn de l' ĉielo, kie, pelataj de l' vento, la disŝiritaj nuboj, kiel ĉiela ŝafaro, naĝis super herbejoj kaj montetoj, naĝis, kviete kuratingante unu la alian. Sed vigla venteto aŭtuna kiel rapidema paŝtisto, antaŭenpelis ilin, antaŭenpelis.

Dume la malaltkreska fraŭlino kun brilantaj okuloj rakontis iom interesan kaj daŭran al la eskortantoj. La »rangulo« en la angulo daŭrigis aspiri reciprokan amsenton de l' fajroharulino.

La arestitoj profitis tiun situacion. Singarde, katomove, ili elŝutis mahorkon (ĉe la etapo estis malpermesate havi kaj fumi tabakon) el ĉapoj, el ĉemizrandoj, el pantalonflikaĵoj, el bastŝuoj. Barinte unu la alian kontraŭ la rigardoj de l' eskortantoj, gardostarantoj ĉe enirejo kaj elirejo de l' vagono, la arestitoj lerte kunruladis »kaprajn piedetojn«[3]) kaj, dispelante la fumon per la brakoj, ili fumis avide, transdonante unu al alia »kapran piedeton«, kiu fariĝis malgranda, bruletanta, sebkovriĝinta papero. Ĉiu avide penis enspiri la pezan tabakfumon, bruligis la lipojn, fumaĵis la lipharojn. Post la enspiro, ĉiu facilige ekspiris kaj, flankenŝovante sin, forkraĉadis. La mahorkon havis ne ĉiuj. Ĉiu havanto dividis ĝin kun sia najbaro.

Pli trankvile ol ĉiuj kuŝis, vizaĝ-al-sube sur supra kuŝbenko, maljunulo el kategorio de vaguloj el la Ĥitrov[4])-vendoplaco. Oni nomis lin »kuvyrkalka«[5]), ĉar lia vivmaniero konsistis el tio, ke veninte la lokon de sia hejmo, kien li estis ekzilita kiel senpasportulo, li denove piedire revenis Moskvon. La ĉeestadon en Moskvo li daŭrigis dum la somero, por, ĉe komenciĝo de aŭtunaj malvarmoj, trafi en malliberejon kaj etapon kaj tiamaniere pasigi la malvarmtempon almenaŭ en ia azilo.

Laŭ la leĝo, la arestitoj en vagonoj devas kuŝi »kap-interne«, por ke ĉiu nova gardŝanĝo povu, laŭ la kapoj, kalkuli la nombron de homoj akceptitaj por garddejoro. La maljunulo, scianta ĉiujn subtilaĵojn de l' arestvivo, kuŝis tiele. Tio ebligis al li observi la tutan scenon inter la eskortantoj kaj fraŭlinoj. Observante la maljunulo melankolie snufis tabakon.

— Ho, kia kanajlo estas la rangulo! — turnis sin la maljunulo al la bagnulo kun knaba vizaĝo.

La bagnulo malgajmiene glitigis la rigardon laŭ la staturo de l' maljunulo kaj denove turnis sin al la fenestro.

La »rangulo« estis tiom logata de l' fajroharulino, ke li ne aŭdis la sufiĉe laŭtan mallaŭdon de l' maljunulo. En la vagontrankvilo oni povis aŭdi, kiel la fraŭlino, alpremita de li en la angulo, ofte, ofte flustris ion al li. Inter ili, videble, okazis malkonsento.

Subite la maljunulo, snufanta tabakon, knarsone deklaris por la tuta vagono:

— He, vi, kial vi la junulinon tedas. Malenergia estas la janulino; mi montrus, kie dipatrino naskiĝis![6])

Pro tia subita kuraĝo de l' maljunulo, ĉiuj unuamomente ektimis kaj ankoraŭ pli trankviliĝis.

La »rangulo« kun okuloj elorbitigitaj alkuris al la maljunulo.

— Silentu! Kuŝu!...

Li ekhezitis.

— Mi ne timas vin — trankvile kaj konvinke

[2]) »Versto de Kolomna« — ruslingva popoldiro, kiu signifas »tro longa«. Kolomna — urbo de Moskva provinco. — *Trad.*

[3]) Popolnomo de angulforma cigaredo kunrulata el mahorko kaj papero. — Rim. de l' trad.

[4]) Vendoplaco en Moskvo, famekonata pro suspektindaj vaguloj, nun likvidita.

[5]) »Transturniĝulo«. — Rim. de l' trad.

[6]) Ruslingva parolturno minaca. — De l' trad.

---

## *Vinrikolto*

*— Gabriele d'Annunzio —*

Tretadas la junulo gaj-piede
En kverka kuvo; la ampleksajn sakojn
Plenigas per sukriĉaj vinberaroj,
Kaj fluas sub la prem' la most' en ondoj.

Li, sinapoge al la trunk' de arbo
Direktas kante la alternan salton
De la piedoj; li aspektas kiel
Dioniz' en bona marmorŝton' aĥaja;

La membroj ridas, de vivec' kaj ĉarmo
Harditaj, kaj agemaj en la ritmo.
Sur la supraj' de l' adoleska brusto
Aperas la fiera ark' de l' ostoj,

Kvazaŭ stud-skizitaj de artisto
Mondfama; kaj, apud la trunk', la brakoj
Estas brilantaj kaj muskolaj kiel
Atletaj brakoj spertaj en disk-jeto;

La gamboj havas dum moviĝ' la ĉarmon
Vivecan de la formo kaj la longon
Kvazaŭ fluantan, kiu tiel karis
Al antikvuloj tole kaj marmore.

Ĉirkaŭ la kuvon la knabinoj venas
De la vinmont' proksima, kun uv-plena
Korbeto sur la kap' kaj faras ĥoron
Simile al Atenaj korbistinoj.

Kaj el sub la kalkanoj purpur-ruĝaj
De la vinrikoltanto fluas larĝa
Mosto-river'; kaj grandanime plenas
De ĝojo pri la hom-labor' la Suno.

El la itala: *Lali Blond.*

## Mia ĝojo

— K. Skalbe —

Jen mia ĝojo: la sufer'
de l' amo, kaj la larmoj.
Burĝonu, velku la somer', —
jen mia ĝojo: la sufer'
de l' amo, kaj la larmoj.

El la latva: *N. Kurzens.*

## Veturo al tombejo

— J. Trimda —

Strata fin'. De l' reloj fino.
Tram' ne trovas vojon plu.
Komenciĝas sabl'. Kaj pinoj,
kie ĉies lasta ĝu'.

Kaj mi pensas ĉiun fojon,
dum aperas tomba pin',
kial ree longan vojon
mi komencu post ĉi fin'?

Kial novan mi matenon
ja atendu, iru plu,
fermi se la vivmalplenon
eblas kun pordjeta bru'?

Kiu scias, eble — peko
tiel pensi dum l' ekzist',
tamen: voj' al sablostreko, —
pli rapide, tramvojist'!

El la latva: *N. Kurzens.*

## La migrulo

— K. Skalbe —

Nenion li posedis,
sed gaje paŝojn metis —
ja sun' al li ridetis
sen groŝo en la poŝ'.

Jen riveret' serpentis,
jen verda bordo tentis —
kaj tiom li kontentis
sen groŝo en la poŝ'!

Sed dum li hejme sidis,
li ion, jen, ekvidis:
malĝojo en li litis
kiel ŝtono en la poŝ'.

El la latva: *N. Kurzens.*

## En aŭtuno malfrua

— K. Skalbe —

Vent' kaj sabl' sur kamp' dezerta,
for la lasta florkolor'.
Plu neniu flor' aperta,
vent' kaj sabl' sur kamp' dezerta.
Rustas herb' kaj nudas arbo,
bluon portas sole kardo
en la verda floramfor'.

El la latva: *N. Kurzens.*

---

respondis la maljunulo — eĉ per fingro vi ne tuŝos min. Fripono vi estas: tie ĉi estas elsekiĝintaj homoj, sed vi... Vidu ekzemple tiun, ĉe la fenestro. Por li, mi opinias, ŝi estas pli bezona, ol por vi. Por li, certe, lasu la junulinon, sed vi... Fi!

Pro la ĉirkaŭkaptintaj malamsentoj, ĉe la rangulo tremis la supra lipo, kaj la lipharoj sur ĝi pufiĝis. Li konsciis, ke lia konduto kun la fraŭlino povis ne pasi senpostsigne. Li vidis, ke la maljunulo estas malnova etapa lupo.

— Nu, nu, ne oscedu[7] — kviete li blekegis, kiel dresita hundo, al la maljunulo.

— Jen do, »ne oscedu« — respondis venkvoĉe, kaj laŭte kiel antaŭe, la maljunulo.

— Hieraŭ vi vidis[8]) virinon kaj morgaŭ vi vidos ŝin, sed jen tiu — la maljunulo denove montris al la altkreska bagnulo — eble jam kiom da jaroj ne vidis kaj ankoraŭ kiom da jaroj ne vidos.

Se estus hele, oni povus vidi kiel la vizaĝo de l' bagnulo kovriĝis per pale-roza koloro. Ruĝaj koloroj ne estadas sur vizaĝoj de arestitoj.

— Jen estas bone, avo. Guste dirite — klare komprenite, — vigle aprobis la arestitoj el diversaj anguloj.

La fajroharulino kaj la nigrohara fraŭlino kun larmemaj okuloj aliris al la tria, kiu kuŝis sur la benko kaj tie ĉiuj kvietiĝis.

Forirante en la kupeon por la eskortantoj, la »rangulo« elmurmuris al neniu aparte, sed simple en la spacon por sia aŭtoritato super la soldatoj:

— Tiun ĉi maljunulaĉon decus kateni per mankatenoj.

Sed la maljunulo respondis al tio:

— Mi, frato, ok jarojn tintadis per krakenoj, — krakenoj en lingvo de arestitoj estas katenoj, — per tiuj vi ne timigos min. Atentu, eble vi mem anstataŭ medalo meritos ilin.

En la vagono restis gardostarantoj. Ili staris sur siaj ordinaraj lokoj ĉe la enirejo kaj elirejo de l' vagono. Sopirrigarde ili observis la mallumon de la malbonodora vagono por arestitoj. La vagono ŝajnis subtera koridoro al infero kaj la siluetoj de la kuŝantaj, sidantaj kaj moviĝantaj arestitoj similis al fantomoj de pekuloj.

Oni ekbruligis supre malgrandan lanterneton malhelan; pro tio la mallumo en la vagono ŝajnis pli timiga. La lanterno palpebrumis kiel okulo de animalo.

Nokte, kiam unuj dormis kaj aliaj ŝajnigis sin dormantaj, sur la benko murmuretis kvaropo: la maljunulo-vagabondo, la altkreska bagnulo, unu gardostaranto kaj fajroharulino.

— Tio eblas, eblas — cedis la eskortanto al la persvadoj de l' maljunulo, — nur al neniu diru!... Atendu, geknaboj, ke ĉio estu kaŝe. Sur min ne metu najlojn.

— Estu trankvila — respondis la maljunulo. — Ĉu ni ne komprenas? Ni estas arestitoj... Estu trankvila.

La altkreska bagnulo alligis per ŝnuro la katenojn al la gamboj, por ke ili ne tintu kaj singarde paŝante, brako ĉe brako kun la fraŭlino, laŭ la konsilo de l' eskortanto malaperis en la vagonmallumo.

La maljunulo, senbrue kiel kato, sin levis al la supra benko, eksnufis ankoraŭ malmulton da tabako, kovris la bruston per arestjako kaj la kapon per la manoj kaj vizaĝe turnis sin al la malvarma, ligna vando de l' vagono.

La gardostaranto dormetis sur sia gardoposteno.

Frapado de kurantaj radoj, siblospirado kaj tusado de dormantoj estis la muziko de l' vagono por arestitoj.

Matene oni vicigis la arestitojn ĉe staciejo. En la unuaj vicoj ĉiam estas bagnuloj. El ili la altkreskulo ĉiam ĉirkaŭrigardis, ĉiam serĉis per la okuloj la fajrokolorajn harojn. Li trovis kaj ekkriis:

— Adiaŭ...

Per la malakra rando de l' sabro la »rangulo« de l' eskorto ekbatis la ŝultron de l' bagnulo. Tiu ha-kriis kaj ekkaptis la brakon.

Por arestitoj estas malpermesate interparoli unu kun alia, precipe ĉe la vicordo.

El la rusa: A. *Sidorov.*

[7]) En senco: ne malfermu buŝon.

[8]) En senco: posedis. — De l' trad.

# MAHAB KAJ LA ŜAKALOJ

– GYÖRGY TERESCSÉNYI –

Jam de du semajnoj Johano vagis senlabora en la homamaso de Parizo.

Du semajnoj senlabore... terura tempo por laboristo, kiu povas vendi nur la forton de siaj du brakoj. Precipe ĉi tie en Parizo, kien li venis por provi feliĉon, kie — li pensis — oni akceptos lin ĝoje, la francoj ĉirkaŭbrakos lin, la francaj kamaradoj, la fratoj, la proletfratoj, kiel oni diris hejme kaj kredigis al li, en la ardo de lia juneca entuziasmo...

Nun pro ia striko oni maldungis lin en la fabriko. Li eĉ ne sciis, pro kio estiĝis la striko? Iumatene fermitaj estis la fabrikpordegoj, oni elpagis lin, kaj de tiam li ne povas ricevi laboron.

— Mi provos en malgrandaj metiejoj — li konsolis sin ankaŭ ĉi-matene, kiam li vagadis en la grandega urbo — eble...

Li literumis la paperojn gluitajn ĉe la enirejoj de la metiejoj; sur ili kutimis anonci laboron la majstroj kaj estroj de laborejoj de Parizo. Multloke oni serĉis laboristojn, ĉefe virinojn...

Sed lin oni dungis nenie.

Li estis malsata, muĝis lia kapo, eĉ tion li jam ne sciis, en kiu angulo de la grandega urbo li vagadas, kie neniu demandas lin, kion li serĉas, kion li volas, kion li dezirus; kaj tiun urbon li elektis kiel novan patrujon en sia senpripensema kaj kredema entuziasmo!

Subite li trovis sin antaŭ granda fabriko. Jam estis tagmezo, kiam li atingis tiun lokon. Antaŭ la pordegoj kuŝadis ripozantaj, siestantaj laboristoj ĉe la muro, sur la benkoj, ili manĝadis de sur gazetpaperoj sternitaj sur la tero.

— Eble ĉi tie ni provos, — li miksiĝis inter ilin kaj la plej proksiman li alparolis:

— Ĉu oni dungas, kamarado?

La alparolito estis malalta, brunhaŭta viro, verŝajne alĝeriano. Liaj brilaj, sanaj dentoj ellumis el liaj ŝvelaj lipoj.

Per speciala, gargara franca-araba lingvomiksaĵo respondis la alĝeriano:

— Ne scii... eble. Ofte oni dungas laboristoj. Pagas nur malmulte... Al alĝeriano, franco, negro, egale. Eble vi provi...

Johano jam rapidis tra la fabrikpordego. Li serĉis la oficejon. Li frapis.

— Mi venis serĉi laboron...

Gisĉemize senvestiĝinta, grasa franco, verŝajne la posedanto respondis:

— Ĉi-tempe? Venu matene, je la sesa!

— Mi volus jam posttagmeze...

— Ne eble... Ni jam aranĝis la tagajn grupojn.

— Dungu min, sinjoro — li petegis — de semajnoj mi ne havas laboron, monon...

— Pri tio mi ne estas kulpa... venu morgaŭ.

— Ĉu morgaŭ vi dungos min? Certe?

La franco pririgardis lin strange.

— De kie mi sciu?...

Ankaŭ de tie li eliris.

La alĝeriano alridetis lin en la pordego.

— Nu? — li interesiĝis.

— Li ne dungis min... eble morgaŭ...

— Jes... morgaŭ. Venos multa pruno. Multa pruno, kalifornia pruno. Estas bezone-laboristoj al la kaldronoj... multa laboristo...

— Ĉu vi pensas, ke li dungos min?

— Certe... Malbona laborloko... Multa varmega akvo... Kuiri multan prunon...

— Kaj kiom oni pagas?

— Dekkvin frankoj... elspezi rapide... restas nenio...

— Dekkvin frankoj — kalkulis Johano — hontinda salajraĉo... Sed tamen iom, ĉiutage.

— De kiam vi laboras ĉi tie? — denove li turnis sin al la alĝeriano.

— Tri tagoj... sed sufiĉis... morgaŭ jam ne.

— Sed kion vi faros poste?

— Nenion fari... tio estas bona. Iri en parkon, en belan francan parkon... dormi en arbaro. Tio estas bona... Kiel en Zahrez, hejme, sub oleoarbo...

— Nu, bonan tagon, kamarado — li adiaŭis lin.

— Bonan tagon, — elbrilis la neĝblankaj dentoj el la ekridetantaj lipoj — nur venu matene... Mahab faros lokon por franca kamarado!

— Mi ne estas franco...

— Sed?

— Hungaro...

— Hongrois?... Ĝin mi ne konas... Kie estas lando?... Ĉu en Afriko?

— Ne... oriente, en Eŭropo... Malgranda lando.

Nun la arabo kun stranga, malĝoja voĉo komencis paroli. Kvazaŭ li respondus ne al la kamarado, sed al si mem:

— Al malgranda lando ne estas bona... al granda bona. Granda lando okupas malgrandan landon... Elpelas popolon el arbaroj, montaroj... Granda lando kaptas la filojn de malgranda lando... Portas ilin en Parizon, en fabrikojn, en minejojn, al maŝinoj... Mahab ne ami maŝinon. Mahab ami Zahrez'on... kaj la akvon El Hodna... Bela akvo, granda akvo, dumnokte ŝakaloj iradas sur ĝia bordo, leonoj ankaŭ... Mahab amas aŭdi dumnokte...

— Kial vi ne iras hejmen? — demandis lin Johano.

En la oleobrunaj okuloj de la arabo estis ia granda, profunda malĝojo, poste li klinis sian kapon. Per la pinto de sia ŝuo enue li frapadis la teron, li estis tute raŭka, kiam li respondis:

— Ne eble iri... Franco por mono portas pa-

---

## Vintra arbaro

*– Karl Jimel –*

Kiam vento polvon ŝutas,
neĝa polvo la aeron
ekvualas kaj neĝeroj
dense falas,
neĝo blankas traarbare
branĉoj kurbe teren pendas,
dum la frosto krakeknare
arbgigantojn funde fendas.
Des pli orfe poste mutas
la silento,
kiam vento polvon ŝutas...

 OBSERVO

ESPERANTISTA GRAFIKISTO DOLFA BARTOŜIK (ĈEĤOSLOVAKUJO)

Recenzante la »Ĉeĥoslovakan Antologion« (»Nederlanda Esperantisto«, n-ro 14. de 1936), ni esprimis nian miron, ke inter la bildoj, kiuj ornamas ĉi tiun laŭdindan libron, ne troviĝas reproduktaĵo de unu el la interesaj gravuraĵoj pri Esperanto de la talenta ĉeĥa esperantista grafikisto Dolfa Bartoŝik, kiu havas multe da admirantoj en Nederlando. Tia paĝo certe ne malornamus la libron.

Kun granda plezuro ni tial nun sur ĉi tiu paĝo atentigas la Esperantistaron pri la persono kaj la verko de nia talento-plena ĉeĥa samideano.

Dolfa Bartoŝik naskiĝis en la jaro 1907 en la malgranda vilaĝo Borŝice en Ĉeĥoslovakujo. En juna aĝo jam montriĝis lia speciala talento pri desegno-arto. Kiel knabo li jam pli-malpli laŭdinde desegnis. Sed por ion atingi en tiu arto (kiel cetere en ĉiu arto) oni bezonas du faktorojn: konceptemon kaj — persiston. (Ĉu Goethe ne diris: »La arto estas longa: mallonga nia vivo«?) Kaj el liaj verkoj montriĝas, ke nia samideano Bartoŝik disponas pri ambaŭ faktoroj: liaj bildoj estas plenaj de originalaj ideoj, ilin distingas la kreopovo de lia artisteco, la granda zorgo kaj pacienco, per kiuj li surpaperigas tiujn ideojn, kaj la persisto kaj plena dediĉo de sperta kaj tiel lerta fakulo, kiuj regas la teĥnikon.

Sur diversaj terenoj de la belarto li laboris, sed baldaŭ li havis specialan preferon al la gravurado. Kiel fervora kaj entuziasma bibliofilo li multe interesiĝas pri la aspekto de libroj kaj tial li speciale dediĉas sin al la ornamado kaj ilustrado de libroj per desegnaĵoj kaj gravuraĵoj. Per kelkaj simplaj ĉizoj en linoleo li scias esprimi riĉan ideon kaj en la malmola ligno kun pacienco kaj akurateco li gravuras la plej delikatajn bildojn, kvazaŭ ĝi estus tre cedema materialo. Precipe liaj ligno-gravuritaj ekslibrisoj kaj novjarkartoj meritas specialan atenton. Li interŝanĝis ilin kun gekolegoj kaj ekslibris-kolektantoj en diversaj landoj kaj tiam ekkonsciis pri la lingva baro, kiu malhelpas la rektan intelektan interŝanĝon. Kaj el tiu izoleco savis lin Esperanto.

Esperanto ebligis al li pli liberan interrilatadon kun artistoj en diversaj landoj, malfermis al li pordojn, alie fermitajn kaj montris al li vojojn antaŭe apenaŭ supozitajn.

Tial tuj kaptis lin la grandioza ideo de Esperanto, krei ordon en la lingva ĥaoso. La artisto, kiu ĉiam devas krei ordon en la ĥaoso de ideoj kaj sentoj supreniĝantaj el lia subkonscio, tre bone komprenas la gravecon de tiu unueciga, ordiga laboro.

Depost lia esperantistiĝo li estas ne esperantisto kaj grafikisto, sed esperantista grafikisto, kies verkojn trapenetras la »interna ideo« de la Zamenhofa idealo, kaj grafika esperantisto, kiu utiligas sian artan talenton por la verda afero.

Kiel Ĉe-metoda instruisto li vagis dum du jaroj tra Jugoslavujo kaj Nederlando, kie li vekis multe da intereso por sia lando kaj por Esperanto kiel plej taŭga interkomprenigilo. Pri lia laboro en Nederlando en la supre citita n-ro de »Ned. Esp.« troviĝas speciala artikolo. Kiel esperantista grafikisto li tre utile servis la nederlandan esperantistaron kaj nian komunan idealon, desegnante tre zorge rubrikokapojn por »Ned. Esp«. kaj precipe per siaj belaj grandaj kolorigitaj desegnaĵoj por la Esperanto-revuo, prezentita dum la 8-a Ned. Esp. - Kongreso en Leeuwarden 1936. Ili ravis la ĉeestantaron. La ĉi-kunaj reproduktaĵoj ne povas veki saman impreson pro malgrandeco kaj manko de koloroj. Tamen ili jam montras la esprimokapablon kaj trafan spritecon en la simbolaj figuroj kaj karikaturoj. La kompleta serio konsistas el 27 desegnaĵoj, ĉiu kiel ilustraĵo ĉe kvarlinia strofeto ĉe ĉiu litero de la alfabeto.

Li nun fariĝis organiza sekretario de la nove fondita grupo de la esperantistaj belartistoj en la tuta mondo. Tiel li kunligas Esperanton kaj sian grafikan laboron kaj propagandante Esperanton inter la artistoj, li akcelas la intelektan interŝanĝon, pri kiu la kvara sekcio de la Internacia Konferenco en Parizo pri »Esperanto en la moderna vivo« sin specife okupas.

Tiel Esperanto plifaciligas kaj pliriĉigas la vivon.

---

saĝeron por fervojo, ŝipo... Se estus eble sur tero, Mahab irus hejmen piede... Sed estas maro, ne eble... Aŭtune tamen ekiros Mahab piede... Piede ĝis Marseille... Dumnokte li rampos sur ŝipon, per ĉeno kaj kaŝos sin en karbo... Dum semajno li vivtenos sin per pano.

— Ĉu vi ne povas ŝpari monon por la vojaĝo?

— Dum tri jaroj jam ŝpari, ŝpari vane... Franco estas saĝa... Pagas nur tiom, por kiom bakisto donas panon, restoraciisto manĝojn... Li volas, ke Mahab restu ĉi tie... kaj la aliaj... Li helpu al ili labori en la fabriko...

— Kial vi ne iras al pli bona laborloko? Kial vi ne petas salajro-altigon?

— Mahab petas... Ĉiu petas... Eĉ fabrikisto donas... Kaj tamen ne eble...

— Sed kial ne estas eble?

— Ĉar bakisto ankaŭ altigas la prezojn... porkaĵisto ankaŭ... restoraciisto ankaŭ, ne eble...

— Eble vi ŝatas diboĉadon, amuzadon?

— Alĝeriano ne ŝatas malbonan francan vinon... Mahab ankaŭ ne... Mahab amas ĉi tie neniun... Mahab amas Dhjalla, kiu restis en Zahrez kaj atendas.

... Nun ekfajfis la vaporsireno. La homoj ekstaris kaj eniris en la fabrikon. La arabo ankaŭ. Li etendis al li sian fortan, brunan manon.

— Feliĉon, kamarado! — poste li malaperis inter la aliaj. Bruegante fermiĝis post ili la fabrikpordego.

Johano restis sola sur la benko de la senhoma strato.

Antaŭ li estis la malgaja, senornama konstruaĵo, la kamentub-arbaro altiĝanta al la ĉielo. Tiel aspektis la maŝindomoj, provizejoj, kvazaŭ grandegaj, kvadrataj ĉerkoj, eĉ la kandeloj, la fumaj kamentubtorĉoj estis ĉirkaŭe.

Malantaŭ lia dorso estis la malĝoja domvico de la periferio, sekigataj ĉemizoj en la fenestroj, disputado, infanbruo. Birdeto pepis en kaĝo sur fenestro kaj Johano tute klare aŭdis la plendemajn, malakrajn kaj delikatajn voĉojn en la bruo.

— Kompatinda birdo, — li pensis kaj sian pulsantan kapon klinis sur la manojn apogitajn al la genuoj, sur la varman kusenon de la du manoj kaj longatempe tiel li rigardis antaŭ si...

... Antaŭ si, la straton plenan de malpuraĵoj, foruzitaj alumetoj, paperoj, strangaj, nekonataj piedsignoj, arbfolioj.

... Kaj li rigardis la falantajn, klarajn larmojn, la feliĉan kaj varman roson, kies fonton li sentis interne, tute interne en sia korpo, proksime ĉe la koro...

... Johano rigardis siajn larmojn, kiam ili miksiĝis kun la polvo de la tero, kun la polvo de la fremda tero.

El la hungara: *L. Spierer.*

La laboro de nia samideano Bartoŝik certe portos multe da fruktoj kaj por sia arto kaj por Esperanto, do por la homa kulturo. *S. S. de Jong Dzn.*

BETTI ALVER estas juna estona verkistino kaj poetino. Unuafoje oni ekaŭdis la nomon de Betti Alver, kiam ŝi en 1927 per sia romano »Ventamatino« ektroviĝis inter la premiitoj de la romankonkurso, aranĝita de la eldonejo »Loodus«. Tiu ĉi romano pro sia facila enhavo ne estas literatura evento, sed ĝi vekis atenton pri la stilaj kapabloj kaj originaleca pensmaniero de la juna aŭtorino. Ŝia prozverko »Komedio de la mizero«, aperinta en 1935, kiu estas plena je ironio kaj grotesko, ne estis tiom favore akceptita kiel ŝiaj poemverkoj »Rakonto pri la blanka korniko«, 66-paĝa libro, aperinta en 1931, kaj ŝia unua poemaro »Polvo kaj fajro«, aperinta en 1936. Pri la lasta libro konata estona kritikisto diras, ke neniu alia estona poeto estas debutinta per tiel altkvalita kaj matura poemaro.

Betti Alver antaŭ ĉio estas esteto kun kulturita artogusto. La formon ŝi bone majstras. Ŝi kapablas esti sagaca, precipe ĉe esprimado de siaj fantastaj groteskaĵoj. Al la poetino ne estas fremdaj prema skeptiko kaj interna dueco, sed ia granda vireca kuraĝo, riskemo kaj provokemo donas al ŝia vivosento vastan bazon. Liberiĝo de la rutino, de la ĉiutaga grizeco, dancado sur tiu trancilklingo, kiu apartigas »katedron de frenezulejo«, adorado de la »malica lumo«, ĉe kies sekvado eĉ la pereo ne ŝajnas danĝera — jen la plej tipaj trajtoj de ĉi tiu animo, soifanta la ekstremajojn, la puran belon.

Estas ĝojiga fakto, ke en la lastaj jaroj la nombro de la estonaj poetoj konsiderinde pligrandiĝis pro alkresko de novaj esperigaj talentuloj, inter kiuj Betti Alver okupas la plej atentindan lokon. *Hido.*

## LA TRICENTJARA CID

En januaro de ĉi tiu jaro estis la 300-a datreveno de la unua Pariza prezentado de Cid, majstroverko de Corneille. Nenio estas pli karakteriza por la granda sukceso de la tragedio, ol ke ekestis tia disputado ĉirkaŭ ĝi, de kiu dum jaroj laŭtis la franca literatura kaj socia vivo.

Kiam Cid estis prezentita al Pariza publiko, Corneille havis 30 jarojn kaj estis jam bone konata, kaj festata verkisto de dramoj. Sed la akcepto de lia dramo superis ĉiun lian ĝistiaman sukceson. Monory, tiutempe tre fama aktoro ludis la ĉefrolon kaj ravis Parizon, precipe la virinojn. La premieron »*partoprenis ĉiuj*«: la kortego, la aristokrataro; eĉ la oficistoj de la juĝistaro premiĝis tie pro kolega interesiĝo. La aktoroj, laŭ invito, devis en la Louvre tri fojojn ludi la tragedion, kiu enspezigis pli ol dek aliaj plej bonaj teatraĵoj. En marto de 1637 Cid aperis ankaŭ en libro-formo kaj fariĝis baldaŭ preferata legaĵo de la plej bonaj rondoj. La literatur-entuziasmuloj sciis parkere tutajn partojn, eĉ lernigis al la infanoj. »Bela kiel la Cid« fariĝis baldaŭ proverbo.

La belsonaj versoj de la tragedio ravis ankaŭ la reĝinon, tiel ke la pensiita patro de Corneille ricevis kun siaj infanoj nobelecon. Per tiu distingo realiĝis malnova revo de Corneille. De tiu tempo li neniam forgesis glui al sia nomo la titolon *écuyer*, kiun li rajtis uzi kiel nobelo. Cetere li havis grandan praktikan senton, kaj bone taksis la avantaĝon, kiun li kiel nobelo povis ĝui, nome la favoran imposton.

Sed la ĝojon de literatura kaj socia sukceso baldaŭ rompis la enviaj kaj intrigantaj samprofesianoj. Unu el tiuj estis certa dram-verkisto *Mariet*, kiu, ĉar la Cid estis transverkaĵo de la dramo de hispana verkisto, direktis sub la pseŭdonomo Don Baltazar de la Verdad, kvazaŭ li estus la verkinto de la originalo, mokversojn al »*sia franca tradukinto*«. La poemo finiĝas jene: »*Senplumiĝ ta korvo (corneille), al mi vi povas danki vian famon.*« Ankaŭ Corneille respondis en versoj, mallonge sed krude. Nura envio li nomas la atakon; kaj la verkinton de la mokpoemo li titolas *infera frenezulo*, kiun en Parizo oni montras per la fingroj kaj priridas liajn poemojn.

Per tiu poema sed ne poezia polemiko komenciĝas la granda literatura batalo. Inter la atakantoj de Corneille la gvidantan voĉon havas *Scudéry* kun sia ampleksa traktato *Notoj pri la Cid*, en kiu li publike akuzas la grandan poeton per plagiato. Corneille respondas al Scudéry en publika letero, kaj la akuzon de plagiato li rifuzas per la rimarko, ke li mem atentigis la atakinton, ke la ideo estas ĉerpita el la teatraĵo de Castro, kaj ke la nomon de la hispana aŭtoro li prisilentis nur tial, ke li rigardas la hispanan verkiston nur antaŭa prilaboranto de la materialo. (Same prisilentis, post dudek jaroj, la nomon de Corneille, la hispana verkisto Diamante; li prilaboris la francan Cid hispane. Sed la fatalo atingis lin, ĉar Voltaire poste, erare, en li *malkovris* la hispanan modelon de Corneille.)

Al la traktato de Scudéry kaj la respondo de Corneille ligiĝas tuta legio de atakantoj kaj defendantoj. Iom post iom la disputo plivastiĝas. Preskaŭ ĉiu aŭtoro partoprenas en la batalo, kiu fariĝas ĉiam pli akra. Kiel intensa kaj vasta tiu disputo estis, pruvas plejbone la verko de Armand *Gasté*, profesoro ĉe la universitato en Caen, kiu eldonis en 1898 la tutan materialon de la disputo pri Cid sub la titolo »*La querelle du Cid. Pièces et pamphlets publiés d'après les originaux.*« La kolektitaj dokumentoj ampleksas 495-paĝan volumon.

La longa vico de pamfletoj malbonigis la situacion. La diskuto jam iris trans la limojn de la bona gusto: la disputantoj fine jam jetis unu al la alia nur ofendojn kaj insultojn kaj malĝentilaĵojn, tiel ke kardinalo Richelieu trovis oportuna enmiksiĝi per paciga alvoko, kvankam li ne tro simpatiis al la verko de Corneille. Li prezentigis ja parodion pri la Cid, verkitan de normandia abato, Boisrobert. La trivialaj spritaĵoj de la parodio fariĝis tiel popularaj, ke post jardekoj eĉ Molière transprenis el ili en sian unuan burleskon. La antipatio de la kardinalo havis plurajn kaŭzojn: la *Cid* flatis la hispanojn, malamikojn de la francoj; la ĉefrolon ludis nobelo spitanta la reĝan potencon; kaj la tragedio laŭdegis la duelon, kiun Richelieu persekutis kun drakona severo.

Tamen la kardinalo pacige intervenis la jam tute vulgariĝintan diskuton. La peradon de la paco li konfidis al Boisrobert, kiu poste eltrudis de Corneille deklaron, en kiu Corneille kontentas pri la deziro de la kardinalo, ke la tuta disputo estu prezentata por juĝo al la Akademio. Nome, Richelieu volis eluzi la okazon akiri renomon por la juna instituto, donante al ĝi la eblon: fariĝi gvidanta forumo de la literaturo.

Pli ol unu jaron la akademio laboris pri la *Opinio*. Komitatoj fondiĝis, memorandojn oni ellaboris, kiujn ĉiujn persone kontrolis la kardinalo. Fine la verko pretiĝis laŭ la koncepto de Chapelain. Ĝi estis tiel lerte konceptita, ke ambaŭ partioj povis sin senti venkita.

Per tio la Cid-disputo finiĝis, kvankam ĝi ankoraŭ suprenjetis kelkajn ondojn. Corneille ja volis repliki al la *Opinio* de la Akademio, sed li cedis al la deziro de la kardinalo. Nur longan tempon poste li formis sian kontraŭopinion en letero skribita al kritikisto: »Se iu ne estas tute stulta, li povas ja vidi, ke en tiaj aferoj, ĉar ili ja dependas nek de la religio, nek de la ŝtato, oni povas tiel same juĝi laŭ la homa intelekto, kiel laŭ la reguloj de la teatra poezio.« La vundoj ricevitaj dum la Cid-disputo ankoraŭ longe doloris al li, eĉ en la prologo de lia verko *Attila*, aperinta en 1667, sentiĝas ankoraŭ ke ili ne estas tute cikatriĝintaj. *(A. F.)*

## INTER KVAR OKULOJ KUN J. S. HARDY

Apenaŭ du horojn bezonas la rapidvagonaro de London ĝis King's Lynn, sed tiuj du horoj transpontas tre multan. Anstataŭ la ŝton-ĝangalo de la benzinodora mondurbo, etendiĝas ĉirkaŭ ni la pacaj kampoj de Norfolk kaj la trankvilon de la malgrandurbo eĉ la rapidantaj aŭtomobiloj ne povas tute forpeli. Kings Lynn estis iam multe pli grava urbo, ol hodiaŭ la giganta Liverpool; ĝiaj patriciaj komercistoj negocis ĉefe per vino kaj greno. Sed poste, Dio scias kial, la maro forlasis la urbon, same

kiel la plej multajn el la famaj Cinque Ports; sur la loko de ĝia iam bruanta kaj vivoplena haveno etendiĝas kampoj kaj paŝtejoj. Se oni volas vidi ŝipon, oni devas veturi unu horon kaj duonon per aŭtomobilo.

Ĉe la stacidomo alrapidas nin vigla sinjoro kun tre juneca vizaĝo, kun okulvitroj, kun forte kalviĝanta verto; li estas unu el la plej aventur-vivaj anglaj verkistoj, kaj samtempe unu el la plej popularaj literaturaj figuroj de Anglujo: kapitano S. L. Hardy, kies »Tremegas la Mondo« estas verko konata en preskaŭ ĉiuj lingvoj. Antaŭ ol ni ekiras al lia sescent akreojn granda bieno, ni devas trinki la tradician *Sherry* en la proksima hotelo, kie ni renkontas la edzinon de Hardy. En Anglujo apenaŭ troviĝas pli delikata beleco ol la ŝia, malgraŭ la jam grizetaj haroj. En la intereso de la familia paco la geedzoj havas po unu aŭtomobilon; en Anglujo tio ne estas lukso, sed apartenas al la elementaj necesaĵoj.

La unuan fojon oni komencis mencii Hardy-n en literaturaj rondoj, kiam aperis lia verko »L'Escape«. Neniam la germanaj magistratoj havis tiom da malagrablaĵoj pro militkaptita oficiro, kiom pri Hardy. Sesfoje li fuĝis el la diversaj internigejoj (»apenaŭ mi alvenis en iun, ni jam estis el ĝi for,« li rakontas), ĝis fine la sepan fojon li sukcesis transiri la limon al Nederlando. La legitimilon, kio lin rajtigis veturi de Berlin ĝis Aachen, li falsis dum semajnoj. La stampilojn de la civilaj kaj militistaj oficejoj li imitis per diskoj, kiujn li eltranĉis el siaj ŝu-plandoj; li zorgis eĉ pri tio, ke la rubrikojn plenigu unu el liaj amikoj, por ke subskribo diferencu de tiu skribo. Post kiam, mortlace, li sukcesis transpaŝi la limon kaj atingi Anglujon, li tuj sin anoncis denove por frontservo, malgraŭ ke la kontraŭspionaj organizoj ofertis al li gravan pozicion. En la antaŭlasta monato de la milito li vundiĝis — la maldekstran gambon oni devis amputi.

Inter nekredeblaj suferoj, daŭra morfin-stuporo li skribis sian libron pri siaj fuĝoj el la internigejoj. Dum sep jaroj li vane iris de unu al alia — ĝis fine unu eldonisto, kiu kompilis tian serion, eksciis pri li. Tiu ĉi libro eĉ nun, ses jarojn post la apero, estas furoraĵo.

Dum la sep jaroj Hardy provis tre multe. Antaŭ la milito li prepariĝis profesia soldato; nun kompreneble tio ne plu estis ebla. Sed ke li gluiĝu al la seĝo de iu oficejo en la »City«, de tio detenis lin lia maltrankvila sango. Si aliĝis al la organizo Black-and-Tan, kiu batalis kun la angloj kontraŭ la ribelantaj irlandanoj. En Dublin li konatiĝis kun sia edzino, kaj dum la mieltagoj la juna edzino neniam sciis, kiam oni hejmenportos la edzon mortinta, kun la kuglo de irlanda patrioto en la korpo. Tiu nervo-ŝira stato daŭris jarojn; dumtempe la irlandanoj eĉ malliberigis Hardyn kiu sidis naŭ monatojn en la fortikaĵo de Dublin.

»Sed de tie mi ne povis fuĝi« — li rakontis, dum ni sidis en komfortaj foteloj antaŭ la forno, en kiu eĉ nun somere krakis la fajro. Du katetoj kaj du saĝokulaj mildaj spanielhundoj flankumadas ĉirkaŭ ni; sur la muroj: memoraĵoj pri la antaŭ nelonge farita vojaĝo en Ĉinujo.

»Kaj kiam mi revenis al Eŭropo — li daŭrigas — mi ne sciis kion komenci. Krom la soldateco, la metio de mortigo, mi konis sole la teron kaj la bestojn, do la mastrumadon. Pro tio mi venis ĉi tien, al Norfolk, kaj luis tiujn sescent akreojn kun kelkaj »cottage«-oj kaj tiu 150-jara domo.

»Kaj poste vi tamen transiris al la literaturo?«

»Ĉar mi estis devigita« — ridas la verkisto. — »Mi kredas, ke en la tuta mondo plendas la terkulturistoj pri la varia tiraneco, kapricoj kaj malcerteco de la vetero. Vento, pluvo, frosto kaj sekeco, je Dio, donas sufiĉe da kaŭzo por plendi. Estis jaro, kiam mi ne gajnis eĉ unu pencon; tamen mia edzino amas la belajn vestaĵojn kaj mi mem ne volonte malhavus la kutiman viskion kaj bonkvalitan piptabakon. Kaj por tia mi ne havis monon, ja por la plantejoj, kiujn mi forluis, mi ricevas nur unu ŝilingon kaj duonon semajne, kaj la ĉiusemajna elspezo por salajroj estas 50—60 funtoj, se ne paroli pri la aliaj. Poste — li daŭrigas serioziĝinte — foje mi iris Londonon kaj rigardis la teatraĵon de *Sheriff* la *Journey's End* (Fino de l' Vojaĝo). Kiam mi eliris el la teatro, mi sentis, ke mi *devas* skribi teatraĵon. Dum tri tagoj mi skribis unu kaj sendis ĝin al amiko, kiu estas teatra fakulo. Li respondis, ke la ideo estas bonega, sed la teksto estas aĉa... Do poste ni kune verkis *Key* (Ŝlosilo) en kiu ni prilaboris miajn travivaĵojn en Irlando. Ĝi estis prezentata dum kvin semajnoj en iu teatro de West-End — preskaŭ nenion mi gajnis per ĝi. Mi jam estis tute senkuraĝigita, kiam subite telefonis mia agento, ke Ameriko volas aĉeti la teatraĵon por ĝin filmigi.... Ni sciis, ke de la programo ĝi estos deprenita jam sabate — kaj jaŭde la aĉeto ankoraŭ estis malcerta. Tamen ni kuraĝe blufis kaj sukcesis surprenŝraŭbi la aĉetprezon de dumil funtoj al 4.500. El tiu sumo mi ricevis nur la trionon, sed por momento ĝi forigis miajn zorgojn. Post tio mi skribis la *Tremegas la Mondo*, ĝi jam aperis en sep lingvoj kaj estas filmigita. La ĉefrolojn ludis en la filmo Constance Bennett kaj Douglas Montgomery. Constance venis el Ameriko, ke ŝi ludu la rolon de la blonda Anna; la amanta Berlina stratknabino ... Poste venis ĉio de si mem. La filmrajton de mia romano *Never in vain* (Neniam vane) aĉetis la Gaumont British jus antaŭ ol fermi sian pordegon; mi estis la lasta persono al kiu ili donis ĉekon. Ankaŭ mia alia romano *Recoil* (Retimiĝo) estos baldaŭ filmigita. Sed ĉio ĉi ... estas io ne certa kaj tute ne daŭra. Mi skribas malrapide, dum unu jaro maksimume unu libron. Estis jaro, kiam mi gajnis trimil funtojn per verkado — alifoje eĉ ne tridek. Pro tio estas bonaj la sescent akreoj, kiuj enspezigas almenaŭ 4 funtojn semajne. Estas ja sufiĉe da laboro pri ĝi, — sed mi amas la teron kaj amas la pluvon, volonte mi eksperimentas per sukerrapo kaj lupolo ...

»Kian alian pasion vi havas ankoraŭ, kapitano Hardy« mi demandas plu.

»La virinan belon — li respondas ridetante. — Se mia edzino ne estus tia perfekta virino, mi jam delonge estus ŝin trompinta. Mi amas verki pri belaj kaj mistikaj virinoj«.

---

*RIMARKO*

Ni atente legis la raporton pri la Jubilea Kongreso en via revuo (n-ro 4, 1937) kaj gratulas vin pro la bonega enhavo de l' raporto kiel de tiu ĉi numero de L. M. ĝenerale.

Ni atentigas vin pri grava ne komprenebla eraro en la raporto kaj ni dankus vin se vi tion plibonigus en venonta numero de L. M. Nome via raportisto diras:

»UEA kaj IEL kiuj eĉ ne bonvolis prezenti al la »neinda kaj blinda popolo« la esencon de la malpaco, la diferencojn kiuj disigas ilin, la ĉefajn kverelpunktojn de la milito. Oni ne sole ignoris la kongresanaron — oni simple ofendis ĝin.« Ktp.

Via raportisto verŝajne ne partoprenis la ferman kunsidon. Alie li estus dirinta, ke UEA prezentis presitan priskribon de la situacio, disdonitan al ĉiuj kongresanoj (sur kolora papero). Tiu ĉi presita dokumento enhavis la esencon de la tuta konflikto kaj resuman priskribon de la faritaj proponoj. Plie la administranto de UEA, Hans Jakob, resumis la tutan materion forte aplaŭditan de la kongresanaro. Lian proponon, ke la kongreso mem esprimu sin, malhelpis la stranga aranĝo de la ferma kunsido, farita sen interkonsento kun UEA kaj komenciĝinta je la deka horo.

La supra raporto en la L. M. do ne respondas al fakto. UEA faris sian devon kiel diktis la cirkonstancoj. Ne estas ĝia kulpo, se je la alia flanko oni ne volas trakti publike la problemon. *Hans Jakob*

en la nomo de la provizora komitato de UEA

# Skizo pri homo

— Ervin Fenyvesi —

Ankaŭ lia patro kaj liaj avoj estis komercistoj, komence senhavaj, sed post generacioj pli kaj pli riĉaj. Jam dum sia junaĝo, pro aventuremo, — heredita de iu avo, kiu pelite de sia propra sango venis en la 'urbon kaj ekloĝis tie, — li multe vojaĝis en la proksimaj landoj. Li estis sufiĉe kulturita por lerni kaj studi sen gvidanto, kaj li faris tion, sed kiam li komencis studi la socion kaj la homan vivon, lia talento montriĝis nesufiĉa. Neniam li atingis profundan konon pri tiuj nek kapablis rimarki la grandajn interrilatojn de la vivo kaj la socio. Li amis la vivon, teruriĝis, kiam li pensis pri la foriro el ĝi; li ne povis kredi je la postviva estado, tial li ankaŭ ne estis tre religiema, nur tiom, kiom li volis peti la helpon de la ĉielo. Li amis la vivon, sed ne komprenis ĝin, ĉar li serĉis ĝin nur surface, kaj kiom li trovis, tion li kredis la vivo, simile al la fiŝkaptisto, kiu enmergante la kaptilon, rigardas la akvon kaj atendas la fiŝojn, sed eĉ ne provas studi la internan vivon de la akvo, la ludemajn fiŝojn, kiuj gaje ludas kaj riske vivas, la multspecajn bestetojn, kiuj saltas, rampas aŭ naĝas kaj la tutan vivon de la akvo, kiu dum bona vetero ŝajnas paca al la romantikulo, sed terura al ĝiaj fundaj konantoj.

Lia juneco pasis for; li ekkonis la facilajn ĝuojn de la vivprintempo, sed sen ia profunda memorajo. Nenio restis el ĝi. Kune irante kun siaj amikoj, li lasis sin vivi. Kelkfoje, sed tre malofte, li rigardis en sin mem; observis, kion li faris, kaj vidis, ke nenion. Tamen restis ĉio kiel antaŭe: li eĉ diris al si mem: »faru, kion vi volas, vivu!« Fatalistoj agas simile, kiel li.

La plezuroj de la momento estis lia ĝuo, la virinoj kaj la ludo liaj ĝojoj. Li estis malbela homo, tute ne virinidealo, sed forte erotika. Guste lia amerupcio ne plaĉis al la virinoj, li estis do devigita turniĝi al la pli facile konkerebla parto de la virina mondo, tio estas: al la duonmondo.

Li ekkonis sian edzinon en familia rondo, kiel filinon de malproksimaj parencoj. Granda doto, bela knabino atendis la edzon, kaj li kuraĝis entrepreni la edzan rolon post la instigado de lia patrino. Lia fianĉino neniel diferencis de la aliaj samaĝaj burĝaj knabinoj. Ŝi ricevis tre modestan edukadon, ĉar la gepatroj tradicie destinis ŝin esti mastrino kaj patrino. Ŝian propran volon la familio tute subpremis. Tio efikis la modernan knabinon tre malbone. La malpermesoj igis la aferojn sopirataj kaj kiam prezentiĝis la postulo de la juna korpo, ŝi senpripense volis ĝin sekvi. Tamen, la timo de la familia skandalo kaj de la venonta edzo, kiu esperos ĉastulinon, retenis ŝin de riska paŝo.

Post la geedziĝo ilin ne ligis amo unu al alia: la viro serĉis por si nur kunloĝantinon, kaj la virino pensis: »mi kutimiĝos al mia edzo«. Ŝi alkutimiĝis efektive, eĉ tro, ŝi ege enuis. Poste ŝi sciis sin alie konsoli kaj kontentigi. La adulto tute ne portis al ŝi grandajn emociojn: ŝi provis sukcese iom da ekscitiĝo, iom da distro — fine ŝi laciĝis je tio. Cetere, ŝi naskis du infanojn, knabojn, kiujn ŝi bone prizorgis, ĉar ververe ŝi estis bona virino kaj bona patrino.

Al li, tio estis grava, ĉar li treege sopiris la familian vivon, ekmalamante la vivmanieron, laŭ kiu li antaŭe vivis. Edzino, infano, komforto, manĝado, nur por ili li laboris, kaj li estis plena de sincera patra amo. Li havis ĝenerale bonan koron, eĉ molan, tamen atentis, ke la almozuloj ne tro alkutimiĝu al lia pordo. Lia laboristaro sincere ŝatis lin, pro liaj rektaj, senperaj homaj trajtoj, ĉefe pro lia homa sinteno al ili.

Li ŝatis la facilan muzikon — nur tiun li komprenis — sed pro eleganteco, li kelkfoje vizitis operon, koncertojn, malfacile aŭ tute ne kompreneblajn al li. En lia loĝejo pendis kelkaj malbonaj pentraĵoj, por ornami la muron. Ili estis multekostaj, sekve »valoraj« laŭ li. Granda estis lia entuziasmo al la literaturo. Li rapidis aĉeti la novajn librojn, legis multe. Ne, la verkoj neniel efikis lin, vere ili estis nur por pasigi la tempon, kion li kunligis kun sia snobemo. Tial li preferis la famajn verkojn, sed nur la prozon, poemojn ne.

Sen grandaj emocioj, kiel povas nur la interne simplaj homoj, li atingis tian vivon, pri kiu li diris en sia maljunaĝo, ke ĝi estis sukcesa. Li eraris, li rajtis diri nur, ke ĝi estis agrabla. Sukcesa vivo signifas ja atingitajn celojn, kaj vivcelojn li ne havis. Liaj celoj estis nur de-tag-al-tagaj, ilin starigis nur la konstanta, ĉena fluo de la laboro, kies jugon li portis.

Senkulpa naskiĝo, spirita streĉo, korpa vegetado, silenta morto, sincera priplorado de la familio, — tio estis koncize lia vivo, kiu post kelkaj jardekoj tute malaperos en la senfinan tempon. Iom post iom tute forviŝiĝos liaj vivkonturoj, lia figuro ŝoviĝos en la eterne kovrantan mallumon de la forgeso, kaj ne tien, kien ankoraŭ venas eta lumstrio el la teruraj malproksimoj de la Eterno.

---

»Kiam mi verkis la *Tremegas la mondo*, mi ege ĉagrenis mian edzinon per tio, ke de tempo al tempo mi deklaris al ŝi: nun mi iros en mian ĉambron kaj pasigos unu horon kun Anna. Mi amas bonan anglan bieron kaj vojaĝon. Antaŭ ne longe mi estis en Ĉinujo, en Honkong, kie vivas parencoj de mia edzino.

»Kion vi verkas nun?«

»En januaro aperos nova romano de mi; ĝia titolo estas: *It might have been you!* (Ankaŭ vi estus povinta esti.) Ĝi temas pri iu, kiu, en ebrio, mortigas pasanton per sia aŭtomobilo kaj veturas plu. Poste li ekscias, ke la mortinto havis junan amatinon, pri kiu nun jam lin ŝarĝas la respondeco. Ŝi vizitas, subtenas ŝin, kaj kvankam li estas feliĉa edzo, ĉiam pli kaj pli fortiĝanta sento pelas lin al la knabino ... kaj je la fino la knabino oferas sian vivon por savi la viron kontraŭ la sekvoj de lia krimo ...

Du longajn tagojn mi pasigis en la domo de Hardy, ni parolis pri diversaj problemoj kaj temoj. Dum tiuj paroladoj mi ekkonis la interesan multkoloran animon de Hardy.

Mi opinias, ke ankaŭ la esperantistaron interesas ĉi skizeto, kiu, malantaŭ la libroj, la sukcesoj, montras la homon. *(P. Tabori.)*

### GRANDAJ HOMOJ

Kiel estas konate, ni vivas en epoko de grandaj homoj. La kulton de grandaj homoj — ankaŭ tio estas konata — fondis Nietzsche, kiu ja cetere estis vere granda homo (li malkovris ankaŭ la *Individuon*). Eble al li ni povas danki, ke hodiaŭ preskaŭ ĉiu homo opinias sin *Grandulo* kaj ke — tio estas eĉ pligrava — multajn homojn ankaŭ la aliaj opinias *Grandaj*. Mi mem, dum mia tute ne longa jurnalista kariero, renkontis centojn da *Grandaj Homoj*, inter ili almenaŭ 120—150 geniulojn, kio ja estas la plej alta rango en la individuo-hierarhio.

La grandajn homojn ni povas rekoni per tio, ke ili preskaŭ ĉiutage (ofte eĉ dimanĉe) ordonas, malfermas, fermas, akcentas, konstatas, solvas, transpontas, inaŭguras, analizas, stilizas, formas per vortoj aŭ koloroj, muzikigas, vendas, malkovras, inventas, perfektigas, fondas aŭ likvidas ion. Iuj estas grandaj homoj, ĉar ili atingis altan aĝon, aliaj ĉar ili mortis junaj. Iu povas fariĝi granda homo per tio, ke li jetas kuraĝe en la okulojn de la mondo, ke duoble du estas kvar; alia per tio, ke li same kuraĝe asertas, ke duoble du estas kvin. (En la unua okazo li estas impone saĝa; en la dua, impone originala.)

Ĉiuj, kiuj estas rigardataj kiel grandaj, devus legi la anglan libreton aperintan en la lasta tempo: ĝia titolo estas: *How to be famous, or the great in a nutshell* (Kiel fariĝi fama, aŭ la grandaj homoj en nuksoŝelo). La tekston de la atentinda libreto kompilis du junaj verkistinoj: Theodora Benson kaj Betty Askwith kaj la ilustraĵojn faris Nicolas Bentley. Tiu ĉi libro — se uzi la stilon de la grandaj homoj — estas manko-pleniga verko. Funde de vastaj, zorgaj esploroj kaj kolektado de la opinioj de la publiko, ĝi enhavas en kompaktaj klaraj frazoj ĉion, kion la norma homo de hodiaŭ povas rakonti sen cerbumo pri la *grandaj homoj*. En la prologo la aŭtoroj donas utilajn konsilojn al la estontaj *Famaj Homoj*. Laŭ ili estas kvar ebloj fariĝi fama: se oni faras ion faman; se oni diras ion faman; se oni okupas faman postenon; kaj se oni fariĝas viktimo de fama okazintaĵo. Se iu estas konforma al iu el tiuj kvar postuloj, tiun memoros ankaŭ la posteuloj. La aŭtoroj vicigas enciklopedie la famajn homojn, kaj tion, kion la mondo pri ili scias. Mi ne povas kontraŭstari la tenton, kaj en rapidstila traduko mi publikas kelkajn citaĵojn:

*Kristoforo Kolumbo;* serĉis Hindujon, sed malbone kalkulis kaj anstataŭ trovi la serĉitan landon, malkovris Amerikon, tamen li ne rimarkis sian eraron. Li faris tre faman kaj lertan eksperimenton per ovo.

*Harun-al-Raŝid;* vivis en inkognito.

*Emerson* havis la baptonomojn Ralph Waldo.

*Newton* estis tre distrita homo. Foje dum kvin minutoj li kuiris sian poŝhorloĝon kaj tenis en la mano ovon. Krom tio li malkovris la leĝon de gravitado, kiun li konkludis el la fakto, ke la pomo ĉiam malsuprenfalas de la arbo. Ankaŭ la diferencialan ciferon li malkovris, samtempe kun Leibnitz. Pri Leibnitz ni scias nenion.

*Ivano la terura.* Se rusan caron oni jam nomis tiel, certe okazis teruraj aferoj tie.

*Monroe* havis doktrinon.

*Mme Recamier* kuŝadis sur sofo.

*Vilhelmo Tell* estis la sola sviso, kiu faris ion rimarkindan.

*Tolstoj* iradis nudpiede, havis blankan barbon kaj socialan konsciencon. Li invitis la kamparanojn trinki teon en lia salono, pro kio lia edzino ofte ĉagreniĝis.

La *rusa romano* estas ĝenerale griza, nuda kaj senespera. Ĉiuj personoj en ĝi sidas kun klinita kapo kaj ĝemadas. Okazas nenio; multaj sin mortigas; ĉiuj vivas animan vivon.

*Ludoviko la XIV.* estis la sunreĝo. Li konstruigis Versailles; multajn militojn li havis; sidis sur senbrida ĉevalo kun la marŝal-bastono en la mano, kun blankpluma ĉapelo sur la kapo. Fariĝis reĝo jam kiel infano. Havis multajn amatinojn, estis malbona al ili. Estis fama pro siaj mebloj. Li diris: »*La ŝtato estas mi.*«

La *Virgulino de Orleans* estis rigardata longe kiel sorĉistino, ĉar alie ŝi ne estus ja povinta kiel francino venki la anglojn. Iom da tempo mem la francoj opiniis ŝin tia. Nur post longa tempo, kiam la nacia memkonscio jam malpli-altiĝis kaj la influo de la Ligo de Nacioj plifirmiĝis, ŝi estis sanktigita.

Tiuj ĉi estas nur kelkaj citaĵoj de humura speco, hazarde elprenitaj: sed se oni pripensas, ili ne estas eĉ humuraj. La reala vivo povas esti ofte eĉ pli surpriza. En la Pariza tombejo »Père la Chaise« mi renkontis bone vestitajn geedzojn. »Kiu li estis? Ĉu komponisto?« — demandis la edzino. »Ne, romanverkisto« — respondis la pli bone informita edzo. Eksperimentoj, kiujn faris amerikaj kaj francaj gazetoj antaŭ unu aŭ du jaroj, pruvis, ke hazarde alparolitaj strataj pasantoj ne scias eĉ pri la nun vivantaj grandaj homoj pli multe ol la ĵus cititaj specimenoj pri la malnovaj. Tio estas tre malgajiga, sed la anglan libron mi tamen legis kun iom da ĝojo. Mi pensis pri tio: kiom malmulte scios la sekvontaj generacioj pri la nunaj grandaj kaj famaj homoj! Malforta konsolo, sed tamen pli ol nenio. *(G. B.)*

## TITTA RUFFO VERKIS SIAJN MEMORAĴOJN.

La memorliteraturo, fariĝinta modo en la lastaj du jardekoj, ankaŭ la italan libro-merkaton superŝutis per amaso da rememoroj, notoj, taglibroj kaj intimaj konfesoj. Kvazaŭ ĉiuj, kiujn la famo por iom da tempo prenis sur siajn flugilojn, volas eternigi sian gloron (kompreneble por iom da materiala profito) per la kompilo de siaj memoraĵoj. Certe, en la amasego da memoraĵoj troviĝas multaj senvaloraj verkaĉoj, multa varo nek bona nek malbona, kondamnita je rapida forgeso, kaj nur malmultaj bonaj, interesaj homaj dokumentoj. La memoraĵoj de Titta Ruffo, la iam fama kantisto, ĵus publikigitaj, je lia sesdeka naskiĝtago, apartenas al la dua speco. Ĝi estas interesa legaĵo, ĉar ĉiuj, pri kiuj li skribas, apartenas al la hodiaŭo, aŭ al la apenaŭ pasinta hieraŭo. Ĝia virto, malofte trovebla en memorskriboj de kantistoj, estas, ke ĝi ne enhavas tro da memlaŭdo, kaj ĝia granda avantaĝo estas la mallongeco. En unu vespero oni ĝin tralegas, kaj certe oni ne enuos dum la legado.

Titta Ruffo vivas trankvile sian vivon, retiriĝinte al sia Roma loĝejo. Li estas bonhava homo, kantas nur malofte, kaj nur iam kaj iam li aperas en la Teatro Reale, ĉe premieroj, kaj aŭskultas la novajn, la junajn.

*

Estis antaŭ proksimume kvardek sep jaroj, ke oni malkovris lian voĉon. En majo de 1890, Italujo ovaciis novan komponiston. Lia nomo estis *Mascagni*, kaj kun sia konkurs-gajninta opero *Cavalleria Rusticana* li akiris la simpation ne nur de sia patrolando, sed ankaŭ de la tuta muziko-komprena publiko de la mondo. La opero en rapida sinsekvo estis prezentata en ĉiuj italaj operdomoj, kaj tiel ĝi rapide alvenis ankaŭ al Pisa, kie ĝi havis grandegan sukceson. Ankaŭ la du filoj de tiea forĝistmastro, Ruffo kaj lia frato, volis aŭskulti la operon, kies melodiojn oni zumis en la tuta urbo. Sed ili ne havis monon por aĉeti bileton. Ruffo laboris por kvindek ĉentezimoj tage en la laborejo de sia patro, ankaŭ la frato havis simile malbone pagatan okupon. Fine la pli aĝa frato sukcesis akiri monon, ili aĉetis du biletojn por la plej malmultekosta loko de la galerio. »Mi ne scias — skribas Titta Ruffo en siaj memoraĵoj — kiom-foje oni vokis la artistojn antaŭ la kurtenon. La entuziasmo de la publiko iĝis tiel granda, ke ĝi jam similis al kolektiva furiozado. Mi kapablis min nek movi, nek ion diri. Nur mute mi rigardis mian fraton!« Post la prezentado ili iris hejmen. La malgranda serurist-lernanto iris senvorte apud sia frato, kiu klopodis klarigi dumvoje al la pli juna, ke tiu muzikisto superos Verdi, Rossini, eĉ Wagner. Hejmen veninte, Ruffo petis sian fraton, ke li ludu sur sia fluto la serenadon el la Cavalleria Rusticana. Estis jam malfrue kaj la frato ne volis veki la domon per sia ludo. Fine li tamen cedis kaj komencis fluti. Ruffo aŭskultis dum iom da tempo, poste li komencis kanti, komence mallaŭte, poste ĉiam pli kaj pli laŭte. Ĉirkaŭ ili vekiĝis la loĝantoj de la malriĉula kvartalo, la fenestroj pleniĝis per homaj kapoj, aŭskultante la belan klaran tenorvoĉon. Je la fino de la serenado, Ruffo kaj lia frato rigardis sin reciproke kun surprizo. Ili mem ne sciis ĝis nun, ke la dektrijara knabo havas tian belan voĉon.

*

Pasis kelkaj jaroj, la tenorvoĉo profundiĝis je baritono. Titta eniris la Roman muzikakademion, sed neniel povis harmonii kun sia profesoro, la eminenta Pesichini. La mastro trovis sian lernanton sentalenta, kaj foje, kiam la juna homo lin riproĉis, ke li ne komprenas lian voĉon, li tiel furioziĝis, ke li nomis la lernanton stulta fripono, sentalentulo kaj eljetis lin. Titta vojaĝis al Milano, sed

tie lin atendis novaj seniluziiĝoj: la Scala ne malfermis siajn pordojn, nur iu fabriko de gramofondiskoj igis lin kanti kelkajn italajn popolkantojn. La ricevita mono estis la unua mono perlaborita per kantado. Sed la diskoj fondis lian feliĉon. Agento ekaŭdis ilin kaj komencis interesiĝi pri la juna kantisto. Serĉis lin, kaj, trovinte, vokis lin al si kaj deklaris, ke *la nomo Ruffo Titta ne estas taŭga por artista kariero.*

»*Ni turnos ĝin* — li diris — el Ruffo Titta estos Titta Ruffo, kaj mi vetas, ke vi faros karieron kun tiu ĉi nomo.«

*

La mondkariero provizore ne volis ekiri. Ĉiuokaze sukcesis al la agento lin akceptigi ĉe la Roma opero (siatempe, komence de 1898, ĝi ankoraŭ ne estis tio, kio hodiaŭ estas la Teatro Reale) por la kantado de unu rolo. Oni donis al li la rolon de la Heroldo en Lohengrin. Titta Ruffo neniam lernis teatro-ludon, reĝisoro kaj orkestestro havis tre multe da peno, ĝis ili povis al li instrui la rolon postulantan malmulte da movo. Ĉe la ĝenerala provo li tiom malbone sin movis, ke Mingardi, la orkestestro alkriis lin:

»*Kion vi faras, vi mallertulo? Tiam fariĝos el vi kantisto, kiam el mi papo!*«

Titta Ruffo estis tute sinkuraĝigita;; li eĉ ne volis iri al la prezentado, antaŭ liaj animaj okuloj aperis la bildo de la amboso kaj martelo en la infanaĝo. Fine li tamen kolektis la reston de sia kuraĝo kaj iris al la premiero. Li mem ne sciis, kiel li venis sur la scenejon? Nur tion li aŭdis, ke oni ludas la uverturon, li vidis, ke la kurteno supreniras kaj la orkestrestro donas la signon; kaj li komencis kanti.

La sukceso estis brilega.

Kelkajn jarojn li ankoraŭ restis en Italujo kaj daŭre lernis. Lia voĉo fariĝis tiom potenca, ke la kritikistoj komparis ĝin, kun la muĝo de Niagara. Komence de la jarcento, li iris la unuan fojon eksterlanden kaj havis ĉie grandegan sukceson. *Sardou* skribis pri li brilan kritikon, *Rostand, Maeterlinck, Saint-Saens, Massenet, Richepin* donas lin de mano al mano, en *Monte-Carlo* li estis gasto de la rusa arkiduko, en *Lisboa* la gazetoj skribis ĉefartikolon pri lia voĉo. Oni vokas lin al Norda Ameriko, al Suda Ameriko. Ĉe la eksplodo de la mondmilito, en 1914, li estis en Buenos-Aires. Kiam Italujo aliĝis al la milito, per la unua ŝipo li venis hejmen, soldatiĝis kaj faris militservon ĝis la fino de 1918.

Nun sekvas la plej malgajaj, plej ekscitaj paĝoj de la libro; *la priskribo de malsano kaj morto de Caruso.* En 1919 Caruso kaj Titta Ruffo — kiuj ankaŭ kune havis jam multajn sukcesojn — estus devintaj kune roli en



F. Bilek *Blinduloj*

la Metropolitan. La kontrakton de Gazzi Casazza ili jam subskribis, sed dumtempe Caruso mort-malsaniĝis. Oni portis lin al Italujo, kie li post longa suferado mortis. Titta Ruffo nur ĉe la tombo povis zumi dolorplenan adiaŭ-kanton. (P. N.)

## AUGUSTUS-EKSPOZICIO EN ROMO.

La 23-an de Septembro solenis Italujo la dumilan naskotag-revenon de imperiestro Aŭgustus, fondinto de la unueca Roma mondimperio. En tiu ĉi tago, antaŭ dudek jarcentoj okazis, ke en la Palatinum naskiĝis filo al la plej riĉa burĝo de Romo, Caius Octavius.

La kalendaro de la mondimperio montris la 691-an jaron »*ab urbe condita*«, la legioj jam konkeris la plej-multon el la popoloj de la Mediteraneo, portis fabelajn trezorojn hejmen kaj igis provizejo de Romo la duonon de Eŭropo. Kvin jarojn poste Julius Caesar konkeras Gallion, post pluaj tri jaroj Britanion, kaj kiam ĉe la pinto de liaj sukcesoj kaj potenco oni lin murdis, la limoj de la iama paŝtistejo etendiĝas de la Atlanta oceano ĝis la Kaspa maro, de Arabio ĝis la okcidentafrikaj marbordoj.

Post la morto de Caesar, tri partioj klopodas akiri por si mem la fruktojn de la sangaj militoj de jarcentoj: post serio de civilaj militoj Caius Julius Caesar Octavianus — nepo de Julius Caesar —, sukcesis eldevigi la venkon. »Depost la fondo de la urbo« oni kalkulis la 780-an jaron, kiam li, sub la nomo Aŭgustus mortis, kiel imperiestro samranga kun la dioj kaj kiel heredajon postlasis bonege organizitan, el militista vidpunkto ne venkeble fortan, civilizitan kaj riĉan imperion, al malofte indaj posteuloj.

En la analoj tiu ĉi jaro estis signita 786, kaj neniu sciis ankoraŭ, ke antaŭ tri jardekoj kaj duono, en eta stalo de iu juda vilaĝeto, naskiĝis alia infano, kiu fondos multe pli grandan kaj pli longedaŭran regnon. Regnon, kies signifo estos tiel granda, ke ĝi nebulumos tiun de la urbo; ke la tempon oni kalkulos ekde la alveno de tiu infano kaj el la morto-jaro de la Dioimperiestro farigos 14. post Kristo!

La dumiljaran naskiĝdaton Romo ne povus pli inde festi ol per tiu ĉi ekspozicio je la memoro de Aŭgustus. Dum kvin plenaj jaroj, aro da scienculoj: historiistoj kaj arkeologoj laboregis pri ĝi por povi spektakle klare prezenti la dek du jarcentojn, pasintajn de la fondo de Romo ĝis la pereo de la regno. Por montri, kio estis tiu grandioza forto, tiu de tiam ne plu imitebla organismo, kiu dum la epoko de la perpieda kaj perĉevala trafiko, de la perremila kaj pervela navigado, povis krei nek antaŭe nek poste imiteblan regnon. Al la organizintoj sukcesis la preskaŭ neebla: ili kolektis en 64 ĉambregoj tian materialon, el kiu eĉ la laikoj povas vidi kaj lerni, kiel evoluis, vivis, laboris, studis, amuziĝis, naskiĝis kaj pereis la plej granda miraklo de la antikva epoko: la imperio de Romo. Tiuj sesdek kvar salonegoj estas pli ol nura ekspozicio: nekompareble interesa kaj valora lernejo. Eĉ por momento oni ne havas la impreson esti en tombejo plena de piaj memorobjektoj. Ĉiu salonego estas nova surprizo. Ĉio vivas, ĉio havas guston kaj homan proksimecon. La organizintoj sukcesis revivigi Romon, pereintan antaŭ mil kvincent jaroj.

La ekspozicio estas dividita en kvar partojn. La unua prezentas la historion de Romo, ekde Romulus kaj Remus ĝis la invado de la barbaroj. La dua la fundamentajn instituciojn de la regno. La tria ĝian civilizacion kaj la kvara la privatan vivon de ĝiaj civitanoj. La ĉefa problemo estis la elekto de la materialo. La organizintoj havis du eblojn: aŭ prezenti el la originalaj memorajoj tion, kio estas formovebla, kaj la reston anstataŭigi per kopioj, aŭ aranĝi la tutan ekspozicion el unuecaj kopioj, el modeloj.

La sciencularo tre prave decidis por la dua solvo. La originala materialo ja estus tro malgranda.

Pli ol tri mil brile sukcesaj gipsmodeloj, du cent kopioj de monumentoj, sennombraj modeloj, diapozitivoj plenigas la salonegojn kaj la vizitanto nur miras, kiel estis eble tiun aregon da materialo kolekti dum kvin mallongaj jaroj. Oni ja devis organizi apartajn ekspediciojn, ke oni povu fari kopiojn pri la romaj memorajoj en kelkaj Aziaj kaj Afrikaj urboj; ke oni povu alporti la gipsmodelojn kaj fotojn de romanaj aĵoj troviĝantaj en la kvin mondpartoj.

Pri la detaloj ni ne povas paroli ĉi tie, ĉar tio ampleksus ja pli ol du volumojn.

La grandeca urbo-modelo, troviĝanta en la ekspozicio, sentigas, kvazaŭ ni retroflugus dumil jarojn sur la »Tempomaŝino« de Wells kaj rigardus sur la urbon de supre. Ĉio, kio efektive kuŝas hodiaŭ jam en ruinoj, vidiĝas ĉi tie kiel rekonstruita tuto. Eĉ por duon-horo oni ne kapablas forŝiri la atenton.

Oni nur povas ripeti, ke ĉio estas interesega kaj instrua.

Ĉefe instrua! Precipe, se oni pripensas, kiel rapide la homo de mezepoko sukcesis forgesi ĉion, kion al li la antikva epoko instruis. Tiel brile kaj komplete, ke kelkajn aĵojn — ekzemple kuglo-lagron, kaj aŭtomatan ankron — devis denove eltrovi la »jarcento de Tekniko«. Preskaŭ mil jarojn post la renverso de la Regno, kuraĝaj humanistoj scienculoj kaj aliaj suspektindaj intelektuloj devis elfosi el la forgesitejo, el la tero, el fundoj de bibliotekoj ktp. multajn aliajn aĵojn, kiujn la gvidantoj, politikistoj kaj militestroj, dronigis en forgeson.

La dronigo sukcesis tiel bone, ke ni eĉ nun fosadas.

Sed eble ne plu longe. Laŭ ĝenerala situacio, laŭ iaj brilaj spiritaj direktoj, oni estas tentata supozi, ke eble el la fosantoj fariĝos dronigantoj denove, kaj ke niaj nepoj sukcese forgesos ĉion, kion ni scias! (*P. N.*)

## LA KONDAMNITA POETO.

El Parizo ni sciiĝas, ke tie francaj juĝistoj kaj juristoj iniciatis movadon por tio, ke oni nuligu la kondamnon de Baudelaire. Tiu kondamno trafis la poeton pro sesfoja pudor-ofendo per presaĵo. Ĝi frapis la poeton kaj ties eldoniston per po 300 fr. da monpuno kaj malpermesis la disvastigon de ses poemoj sur la tuta teritorio de Francujo. Tiuj ses poemoj de la Floroj de l' Malbono ankaŭ nun estas malpermesitaj, kvankam la malpermeso jam validas nur sur papero: en ĉiuj novaj Baudelaire-eldonoj troviĝas ja tiuj ses pecoj: La Juveloj, Lethe, Al ŝi, kiu estas tro gaja, Lesbos, Damnitaj virinoj, La metamorfozo de l' vampiro.

Tiun absurdan juĝon jam multfoje oni brulstampis, jam multfoje oni pledis por ties nuligo, kiu, tamen, ne okazis. Ĝis nun poetoj, verkistoj, la intelektula leganta publiko urĝis la forigon de l' kondamno. Sed nun — kaj jen kio estas aparte signifa kaj kio donas esperon pri sukceso — ĝuste altrangaj francaj juĝistoj estas la iniciatintoj.

Eble la plej brila jaro de la franca literaturo estis 1857, en kiu aperis *Les Fleurs du Mal* kaj *Madame Bovary*. La aŭtoroj de ambaŭ verkoj, Baudelaire kaj Flaubert, devis stari antaŭ tribunalo, sub akuzo pri senmoraleco kaj pudor-ofendo. La sama juĝistaro pritraktis ambaŭ procesojn. Flaubert estis ekskuzita; la intelektula mondo entuziasme festis post la ekskuza juĝo Flaubert-on kaj ankaŭ liajn juĝistojn. Sed la registara gazetaro akceptis la verdikton kun granda indigno. Kaj la juĝistoj devis kondamni Baudelaire-on jam ankaŭ tial, ke ili pruvu sian severecon kontraŭ troliberecο en moralaj aferoj.

Eksterordinara interesiĝo antaŭis la ĉefpritrakton, ĉar la akuzato, Baudelaire, estis tre interesa figuro. Multe oni flustradis pri li en Parizo, eĉ pli multe ol kiom estis vera. Dorso-frostigajn historiojn kolportis la onidiroj pri la orgioj en la aparta ĉambro de la Hotel Pimodan, kie la ĉefheroo estis tiu ĉi altfrunta, strangrigarda poeto. Kaj oni parolis pri li ankaŭ aliajn aferojn: ke li estas pasia ĝuanto de la mister-efika orienta veneno, la haŝiŝo, kaj ke lia amatino estas mulatino, Jeanne Duval, la »nigra Venus«, aktorino de la Theatro Pantheon, duone teatro, duone amuzejo. Knabstatura, mal-

hel-haŭta, pasia virino, ĉe kiu Baudelaire persistis kun la plej granda konstantemo.

Inter du gardistoj staris pale la poeto, kiam kontraŭ ses perloj de lia sola versvolumo fulmotondris potencan akuzparoladon la impreistra prokuroro. Pale li aŭskultis ankaŭ la defendan pledon, en kiu lia advokato replikis al la prokuroro per la opinio de Balzac kaj per citaĵoj el la poemoj de la plej konataj poetoj. Ankoraŭ pli paliĝis la vizaĝo de Baudelaire, kiam oni deklaris la kondamnon. Ne tiuj tri cent frankoj lin ĉagrenis. Sed li sentis, ke tiu kondamno vundas ĝissange lin kaj tra li la tutan poezion, kiun, malgraŭ siaj splenaj pozoj, li profunde respektis. Lin ne konsolis la vivuado de l' publiko, nek la leteroj de Flaubert; nek tio, ke Victor Hugo, la princo de l' poetoj, laŭte esprimis sian indignon; nek tio, ke lin ekskuzis eĉ Saint Beuve, kritikisto alte estimata kaj rigardata de la tuta literatura mondo kiel neapelaciebla aŭtoritato.

Kiaj internaj fortoj igis Baudelaire-on la plej individua poeto de sia tempo, klasebla en neniu skolo, kaj tiel malproksima de la spirito de la dua imperio de Francujo? Tiujn profundajn antagonismojn Baudelaire eĉ pliakrigis per sia vivo kaj sia verko: Li spitis ĉiujn hipokritaĵojn de sia epoko, luktis kontraŭ la ŝimcerbeco, humiliĝo kaj prudo, en kiu li vidis simptomojn de reakcio. Li malamis la filistrojn, kaj tial, ne povante ilin vipi, li klopodis ilin konsterni, ne nur per siaj poemoj, sed ankaŭ per sia konduto, kaj per la troigitaj famoj, kiujn li mem disvastigis pri sia ekzotika vivmaniero.

Li adoris sian patron, sed perdis lin frue. Lia patro estis bela animo, talenta sed diletanta pentristo kaj la plej pur-spirita Gironde-ano, amiko de Condocet. Li amis ankaŭ sian patrinon, tre amis ŝin, sed io ŝiriĝis en li, kiam ŝi, post la morto de lia patro, edziniĝis denove. Tio estis por li terura travivaĵo. Li fremdiĝis al sia patrino, al la tuta mondo, eĉ al si mem. Ŝia dua edzo estis oficiro, la stabo-ĉefo de Parizo. Oni povas imagi, kiaj antagonismoj disigis de tiu rigora oficiro la iom virineskan, dekadencan junulon, kiu, tamen, malgraŭ sia dekadenceco, entuziasme kaptis armilojn en 1848 kaj batalis sur la barikadoj.

Lia vicpatro, kaj sub lia influo ankaŭ lia patrino mem, malŝatis la poezion kaj ĝin rigardis neimagebla kiel vivdestinon. Charles-on, por ke li forgesu sian »grandan amon«, ili sendis vojaĝi. Hindujo kaj la insularo! — estas kompreneble, ke tiu vojaĝo ne mortigis en li la poeton, eĉ plifortigis. Reveninte al Parizo, li venis en la societon de verkistoj kaj poetoj, kaj komenciĝis lia kolora, iom ekzotika vivo, pri kiu oni tiom flustradis en Parizo. Tiam ekbrulis ankaŭ lia amo al Jeanne Duval. Kaj tiam venis la haŝiŝo. Kaj la ebriaj noktoj en la Hotel Pimodan. Kun sia familio li rompis ĉian kontakton, krom la apanaĝo, kiun, kvankam tre malgraŭvole, li akceptis de sia patrino — li estis ja malforta por stari sur la propraj piedoj. Li verkis poemojn, sed unuavice literaturajn kaj priartajn eseojn, en kiuj li malkovris Edgar Allan Poe, kies verkojn li ankaŭ tradukis; defendis la tiam ofte atakatan germanan poeton Heine, vivantan emigre en Parizo; inter la unuaj rekonis la epokfaran grandecon en la muziko kaj poezio de Wagner; pledis por Goya, kies valoro tiam ankoraŭ estis kontestata; trovis francan pentriston, Delacroix, kiun, kontraŭ la granda plimulto de la fakuloj, li rigardis genio.

Inter la verkistoj kaj artistoj pleje lin efikis Edgar Allan Poe. El lia junaĝo, plej daŭr-impresa estis tiu lia travivaĵo interna, kiun li havis por la dua edziniĝo de la patrino. Kaj al tiuj ĉi aldoniĝis la sorĉo de Hindujo, la haŝiŝo, kaj lia bola amo al la »nigra Venus«. El ĉi tiuj komponentoj evoluas lia poeta kaj homa individueco. Kaj iĝas kompreneblaj liaj konfliktoj kun sia epoko kaj la filistroj, kiuj antaŭ li enkorpiĝis en la persono de lia vicpatro, la stabo-ĉefo.

Francois Poncet, la biografo de Baudelaire, skribas



H. Schweiger *Moravia valah-muelejo*

pri li: li estis »homo duplex«. La moderna psikologio dirus, ke li estis skizofrena.

Fanatika adepto de la spirita ordo kaj de la belaj, rondaj formoj. Ĉiu lia penso, esprimita humoro, ĉiu lia komparo estas finita tuto. Lia sinvestado estas tre individua, sed ĉiam pura kaj perfekta. Lia aspekto estas nura harmonio. Same ankaŭ liaj versformoj. Lia poezio estas muziko. Senpeka ritmo, mirinde sonoraj rimoj.

Sed aliflanke, malantaŭ liaj versoj kaj vivo diboĉas satanismo kaj demonismo. Varmego, febro, erotiko, ebrio, malsano, voluptemo, — oni ne povas sufiĉe amasigi epitetojn por esprimi, kio bolas en li kaj en liaj poemoj: lia amo al lia patrino kaj la rolo de l' vicpatro; purecmanio kaj mulata amatino; malamo al burĝoj kaj akceptata apanaĝo; barikadoj de 1848 kaj la epoko de Napoleono III. Eble la plej karakteriza epiteto estas por li: *bizara;* oni apenaŭ povas pri li paroli sen tiu ĉi neologismo. En tiu ĉi vorto enestas tiuj nekalkuleblaj kontrastoj, kiuj elformis la patron de la dekadenca poezio; kaj en la muziko de tiu ĉi vorto enestas ankaŭ tiu dentgrincado, kun kiu li faris la kompromisojn en sia vivo kaj la batalojn en sia poezio. Kaj enestas ankaŭ la alia mondo de Baudelaire, lia riĉa mondo de fantazio, kun ties tuta aera delikateco. En ĝi li senĉese brulas, kiel povas bruli nur vera poeto, vera genio:

Senĉese la Demono ĉe mia flank' sia tordas,
Min ĉirkaŭnaĝas kiel aero nepalpebla;
Mi glutas ĝin kaj sentas, ke ŝvelas kaj brul-mordas
Kulpa dezir' eterna en mia pulmo febra...

De la realo li rifuĝas en mondon, kie lin ne povas sekvi la griza homo, la malamata filistro. Ofte li ekskursas en la mondon de la morto. Sed tiu morto estas ne la forflugo de l' animo, nek trankvila endormiĝo, nek eĉ la neniiĝo; ne, la Baudelaire-a morto estas la terura diseriĝo de la korpo: la putro. Kaj ĝi, samtempe, estas riĉa kaj sensa. Eĉ la apudvoja kadavro asociigas amon. Jen la plena kunfandiĝo de la naturalismo kaj romantikismo.

De la amo, de la Baudelaire-a amo oni devas morti: ĝi estas tiel varmega, ke ĝi murdas. Ankaŭ lin mortigis la frukto de lia amo al la malhel-haŭta Venus: la paralizo.

Eĉ tio estas bizara, *kie* pro l' malsano inokulita de la amo li falas por neniam plu restariĝi: sur la ŝtuparo de la katedralo de Namur. De tie oni portis lin al Parizo, kie sur hospitala lito li mortis en sia kvindek-sesa jaro. Liajn okulojn fermis lia patrino, kiun li amis kaj malamis, kaj kiu eble havis multe pli gravan rolon en la naskiĝo de la Fleurs du Mal, ol la mulata Jeanne Duval, kiu donis al la poeto la mortigan amon kaj mortigan malsanon.

Baudelaire, en 1867, kiam li mortis, eble eĉ ne revis ankoraŭ — aŭ jam — pri tio, ke liajn poemojn legos milionoj, kaj ke la tempo portos al li ankaŭ la oficialan rekonon. Kaj ke foje oni legos li.jn »malsanajn florojn« en lingvo tiamankoraŭ neekzistanta, en Esperanto. *(L. G.)*

EGMONT COLERUS: SEKRETO ĈIRKAŬ CASANOVA. *Novelo.*

En ĉi tiu novelo Colerus vidas la faman Venecianon ne nur kiel amoheroon, ludiston, intrigulon, politikulon kaj ŝtatviron, sed ankaŭ kiel patrioton, kiu amas sian Venecion kaj volas servi al ĝi en sia maniero. La sekreto, kiu ĉirkaŭas la viron de tiom da artifikoj kaj sekretaj vojoj, ĉe Colerus estas ludo malplie galanta, ol kiom politika, kun alta risko. Venecio ne plu estas sur la alto de sia povo. Kion la reĝino de l' maro perdis en ekstera brilo kaj forto, tion ĝi anstataŭas per la terura sistemo de la inkvizicio en la interno. Kiam Casanova, post longa foresto en eksterlando, revenas hejmen kaj ekkonas la ŝanĝon de la aferoj, li ne-singarde kritikas publike ĉe granda festo la potenculojn. En Venecio nenio restas kaŝita al la estraro, ĉar ĉie ĝi havas spionojn. Ankoraŭ en la sama vespero la »Tri« ekscias ĉiun vorton, kiun Casanova parolis. La tribunalo ne tuj agas, Casanova ja estas invitata antaŭ la konsilantaron de la Tri; tamen, lia kadavro ne pendas la venontan tagon inter la du misfamaj kolonoj sur la Marko-placo, sed li forlasas la doge-palacon vivanta kaj eĉ, kiel politika agento de la tribunalo. Lia tasko estas observi la francan ambasadoron *Bernis*, malhelpi lian pereigan por Venecio raportadon al la franca registaro en Parizo. Bernis, kiu ĝuste preparas ligon mortigan por Venecio inter Francujo kaj Aŭstrio, ne estas kaptebla. Liaj spuroj montras al Murano, sed la gondolistoj, kies plejmulto estas en lia servo, malfaciligas ĉiujn observojn kaj esplorojn.

Ne nur la ludo kun Bernis logas Casanovan al Murano. Baldaŭ post sia reveno en la hejmlandon, li enamiĝis al la deksesjara Cornelia Croce kaj volas ŝin al si edzinigi. Sed ŝia patro rifuzas lian peton kaj forordonas la filinon al Murano en la palacon de sia kuzo Mocenigo, kie ŝi devas, du jarojn, en duona kaptiteco, provi sian amon al Casanova. Ŝia belega kuzino, Maria, partoprenas ŝian sorton. Pro malamo kontraŭ sia patro, kiu devigas ŝin jam de kvin jaroj rezigni pri amo, kiu ne trovas lian plaĉon, Maria iĝas agentino de la ambasadoro Bernis, al kiu ŝi perfidas ĉiujn parolojn de ŝia patro kun influriĉaj politikaj amikoj. En Murano, Casanova trovas iutage Cornelian ĉe la vespera diservo, en la preĝejo, en la akompano de Maria. Cornelia lin ne ekvidas, sed li vekas la atenton de Maria, kies beleco lin forte impresas. Maria sendas post li spionon kaj invitas lin al rendevuo. Ili ren-

# Ĉinaj paraboloj

## MALKONTENTECO.

Maljunulino profesie faris brandon. Daoisto[1] vojaĝante loĝis ĉe ŝi. Kiam li petis pri brando, ŝi ĉiam donis al li. Li trinkadis kelkcent kruĉojn kaj al ŝi ne pagis. Tamen ŝi ne disputis kun li pri tio.

Iutage la daoisto diris al ŝi:

»Mi ne havas monon por pagi vian brandon. Mi fosu puton por vi.«

Fosiĝis la puto kaj elspruĉadis forta brando.

»Per ĉi tio mi vin pagas,« li diris kaj foriris.

La maljunulino ne plu faris brandon kaj nur vendis tion, kio elspruĉis el la puto. Tiu brando estis pli bona, ol kion ŝi faris. Multe da aĉetantoj venadis.

En tri jaroj ŝi gajnis kelkdek milojn da mono kaj riĉiĝis. Iutage neatendite la daoisto denove venis. Ŝi lin dankegis.

»Ĉu la brando estas bona?« li demandis.

»Bona ja ĝi estas, nur la porkoj ne havas feĉon por manĝi.«

Ridetante la daoisto, skribis sur la muron la jenan versaĵon:

»Eĉ fluginte ĝis la ĉielalto
Homa kor' ne scias ja pri halto:
Vendiĝas putakvaĵo kiel vin',
Ho ve, ne havas feĉon la porkin'!«

Fininte la versaĵon, li foriris. Kaj el la puto ne plu elvenis brando.

## PRETENTEMO.

Lin Ĉun-je, guberniestro de Fuĝien, celebris la 99-an datrevenon de sia naskotago.

Najbaro lin gratulis, dirante:

»Ankoraŭ cent jarojn al vi!«

»Mi ja ne petas de vi nutradon,« diris la guberniestro kolere, sed ridetante, »kial limigi mian vivdaŭron?«

En la ĉina: *Venlo Fon.*

[1] Daoismo: religio de Ĉinujo.

kontiĝas en kasteleto apud Murano. La kasteleto apartenas al la franca ambasadoro, kiu ankaŭ surprizas ilin tie. Malgraŭ la avertoj de Bernis, kiu devas forvojaĝi por aranĝi la aŭstran-francan ligon, Maria kaj Casanova volas renkontiĝi ankoraŭfoje en Murano.

En ventega nokto albordiĝas Casanova ĉe malnova ĝardeno, el kiu devas veni la amatino. Alglitas gondolo, svelta gondolisto enpaŝas la veturilon de Casanova. Ili veturas al la parkokasteleto kaj en la templo de ilia amo, en la bone konata ejo palas al li renkonte — Cornelia anstataŭ Maria, kaj diras al la konsternita Casanova, ke Maria, kiu estas serĉata de la inkvizio, estas fuĝinta.

La knabino grandanime pardonas al Casanova la perfidon al ŝi. Turmentata de la konjekto pri minacanta malfeliĉo, ŝi urĝas foriri. Nur per la uzo de ĉiuj siaj fortoj ili sukcesas reveturi al la palaco Mocenigo, tra la maltrankvilega akvo de la lagunoj. — Tute malsekigita, Casanova volas prizorgi por ŝi sekajn vestaĵojn en la parka kasteleto; li remas, malgraŭ la malesperaj avertoj de Cornelia, ankoraŭfoje al la kasteleto kaj falas en la manojn de la kaptistoj de l' tribunalo.

»Sekreto ĉirkaŭ Casanova!« Ĉu Maria logis al si Casanovan laŭ la deziro de la franca ambasadoro, por forigi lin de la spuro de sia mastro? Ĉu Bernis aŭ Maria perfidis Casanovan al la tribunalo? — La poeto asertas ke Maria amas Casanovan — sed li mem iom palpebrumas.

La tribunalo ĵetas la arestiton sen juĝa esploro en la plumboĉambretojn. Post fuĝo priskribita kun konsterna impreseco, Casanova venas, kun helpo de kamparana knabino, en la regionon de la episkopo de Trient kaj estas savita.
*F. W. V.*

GEORG FINK: INFANOJ DE DOLORO.

En sia plej nova romano la mondfama verkisto returniĝas al tiu medio, en kiu li sentas sin hejme, en la mondon de ofenditoj kaj ĉagrenitoj. Topografie: al tiu proleta kvartalo de Berlino, kies vivo fluas kaj putras en la mallarĝaj stratetoj inter la *Alexanderplatz, Theotoburgerplatz* kaj la *Ghetto.*

Kompreneble, ankaŭ la »herooj« estas ĉiuj malriĉaj, korpe kaj spirite kripligitaj homoj — ĉefe infanoj, kiuj tie naskiĝis kaj kreskis en la fizika kaj anima marĉo; sen inhibicioj, moralaj konsideroj, karesemoj kaj molaj emocioj, en terura sinpelado post la amo, el kiu — same kiel el la manĝaĵoj — ili povas akiri erojn nur de tempo al tempo.

Ankaŭ la ĉeffiguro de la romano; Martin, serĉegas la amon. Sed kie trovu animan varmon, komprenon aŭ eĉ nur indulgon la kompatinda kripla infano, kiun koncipis la patrino en peko. Ŝi tute ne konis la patron, kiu iun teruran posttagmezon atakis ŝin kaj direktante tranĉilon al ŝia brusto, ŝin perfortis... La vivo de Martin estas serio de nehomaj suferegoj, por manĝi li ricevas defalaĵojn kaj putriĝintajn, malboniĝintajn nutraĵojn. La patrino kaj duonpatro lin sinsekve batas, ŝnurligas,




M. Zlatniková — *Dormanta infaneto*

brulvundas, enfermas en la loĝejo, dum la aliaj infanoj senzorge povas ludi en la stratoj, placoj kaj parkoj . . .

Se foje-foje li sukcesas fuĝi de hejme, li kaŝiras al la maljuna, ruiniĝinta kaj malgaja juda muzikprofesoro, Moritz Lesser, por ke en la mistikaj kaj mirindaj harmonioj de la muziko li trovu mildigon por la doloroj, kiuj ŝiras lian senkomprene suferantan animon. Sed tio estas nur rifuĝejo simila al tiu, en kiu forpelita hundo por momento kaŝas sin dum uragano.

Moritz Lesser kun admiro kaj pia respekto rekonas en la infano la burĝonantan artiston, sed li ne amas lin. Li amas Abel Adler, — alian lernanton de li — kiu neniam fariĝos artisto; sed kun sia juda moleco, kun sia ĉiam vigla ne kontentigebla intereŝiĝo pri ĉio, kun sia maltrankvila vibra spirito tamen estas pli proksima al lia koro.

En tiu senespera ĉirkaŭaĵo, sovaĝe kaj senrespondece kreskas la floroj de homa marĉo ĉirkaŭ ili. Dekkvar-jaraj knabinoj, kiuj venas sur la straton, ĉar ili devas gajni monon; knaboj kiuj en la benkoj de lernejo jam ĉion scias pri l' amo, eĉ pli, estas konsternaj figuroj de notora senmoraleco; infanoj, kiuj ne havas infanaĝon, kies vojo kondukas laŭnecese al la puneduka instituto, hospitalo, abortigistino, drinkejo, bordelo, krimulkaverno, pundomo aŭ kanalo, kie de tempo al tempo retroviĝas iu el ili mortigita, senvirgigita . . .

El la tuta infera socio, Martin nur al unu homo sentas ian strangan ne klarigeblan, supernaturan simpation. Tiu estas la unukrura Sadewasser, la restoraciestro, kiu bruigas sur sia gramofono dancmuzikon kaj marŝojn al la ebriaj gastoj; sed, kiam li restas sola, li surmetas Bach kaj Beethowen-diskojn, Sadewasser, kiun iuposttagmeze oni forkondukas, ĉar perfidaj signoj pruvas, ke li estis la farinto de tiuj du volupt-murdoj, kiuj ekscitis la tutan malhelan ĉirkaŭaĵon; Sadewasser, kiu antaŭ sia aresto rakontas al Martin sian unuan memoraĵon pri tio, kiel li gustumis la unuan fojon la ĝojon de karno kaj murdo, kiam li, kiel tranĉilvendisto, sonorigis ĉe la pordo de riĉulo en la Westend, kaj nur la servistino estis hejme, al kies brusto li direktis tranĉilon . . . Post jaroj, kiam li revenis el la milito, li ankoraŭ longe serĉis la knabinon, kaj la infanon, kies vivon donis tiu sovaĝa posttagmezo. Sed vane.

Ekscitite kaj terurite aŭskultas Martin tiun teruran konfeson, kun abomeno li rigardas la murdistan manon . . . kaj tamen li ne povas venki la senton, ke li amas tiun viron, kiu, post kelkaj minutoj, katenite, kun verdiĝanta vizaĝo, paŝadas inter la detektivoj.

La duonpatro forkuras de hejme, la veran patron — pri kiu li ne scias, ke li estas lia patro — atendas la ekzekutisto, restus nur lia tria patro, lia patro en la arto, en la ĉiosolva muziko: Moritz Lesser, al kiu lin ligas fadenoj de mistikaj harmonioj. Kaj dume li ne rimarkas, ke apud li forvelkas la malgranda Abel Adler, kiu fine pereas pro la tragika avideco, per kiu li same serĉegas la amon, sed same ne trovas ĝin . . .

Je la fino de tiu senespera cirklo metas punkton la sinmortigo de Abel; ankaŭ al Moritz Lesser restas neniu. Ankaŭ Martin jam de longe iras sian propran vojon, ĉiam pli firme kaj certe, al la pintoj; la iamaj kunludantoj iras la vojon, kiun la sorto destinis al la pun-edukejo, malsanulejo, krimulejo, krimul-kaverno, abortigistino, pundomo kaj kanalo . . . ĉio iras plu laŭ la neŝanĝeblaj leĝoj de la vivo; kaj nenio estas eterna, krom la marĉo, la mizero kaj la malhonoro, ĉi tiu moderna triunuo, kies nimbo zonas la frunton de l' forpuŝitoj kaj malriĉuloj.

*(A. G.)*

IDA HURST: LA MONDVOJAĜO DE STENOTIPISTINO.

La sopiro je la Granda Aventuro forpelas la stenotipistinon Ida Hurst el la griza advokata oficejo de apudmara angla urbeto sur la grandan landvojon de la Mondo. Sen mono ŝi ekiras tiun vojon, sur kiu tra okcidenta kaj suda Eŭropo, poste tra Antaŭa Azio kaj Nordafriko ŝin logas ĝis Hindujo kiel noktan papilion la lumo — la fea brilo de la orienta fabel-mondo.

Ŝia tuta vojaĝkapitalo estis la scio: du mondolingvojn ŝi parolas, stenografas kaj maŝinskribas kaj krom ĉio ĉi bone ludas fortepianon. Pere de tiuj kapabloj ŝi estas jen sekretariino, jen pianistino en nokta amuzejo, jen ŝoforo kaj tiel perlaboras sian vivtenon kaj la plej necesajn vojaĝ-elspezojn. Multe ŝi ja ne bezonas, ĉar lerte ŝi scias sin kaŝi jen en forlasita vagono, jen sur ŝipo.

Por juna knabino ne estas facila tasko tralabori al si la vivon tra tiuj profundaj tavoloj de la vivo, kiujn Ida Hurst volonte vizitis, por vidi alion kaj alie ol la turistoj ĝenerale.

En konsternajn profundojn de ŝia vagabonda vivo obligas enrigardi tiu fortkaraktera, rekta angla knabino, kiu eliris korpe kaj anime sana el tiu ekscita kaj aventurplena robinzonado.

LAŬ LA MONDSTATISTIKO DE LA LIBRO-PRODUKTADO, en 1935, la plej multaj libroj aperis en Sovetunio (42.698). Poste sekvas Japanujo (39.050), kie la libroproduktado altiĝis en nakredeblaj proporcioj: dum unu jaro je la duoblo. Post tiuj du sekvas Germanujo (23.212), Anglujo (12.110), Italujo (10.484), Francujo (10.268), Ĉeĥoslovakio (9.218), USA (8.766), Nederlando (6.118), Rumanujo (5.698), Hungarujo (3.642), Hispanujo (3.246), Danlando (3.243).

Laŭ procenta proporcio Danlando estas en la unua loko, ĉar tie por 10.000 loĝantoj aperis 8.7, en Latvio 8.6. kaj en Usono nur 0.7 libroj. Ŝajne, el la vidpunkto de kulturo la kamparan-demokratioj ne estas la plej malbonaj grundoj.

ARTIFIKO DE ELDONISTO. La »New-York-Post« raportas, ke Filadelfia eldonejo publikigis gazetanoncon, laŭ kiu en ĵus aperinta libro oni intence lasis preseraron kaj donos 25.000 dolaran premion al tiu, kiu prezentos sin kiel unua kun la trovita preseraro. La prezo de la libro estas unu dolaro kaj duono, kaj dum unu semajno oni vendis 175.000 ekzemplerojn. La feliĉa gajnanto de la premio estis juna novjorka liftknabo. Ĉe ni estus eble pli ĝuste fiksi premion por tia libro, en kiu tute ne estas preseraro. *(L.)*

EL MOSKVO oni aŭdis dum kelka tempo raportojn, laŭ kiuj la politikaj aŭtoritatoj kaj unuavice la sekreta ŝtata polico liberigis la beletristikon, kaj donas, rilate la stilon kaj temon, liberan manon al la verkistoj. Ŝajnas, ke tiu espero estas iom frua. Nome, ni ĵus ricevis sciigojn, ke ĉirkaŭ la romano »Misa Kurbatov« de unu el la plej bonfamaj rusaj verkistoj, Makarov, estiĝis malagrablaj sensacioj. La verkisto priskribis en tiu romano la internan vivon de granda ŝtata fabriko kaj en ĝi uzas amarajn vortojn kaj plendas pri la ŝtata administracio, la sekvoj de kvinjarplano, ĉefe pri la sorto de la rusa laboristaro. Leginte la kritikojn de literaturaj gazetoj, la sekreta polico ekatentis, konfiskis la verkon; kaj oni diras, ke ankaŭ la aŭtoron ĝi arestis. Precipe tial efikis la libro tiel malagrable, ĉar oni timis, ke eble ekzemplero de ĝi povus veni eksterlanden, kaj, tradukite en la eŭropajn lingvojn, povus naski malbonajn opiniojn pri la sovetia socipolitiko . . . Honoron al ĉiuj diktaturoj, sed ni tamen preferas tiujn demokratajn ŝtatojn, kie la kontraŭkapitalaj romanoj de certa Upton Sinclair povas aperi sen la endanĝerigo de la aŭtoro kaj de la libro, eĉ se ili plej forte kaj akre atakas la regantan kapitalistan sociordon! La pliboniĝo de la homa sorto ne estas eĉ imagebla alie, ol se la konscienco de la homaro, la verkisto, libere povas esprimi siajn timojn kaj esperojn. Tio kompreneble rilatas ne nur la rusan, sed ankaŭ la aliajn diktaturojn. *(L.)*

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**AUSTRIO:** Werner Rentmeister, **Wien,** III. Kölblgasse 10.

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn

**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.

**ĈEĤOSLOVAKUJO:** Esperanto Asocio en ĈSR. Praha XIX. 447, Uralské nám. Poŝtkonto; Praha 1237

**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.

**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, **2—a**

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

**LATVIO:** Talivaldo Indra, **Riga,** Kr. Baronas ielä 104 dz. 19. Poŝtĉekkonto nro 7.

**NEDERLANDO:** Nederlanda Esperanto Centro. Rotterdam W. Schiedamscheweg 209 b. Poŝtĉekkonto nro 272818.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esperantista, Librofako. Sro Gustav Johannessen, **Hamar,** Skappelsgt. 3.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.

**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Loulé 503

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Gelu 9.

**SVEDUJO:** Sveda Esperanto Oficejo, **Stockholm,** Bárnhusgatan 8.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen**

**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Instituto Rockford (Illionis) 1111 Brooke Rd.




# ERVIN PREIS

**En PARIZO nun aperanta bibliofil-eldono de lia desegnaĵ-kolekto estas valora ornamo sur la libro-breto de ĉiu Art-amanto.**

**La albumo enhavas la 10 plej bonajn grafikaĵojn de la juna, talenta verkisto. La originalojn de tiuj desegnaĵoj ni jam trovas en la muzeo de Belartoj.**

**La albumo estas sensacio ankaŭ laŭ aspekto. Luksa, arĝentkolora bindilo servas por la bildoj. Formato 31×43 cm.**

**Prezo de simpla eldono.. .. .. .. 3.— USA dol.**

**BIBLIOFIL-ELDONOJ**

| | | |
|---|---|---|
| 1 25 | Dudek-kvin numeritaj ekzempleroj, ĉiu desegnaĵo kun la subskribo de la artisto, kun unu kupro-gravuraĵo | 20.— USA dol. |
| 26—125. | Cent numeritaj ekzempleroj, ĉiu desegnaĵo kun la subskribo de la artisto | 12.— USA dol. |
| 126—400. | Ducent sepdek-kvin numeritaj ekzempleroj, unu desegnaĵo kun la subskribo de la artisto .. .. .. .. | 5.— USA dol. |

**Mendu ĉe la eldonejo de**

**„Revue Moderne“, Paris, 13 Rue de Muelhouse**

**aŭ ĉe „Literatura Mondo“, Budapest, IX., Soroksári-str. 38**

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos — Pestvidéki Nyomda Vácon — A nyomdáért Bénik Gyula felelős